Dua periodo
SEPA JARO
N-ro 3. 1937.

# LITERATURA MONDO

Okaze de la
XXIX-a Universala Esperanto Kongreso
en Varsovio,
ĉi tiu numero estas dediĉata al la

**POLA
HISTORIO
LITERATURO
kaj
ARTO**

Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Soroksári-str. 38

## APERAS SESFOJE DUM LA JARO

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# *Novaj prezoj!*

## *Aliaj prezoj en la katalogo estas malvalidaj!*

| | bind. | broŝ. |
|---|---|---|
| **Julio Baghy:** Dancu Marionetoj — — — — | 0.56 | 0.40 |
| **Julio Baghy:** Viktimoj — — — — — — | 1.04 | 0.84 |
| **Julio Baghy:** Hura! tolbind. 2.40 — — — | Elcerpiĝis | |
| **Julio Baghy:** Preter la Vivo — — — — | Elcerpiĝis | |
| **Julio Baghy:** Pilgrimo — — — — — — | Elcerpiĝis | |
| **Julio Baghy:** Sur Sanga Tero — — — — | 1.70 | 1.32 |
| **Julio Baghy:** Verdaj Donkiĥotoj — — — | 1.— | 0.70 |
| **K. Kalocsay:** Lingvo, Stilo, Formo — — — | 0.70 | 0.34 |
| **K. Kalocsay:** Streĉita Kordo — — — — | 1.06 | 0.80 |
| **K. Kalocsay:** Rimportretoj — — — — — | 0.44 | 0.27 |
| **K. Kalocsay:** Eterna Bukedo, duontole — 2.30 | 2.— | 1.65 |
| **K. Kalocsay—Madách:** Tragedio de l' Homo simpla | 1.— | 0.66 |
| luksa | 1.20 | 0.84 |
| **K. Kalocsay—Goethe:** Romaj Elegioj kaj La Taglibro — — — — — — — — — | 0.70 | 0.50 |
| **K. Kalocsay—Dante:** Infero — — — — — | 1.90 | 1.60 |
| **K. Kalocsay—Hekler:** Arthistorio I. — — — | 2.25 | 2.— |
| **K. Kalocsay—Mussolini:** Vivo de Arnaldo, luksa | 0.84 | 0.50 |
| simpla | 0.66 | 0.40 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Parnasa Gvidlibro | 0.90 | 0.66 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Plena Gramatiko de Esperanto II-a eldono— — — — simpla | Sub | |
| luksa | preso | |
| **K. Kalocsay:** Hungara Antologio — — — | 2.60 | 2.30 |
| **Bleier—Kökény—Sirjaev:** Enciklopedio de Esperanto, vol. I—II., ilustrita — — — — | 6.80 | 6.— |
| Enciklopedio de Esperanto, en unu volumo, neilustrita — — — — — — — — | 4.— | |
| **Asch—Lejzerowicz:** La Sorĉistino el Kastilio — | 0.90 | 0.66 |
| **Grenkamp—Brzekowski:** Pri l' Moderna Arto | 0.66 | |
| **J. Forge:** Mr. Tot aĉetas mil okulojn — — | 1.06 | 0.84 |
| **F. Szilágyi:** Trans la Fabeloceano — — — | 0.90 | 0.66 |
| **F. Szilágyi:** Poemaro el Hungarlando — — | | 0.34 |
| **F. Szilágyi:** La Simpla Esperanto — — — | | 0.34 |
| **F. Szilágyi—Genthon:** La pentroarto en la malnova Hungarujo — — — — — — | 3.— | 2.— |
| **Totsche:** De Paĝo al Paĝo — — — — | 0.80 | 0.60 |
| **Kalocsay:** Dekdu poetoj — — — — simpla | 0.84 | 0.50 |
| luksa | 1.— | 0.60 |
| **Totsche—Karinthy:** Vojaĝo en Faremidon — | | 0.24 |
| **St. Engholm:** Homoj sur la Tero — — — | 1.— | 0.72 |
| **St. Engholm:** Infanoj en Torento — — — | 0.60 | 0.40 |
| **Hans Weinhengst:** Tur Strato 4 — — — — | 1.— | 0.72 |
| **E. Aisberg:** Fine mi komprenas la radion — | 1.20 | 0.92 |
| **K. R. C. Sturmer:** El la Notlibro de Praktika Esperantisto — — — — — — — — | 0.70 | 0.50 |
| **Kikuĉi—Simomura:** Amo de Toojuuroo — — | | 0.24 |
| **T. Herzl—B. Selzer:** La Juda Ŝtato — — — | 0.84 | 0.60 |
| **Slonimsky—Grenkamp:** Mia vojaĝo en Sovetio | 0.72 | 0.50 |
| **Jelušić—Rotkvić:** Cezaro — — — — | 2.05 | 1.80 |
| **Adamson:** Auli — — — — — — — — | 0.56 | 0.34 |
| **Kamaryt—Ginz:** Ĉeĥoslovaka Antologio — — | 2.60 | 2.30 |
| **E. Privat:** Interpopola Konduto — — simpla | 0.86 | 0.60 |
| luksa | 1.20 | |
| **Jerome—Badash:** Tri Homoj en Boato, simpla | 1.20 | 0.92 |
| luksa | 1.50 | |
| **Munthe—Welminsky:** Romano de San Michele | 2.12 | 1.80 |
| luksa | 2.40 | |
| **I. Lejzerowicz:** El la Verda Biblio — — — | 0.50 | 0.30 |
| **E. Wiesenfeld:** Verkaro de FeZ (Dr. Feliks Zamenhof) — — — — — — — simpla | 1.60 | 1.32 |
| luksa | 2.15 | |
| **Biernaczki—Medrkiewicz:** La Verko de Chopin | | 0.20 |
| **L. E. Thomson:** Multe pli la Amo — — — | | 0.18 |
| **EMBA:** Maria kaj la Grupo — — simpla | 0.95 | 0.72 |
| luksa | 1.30 | |
| **E. Wüster:** Konturoj de la lingvonormigo en la tekniko — — — — — — — — | 0.85 | 0.60 |

La prezoj estas montrataj en usonaj dolaroj.

Aldonu 10% de sendkostoj.

**RABATO DE 20% AL LA MEMBROJ DE AELA EL LA SUPRAJ PREZOJ!**

La prezoj de la ankoraŭ neaperintaj libroj estos aparte anoncataj.

**Pagojn ni akceptas**
per monbiletoj, bankĉekoj, respondkuponoj, »money order« al Budapest aŭ al niaj reprezentantoj.

**Poŝtmandatojn sendatajn al Budapest ni rifuzas.**

### ABONPREZO DE LINGVO-LIBRO

por unu ekzemplero dum la jaro:

0.80 aŭstrajn ŝilingojn; 4.— belgajn frankojn; 8 penny; 9.— ĉeĥajn kronojn; 0.60 danan kronon; 0.60 estonan markon; 4.— francajn frankojn; 0.60 markon; 0.80 pengö; 4.— lirojn; 8.— dinarojn; 0.80 laton; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 0.40 guldenon; 0.60 norvegan kronon, 1.20 zloton; 4.— eskudojn; 25.— leojn; 0.60 svedan kronon; 0.20 USA-dolaron; 0.80 svisan frankon.

En nemenciitaj landoj 0.20 USA-dolaron aŭ egalvaloron.

**Tri ekzemplerojn ni sendas por la duoblo de la supraj sumoj.**

### ABONPREZO DE LITERATURA MONDO

por tuta jaro, la unua ekzemplero al la sama adreso:

12.50 aŭstrajn ŝilingojn; 65.— belgajn frankojn; 7.— anglajn ŝilingojn; 60.— ĉeĥajn kronojn; 7.— danajn kronojn; 7.— estonajn kronojn; 45.— francajn frankojn; 7.50 germanajn markojn; 10.— pengöjn; 40.— lirojn; 100.— dinarojn; 9.— latojn; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 4.50 guldenojn; 7.— kronojn norvegajn; 15.50 polajn zlotojn; 30.— eskudojn; 300.— leojn; 7.— svedajn kronojn; 9.— svisajn frankojn; 1.80 USA-dolarojn kaj

**ĉiun egalvaloron.**

Ĉiu plua ekzemplero al la sama adreso sendata kostas dolarojn 1.40 kaj borsan egalvaloron, sen ia plua favorprezo.

**Unu dolaro usona egalvaloras la 15-an de novembro 1936.**

5.30 aŭstrajn ŝilingojn; 29.40 belgajn frankojn; 4.— anglajn ŝilingojn; 29.— ĉeĥoslovakajn kronojn; 4.50 danajn kronojn; 3.80 estonajn kronojn, 21.50 francajn frankojn; 3.80 germanajn markojn; 5.— pengöjn; 20.— italajn lirojn; 47.— jugoslavajn dinarojn; 5.20 latojn; —.— yenojn (pro monopolo specialajn pagokondiĉojn donas Japana Esperanto Instituto); 7.60 lidojn litovajn; 1.90 nederlandan guldenon, (pagu nur al nia monopola deponejo en Nederlando: Nederlanda Esperanto Centro, Rotterdam, W. Schiedamscheweg 209 b.); 4.— norvegajn kronojn; 5.30 polajn zlotojn; 22.50 portugalajn eskudojn; 140.— rumanajn leojn; 4.— svedajn kronojn; 4.35 svisajn frankojn aŭ borsan egalvaloron en aliaj valutoj.

**Ŝanĝoj de la transkalkulo okazas samtempe kun la borsaj kurzoŝanĝoj.**

# Tra jarcentoj

— Dro Marek Wajsblum —

Meze de la X. jarcento, sur la scenejo de la eŭropa historio aperis nova popolo kaj nova ŝtato: Pollando. Dorse apogita al Karpatoj, rigardanta norden al Balta Maro, ĝi formis kvazaŭ intermaran kaj interlandan nodon inter la bizantia sud-oriento, radianta per sia rigida kulturmajesto kaj la nordokĉidento, forta en sia barbara unueco, memfida pri sia latinkultura batalilo. La mezlanda kaj mezslava situo longe ŝirmis la polan genton, permesante al ĝi vivi kiel senforta ŝtata organizo; nur kiam okcidente, sub la potenca germana puŝo, falis la lastaj ŝirmbaroj, vokis Pollandon senpera danĝero al ŝtata kaj historia ekzisto sub la regado de la fortika dinastio de Piastoj (ĝis 1370). Lukta kontakto kun la okcidento igis la unuan konatan reganton, dukon Mieszko (Mieczyslaw) I. transpreni pere de la jam kristanaj slavoj, ĉeĥoj, la kulturan batalilon de l' okcidento — la latinan katolikismon (963). Super la kapoj de la germanaj invadantoj aŭ ekspluatante iliajn kulturajn fortojn, Pollando senpere kontaktiĝis kaj por ĉiam ligis sin kun la okcidento.

Apenaŭ firmiginte sian sendependon per la fortikaj manoj de Boleslao la Granda (992—1025), Pollando elpaŝas kiel aktiva kulturfaktoro, elirpunkto de radiado de la okcidenta kulturo — norde al la idolana Pomeranio, sude al la grek-kristana Ruĝa Ruslando (regiono de la hodiaŭa Lwów), kiujn ĝi enkorpigas ŝtate kaj nacie; al la batalemaj, tuŝitaj de nenia ekstera influo prusoj kaj litovoj; al la ankoraŭ idolana Hungarujo kaj al la slava oriento, ke ĝi penetras profunde en la sferon de la bizantia kulturregado.

La socia vivo de Pollando sekvas la linion de l' okcidento kaj alportas la samajn efikojn kulturajn kaj politikajn, kvankam iom malfrue kaj en formo mildigita per la distanco kaj plijuneco de la pola ekonomia kaj kultura evoluo. La venko de la eklezio super la ŝtato en la fino de la XI jc., la kresko de la feŭda aristokratio kaj la dinastia dispartigo de Pollando (1138—1306) subfosas ties ŝtatan potencon. Nur dank' al similaj procesoj en okcidento kaj oriento, ĝi konservas sian sendependon, pagitan cetere per la politika perdo de la origine pola Silezio kaj de la kulture kaj nacie asimilitaj Pomeranio kaj Ruĝa Ruslando.

Kaj tamen, ĝuste tiuj jarcentoj formas Pollandon kulture: ĝuste en la tempo de politika dekadenco formiĝas la pola intelektularo kaj la pollatina literaturo. Polaj ekleziuloj studas en okcidentaj universitatoj kaj la fama kroniko de Marteno la Polo (dua duono de la XIII. jc.) fariĝas lernolibro de universala historio por tuta Eŭropo. En la fundo de praarbaroj kreskas monumentaj kreajoj de romana kaj gotika arĥitekturo. La promesplena, fruktodona pola tero altiras germanajn kaj valonajn koloniistojn — terkulturistojn, metiistojn, komercistojn. Rapide asimilas ilin la junforta nacio, sed samtempe ĝi asimilas novan terkulturon, okcidentajn jurkonceptojn kaj urban vivon kun monekonomio.

Same kiel en la X. jc., eksteraj batoj solidigas la polan nacion. La frapoj venas jam ne de la stabiliĝinta okcidenta limo, sed de sudoriento kaj nordo: la granda tatara invado (1241—1242), kiun per propraj korpoj haltigis la pola kavaliraro sur la sojlo de okcidenta Eŭropo, kaj la batalo por la aliro al la maro (vidu sube) — faktoj, kiuj por longe difinos la direkton de la posta pola ekspansio politika kaj kultura.

Superinte la lastan malhelpon — la duman ĉeĥan regadon (1300—1305), la lando unuiĝis en la energiaj manoj de Piastido Vladislao Lokietek[1]) (1306—1333); la homogenecon kaj fortikan bazon, ekonomian kaj kulturan, donis al ĝi lia filo, Kazimiro la Granda (1333—1370), granda ne pro sia agoj militaj, sed pro sia giganta paca konstruverko. Por firmigi la politikan situacion de Pollando, li formas potencan blokon pol-hungaran, lasante la kronon al sia nevo, Ludoviko la Granda el la dinastio Anjou (1370—1382), reĝo de Hungarujo kaj fondinto de ties potenco. La unio daŭris nur ĝis la morto de Ludoviko — lian heredajon dividis inter si liaj du filinoj, kaj Pollando refariĝis memstara regno sub la sceptro de Hedviga.

La lasta Piasto celis per tiu unio batalon por maro, batalon, kiun testamentis al li lia patro. Ĉar de post la fino de la XII. jc. Pollando ne nur estis detranĉita de l' maro pro la sendependiĝo de la pomeranaj gentoj, ne nur suferis invadojn de la batalemaj prusoj — la tutan sudorientan bordon de Balta Maro prenis en siajn avidajn manojn du potencaj kavalirordenoj germanaj forpelitaj el Palestino: norde, en la nuna Estonujo kaj Latvujo, sidiĝis la Glavkavaliroj, kaj sude, en la nuna orienta Prusujo kaj Pomeranio — la Kruckavaliroj, alvokitaj cetere de polaj dukoj kontraŭ la prusaj rabinvadoj (1225). Sub la preteksto de misiaj militoj, la unuaj, subjuginte la latvajn kaj estonajn gentojn, ekpremis la fingrojn sur la gorĝo de Litovujo, helpante al la duaj, kiuj, eksterminte la prusojn kaj sklaviginte la pomeranojn, sufokadis samtempe la idolanan Litovujon kaj la delonge kristanan Pollandon kaj minacis la jus reunuiĝintan ŝtaton per disbato.

La komuna danĝero alproksimigis la du popolojn malgraŭ ilia konkurado en ekspansio sur rusaj terenoj. Je la propono de la pola nobelaro, realiĝis inter ili unio, kaj la litova duko Vladislao Jagello, edziniginte Hedvigan, suriris la polan tronon, komencante la dinastion de Jagellonoj (1386—1572). La unuigitaj fortoj de la du ŝtatoj haltigas la ekspansion de l' Kruckavaliroj kaj rompas ilian potencon en la granda batalo apud Grünwald (15. VII. 1410).

La pol-litova unio, eble unika en sia speco, estis nek konkero, nek simpla dinastia unueco — ambaŭ nacioj (almenaŭ ties regantaj, politike kaj kulture decidantaj klasoj), restante memregaj kaj egalrajtaj, kuniĝas en socian kaj kulturan, nedisigeble asimilitan unuon. Firmigas ĝin la ambaŭflanka akto de unio en Horodlo 1413, kiu la ĝis nun senrajtajn litovajn »bojarojn« akceptigas en la komunumon de la pola libera nobelaro. Tiu unioideo, baziĝanta sur la plena egalrajteco kaj koopero de la unuiĝantoj, faras la pol-litovan ŝtaton centro de gravitado por la najbaraj landoj: por Ĉeĥujo dum la husanaj militoj[2]), por Hungarujo minacata de la turkoj (unio sub la sceptro de la malfeliĉa Vladislao III., 1434—1444) poste la regado de flanka branĉo de Jagellonoj en Hungarujo kaj Ĉeĥujo ĝis 1526. Kiam, meze de la XV. jc. eksplodas la lasta batalo por la aliro al la maro, la subuloj de la Kruckavaliroj, la germanaj koloniistoj anstataŭantaj la ekstermitajn prusojn kaj parte ankaŭ la pomeranojn, memvole unuiĝas kun Pollando — Pomeranio kiel aŭtonoma provinco, la haven-urbo Gdansk (Danzigo) kiel libera urbo. La komuna vivo, pli forte ol leĝoj, cementis la tripartan ŝtaton kaj fine la unio en Lublin (1569)

[1]) Lokietek — Ulneto; alnomo donata al li pro lia malgranda kresko.

[2]) Post morto de Johano Hus.

konfirmis tiun unuecon, formante komunan leĝdonan korpon por la tuta ŝtato.

La resto de ŝtato de la Kruckavaliroj vasaliĝis al Pollando kaj fine, sekulariĝinte dum religia reformo, formas la prusan Duklandon sub la hereda regado de ĝia lasta grandmajstro (1525) — la kernon de la estonta potenco de Hohenzollern-oj. Same, la Glavkavaliroj serĉas en Pollando apogon kontraŭ la kreskanta potenco de Moskvo kaj en 1551 ilia lando memvole unuiĝas kun la pol-litova ŝtato — parte kiel provinco, parte kiel vasala Kurlanda duklando (1551—1795).

Eĉ en Moskvo, kulture fremda al la latinkultura Pollando kaj politike malamika al ĝi, en ties superaj tavoloj naskiĝas en la XVI. jc. kaj daŭras ĝis la XVII. jc. aspiro al unio — al pli alta kulturo kaj pli kulturaj sociformoj.

Forta per tiu unio-ideo, la pol-litova ŝtato en bataloj kontraŭ Moskvo kaj la tataroj, etendiĝas de Balta al Nigra Maro (Ukrajno, hodiaŭa Rumanujo), apogante siajn konkerojn je Dniepro kaj supra Volgo. La ŝtato kreskas ekonomie. La aliro el la maro malfermas vastajn perspektivojn por terkulturo: Pollando fariĝas la plej granda eksportanto de greno kaj ligno kaj ĝis la mezo de la XVII. jc. — nutranto de tuta okcidenta Eŭropo. Kreskas la riĉo de la lando. Kreskas la urboj, internaciaj ekonomi-centroj: Lwów (Leopolo, Lemberg) regas trafikon inter la Proksima Oriento kej Nordokcidento; Kraków, la ĉefurbo, estas nodo de okcident-orienta komerco Eŭropa; Torun kaj Gdanska — elirpunktoj de pola eksporto. Riĉa, konscia pri siaj rajtoj, la nobelaro plene disvolvas la sistemon de civitanaj liberoj kaj starigas parlamentan reĝimon, multe antaŭante la okcidentan Eŭropon.

Kaj al tiu ekonomia kaj politika kresko respondas brila evoluo kultura. La politiko kaj ekonomio malfermis al la pola kulturo vastegan agadkampon sur terenoj aŭ duonbarbaraj aŭ fremdaj al la latina okcidento. Litovujo, Blankrusujo, Ukrajno soife sorbas kleron kaj vivnormojn el la pola kruĉo, ĝis ili poliĝos ĝisoste — almenaŭ en siaj superaj tavoloj. Kaj la kultura streĉo de Pollando ĝiskreskas tiujn bezonojn. La Krakova Universitato, fondajo de la granda paca reĝo Kazimiro (1364) fariĝas en la XV. jc. internacia kulturcentro kaj en la tempoj de la grandaj konciloj ĝi staras frunte de la tuta eklezia opozicio. La pola intelektularo, al kiu jam la hungara reĝo Ludoviko montris vojon al Italujo, amase migras al la promesita tero de artistoj kaj scienculoj, saturiĝante per humanistaj idealoj. El tiu fekunda grundo kreskas la belega figuro de Nikolao Kopernik (1473—1543) — la Kristoforo Kolumbo de moderna scienco.

Kaj en la XVI. jc. — la »ora jarcento« de la pola kulturo — sub la regado de la du lastaj Jagellonoj, Sigismundo I. la Maljuna (1506—1548) kaj Sigismundo II. Aŭgusto (1548—1572) tempesta ondo de eklezia religia reformo levas subite grandiozan tajdon de pollingva literaturo. Iniciatita de Nikolao Rej (1505—1569), ĝi atingas apogeon ĉe Johano Kochanowski (1530—1584), kies vivoplena, purstila arto ankoraŭ en la XVII. jc. inspiras poezian resonon en Germanujo, Ĉehujo kaj Moskvo. La plej noblaj elementoj de politika, socia kaj religia penso de l' pola humanismo trovas sian parolportanton en Stanislao Frycz Modrzewski (1503—1572), al kies saĝaj, pacoportaj ideoj revenos la germana intelektuaro en la sangaj tagoj de la tridekjara milito, kies verkojn tradukados sekrete eĉ hispanaj idealistoj. Nur en Pollando povis ellaboriĝi tia verko, ĉar, en la tempoj de la religiaj militoj, Polujo — lando de individuisma libero — formis kvazaŭ oazon de konscienclibero (konfirmita per la Varsovia konfedero 1573) kaj pacamâ pensmaniero (ekz. unio de tri protestantaj konfesioj en Sandomierz 1570, modelo por irenisma movado en Germanio en la XVII. kaj XVIII. jc.). Ne mirinde do ankaŭ, ke samtie trovis azilon la itala humanisma raciismo religia (Faŭsto Sozzini, 1539—1604), kiu en »arianisma« movado koncentriĝas ĉiujn liberpensajn spiritojn de Eŭropo. Ekzilite en 1658, la »arianoj« portis la ĝermojn de la raciismo en okcidentan Eŭropon, konstruante bazojn por la religia liberalismo de la XVIII. jc.

Sed tiu glora bildo havis siajn profundajn ombrojn. La terkultura direkto de la tuta pola ekonomio subpremis la komercan kaj industrian aktivecon — la vilaĝa nobelaro la urbanaron. Ne trovante tiun utilan ekvilibrilon, — precipe post la formorto de Jagellonoj kaj la stabiliĝo de la elekta reĝeco (1572) — la nobelaro plene disvolvis la sistemon de sia regado, dissolvante la ŝtaton en senkoheran federon de memregaj landoj kaj distriktoj sen forta centra plenumpovo. La bezonoj de la grenekspórto ŝarĝege falis sur la ŝultrojn de la kamparanoj, premante ilin en servutecon. La nobelaro, kvitinte kun la eklezio, forturniĝis de la reformo kaj la fortega refluo de katolikismo levis ondon de maltolero, kies plej glora standardoportanto estis jezuita predikisto, beata Petro Skarga (1536—1612), plej eminenta majstro de la pola prozo oratora.

Dume tamen, sub la gvido de la dua elektoreĝo, eminenta batalisto Stefano Batory (1575—1586) duko de Transilvanio kaj sub la unuaj du reĝoj de sveddevena dinastio de Vaza (Sigismundo III., 1586—1632, Vladislao IV., 1632—1648) oni sukcesis rebati la atakon de Moskvo, firmigi la limojn orientajn; eĉ, dum certa tempo, realigi la longe celatan union inter la du ŝtatoj, forigi kun granda fortostreĉo la turkan danĝeron kaj sukcese defendi la marbordon kontraŭ la balta ekspansio de l' svedoj. Sed jam la mezo de la sama jarcento alportas teruran krizon (regado de Johano Kazimiro Vaza, 1648—1668). Socia kaj religia premo eksplodigas teruran ribelon en Ukrajno (1648), kies granda parto transiras sub turkan, poste moskvan regadon. La organiza malforto venĝas sin per grandega malvenko de sveda kaj moskva »inundo« (1655—1660), forpuŝita nur per la streĉo de la lastaj fortoj.

Ĉi tiu streĉo cetere levas la fortojn de la nobelaro, kapabligante la ŝtaton al la plenumo de historidecida misio — al la defendo de Eŭropo kontraŭ la turka invado. Sub la gvido de sia heroa armeestro, posta reĝo (1674—1696), Johano III. Sobieski, Pollando ne nur repuŝas la atakon de la turka potenco (1672), sed frakasas ĝin meze de Eŭropo, savante la sieĝatan Vienon (1683).

Tiu triumfo de la pola sabro ree briligis Pollandon politike kaj kulture. Al Pollando levas sin la aspiroj kaj revoj de la premataj bulgaroj kaj serboj. Pollando fariĝas modelo de kultura vivo por la rumana popolo, kaj en la malproksima Moskvo, la pola lingvo, pola arto kaj pola moro regas absolute, kiel poste la franca kulturo en Eŭropo.

Baldaŭ estingiĝas tiu brilo, kaj Pollando, stagnanta kulture, mizeriĝanta ekonomie, dronas en mallumo sub la regado de du saksaj reĝoj (Aŭgusto II., 1696—1733; Aŭgusto III., 1733—1763) kaj perdante la politikan aktivecon, fariĝas nur batalejo de ĉiuj eŭropaj potencoj. Nur sub la regado de la lasta reĝo, la altkultura kaj inteligenta, sed malenergia kaj senkaraktera Stanislao Aŭgusto Poniatowski (1764—1795), venas ekonomia, kultura kaj politika renesanco. Profunda interna reformo de la ŝtato, celado al pli justa socia organizo, fine plena modernigo de eduko sub la gvido de la unua en Eŭropo

edukministrejo (Eduka Komisiono) — ĉio kronita per la Konstitucio de la 3. de Majo (1791), transformanta la nobelaran respublikon en modernan ŝtaton — ĉio ĉi pruvis la kapablon de la nacio al politika sendependo. Kaj por tiu sendependo kaj por la tuteco de la ŝtatteritorio batalis la nacio heroe en la Konfedero de Bar (1768—1772) kaj en la unua nacia leviĝo en 1794, sub la gvido de heroo de la usona batalo por sendependo, generalo Tadeo Kościuszko (1746—1817). Kaj batalis por ĝi ne nur la nobelaro — la nacia leviĝo de 1794. estas la unua popola leviĝo kun amasa partopreno de urbanaro, de kamparanoj, eĉ de judoj akirintaj polan nacian konsciôn. Sed estis jam tro malfrue — la tri najbaraj ŝtatoj — Rusujo, Aŭstrio kaj Prusujo — popece disŝiris Polujon ĝis ties plena neniigo (dispartigoj en 1772, 1791, 1795).

La ŝtato ĉesis ekzisti — vivis tamen la nacio, kiu neniam rezignis je politika estado. La tuta postdispartiĝa periodo (1795—1918) formas unu sangan ĉenon de bataloj por libereco. Komencas ilin en 1797, sub la gvido de gen. Henriko Dabrowski (1755—1818) la polaj legioj, en la servo de la triumfa franca revolucio kaj poste de Napoleono. La pola problemo fariĝas la nodo de la tuta Eŭropa politiko dum pli ol 120 jaroj. Ĝi devigas Napoleonon al parta rekonstruo de Pollando el la teroj okupitaj de prusoj kaj aŭstroj en formo de efemera Grandduklando Varsovia (1807—1813) kiel strategia kaj politika bazo en oriento. Ĝi ankaŭ devigas la Vienan kongreson (1814—1815) al kreo de aŭtonomia Pola Reĝolando el parto de la iama Napoleon-a kreajo (1815—1830) en dinastia unio kun Rusujo. Tiujn jarojn de relativa memrego la libera parto de l' lando uzis por modernigo de administro kaj justico laŭ francaj modeloj, por vasta disvolvo de industrio kaj komerco kaj por firm-



Vladislao Jarocki — Al preĝejo

iĝo de sia kultura renaskiĝo. Ĉi tiu progreso firmiĝis ankaŭ la situacion de la poloj en la prusa kaj aŭstra partoj de Pollando — la Poznan-a Grandduklando kaj Galicio — dotitaj per tre limigitaj rajtoj politikaj.

Sed la ekzisto de konstitucia ŝtato en la kadroj de la absolutisma Rusujo estis tro granda danĝero por la carismo, por ke ĝi daŭru longe. Daŭraj konfliktoj gvidis al eksplodo en 1830, kiam caro Nikolao I. per la manoj de la pola armeo volis sufoki la nacian leviĝon de la belgoj. La dua pola nacia leviĝo (1830—1831) savis Belgujon, sed al la poloj ĝi alportis novan malvenkon — la memrega Pola Reĝolando ĉesis ekzisti kaj fariĝis provinco de la cara imperio.

Tiu malvenko dissemis tra la tuta Eŭropo la eliton de la pola intelektularo. La sopiro al la patrujo, la idea flamo de la Granda Elmigro formis la grandan romantikan trion — Adamo Mickiewicz (1798—1855), vibranta per ĉiuj ideofluoj de Eŭropo, Julio Slowacki (1809—1849), perliganta la maldolĉon de la ekzilo en la bajronaj versoj de sia poezio kaj la profundpensa Sigismundo Krasinski (1811—1859). La sopiro al la patrujo levis la muzikon de Frederiko Chopin (1809—1849) sur la suprojn de l' idealo.

Kaj la sopiro al la patrujo igis la elmigrantaron perage respondadi je ĉiu aspiro al socia justo, al nacia sendependo — dum 40 jaroj la polo fariĝas migranta kavaliro de libereco. Kiam venas la jaroj de la Printempo de Popoloj, respondas je ĝiaj devizoj ne nur la aŭstria kaj prusa parto de Pollando (1846, 1848) — sur ĉiuj kampoj kaj sur ĉiuj barikadoj de Eŭropo batalas polaj elmigrintoj, soldatoj kaj armeestroj — en Germanujo (gen. Ludoviko Mieroslawski, ĉefo de revolucia okcidenta armeo), en Hungarujo (gen. Josefo Bem kaj Henriko Dembinski), en Italujo kaj Rumanujo. Kaj tiel plu — en Serbujo, Grekujo, Ameriko — ĝis la Pariza Komuno (gen. Jaroslaw Dabrowski).

Ankoraŭfoje en 1863—1864 la poloj kaptas armilojn kontraŭ la carismo, sed la heroa partizana lukto de la senarmaj grupetoj de junularo finiĝis per mortstertoro de batalkampoj, knaro de pendigiloj kaj ĝemspiroj de Siberia ekzilo.

Ne formortis tamen la nacio. En la prusa parto de Pollando, responde al ekstermaj kaj elnaciigaj atakoj de ŝovinismo, ĝi solidiĝas sur bazo ekonomia. En la rusa parto — kune kun la rapida kresko industria, sur la batalkampon elpaŝas nova forto: la juna pola klaso laborista, kiu en siajn manojn transprenas la verkon de revolucia batalo pro libero. En la aŭstria parto, Galicio, kiu akiris certan aŭtonomion kaj kulturajn liberojn (1867), formiĝas centro de pola kulturo.

Kaj kiam, eĥe al la rusa revolucio en 1905, leviĝis la amasoj en la rusa parto de Pollando, reviviĝis ankaŭ la ideo de perarmila batalo por sendependo. La revolucio falis, sed ne falis kun ĝi la ideo — ĝi trovis sian realiganton en la persono de Josefo Pilsudski (1859—1935). Kun fera energio de idea persisto, meze de gardantaj bajonetoj de caraj armeoj, li koncentrigas ĉiujn batalelementojn, kreante fortajn kadrojn de estonta pola armeo, armeo destinita ĵeti la polan armilon sur la pezilteleroјn de la sorto de l' antaŭvidata de li tuteŭropa milito. Ĝia armilo estis direktota kontraŭ la plej forta el la malamikoj de Pollando — kontraŭ la carismo. La 6. VIII. 1914, ankoraŭ antaŭ la oficiala militdeklaro, liaj »Pafistoj« (poste Polaj Legioj) transpaŝis la limon de la rusa imperio. De tiu momento estis jam neeble forviŝi la problemon de la sendependo de Pollando el la tagordo de Eŭropo. Tiu momento devigis Germanujon kaj Aŭstrion proklami la sendependon de Pollando (1916), tiu momento devigis ankaŭ la jam revolucian Rusujon al la agnosko de la rajtoj de la pola nacio (1917), kiujn, je la pledo de Woodrow Wilson, konfirmis deklaro de ĉiuj Entente-ŝtatoj (1918). Liberaj de cara ŝarĝo, la poloj turnis sin kontraŭ la aliaj okupantoj, ĝis fine, la 11. XI. 1918, Josefo Pilsudski, malliberigita dumtempe, revenis Varsovion por preni en siajn manojn la sortojn de la liberiĝinta lando.

La cetero apartenas jam ne al historio, sed al la nuntempo, nuntempo vivanta en Pollando, kiun la legantoj de ĉi tiu skizo estas mem rigardontaj.

*Dr. Marek Wajsblum.*

## Al Marila

— Adam Mickiewicz —

»For de l' okuloj!« — mi baldaŭ obeos...
»For el la koro!« — obeos vin koro...
»For el memoro!« — ne! ... ordonon neos
Kaj surda estos je ĝi la memoro!

Ĉar kvazaŭ ombro, ju pli sun' subiras,
Des pli funebron longan teren metas,
Simile mi, de vi ju pli foriras,
Des pli al vi funebran krepon ĵetas!

En ĉiu temp', en ĉiu loko, kie
Ni kune ludis aŭ plorante pasis,
Kun vi mi estos por ĉiam kaj ĉie,
Ĉar ĉie mi animan eron lasis.

Se, meditante en ĉambro soleca,
Sur harpon metos vi lacan maneton,
Vi tuj memoros: »En sama hor' deca
Al li mi kantis la saman kanteton«.

Aŭ ŝakludante, se reĝon malicoj
Minacos frue per la mano gasta,
Vi tuj memoros: »Tiel staris vicoj,
Kiam finiĝis nia ludo lasta«.

Aŭ dum la balo, ripozanta, antaŭ
Ol muzikisto dancon redecidis, —
Ĉe l' forn' vidante la seĝon vakanta,
Vi pensos tuj: »Kun li mi tie sidis«.

Preninte libron, en kiu esperojn
De par' amanta disŝiras perforto, —
Vi ĝin forĵetos, priploros suferojn
Kaj vi ekpensos: »Ho ve! — jen nia sorto!«

Sed se l' aŭtoro, post prov' komplikita,
En fin' kunigis geamantojn flame,
Vi lum-estingos kun sopir' subita:
»Kial am' nia finiĝis malsame?!«

Tuj nokta fulmo flagros; kuros bruo
De l' arbo seka en ĝardeno via;
Fenestran vitron ekfrapos noktuo...
Kaj vi ekpensos: »Jen — spirito lia!«

Tiel en hor' kaj loko ĉia, kie
Ni kune ploris, aŭ ludante pasis,
Kun vi mi estos por ĉiam kaj ĉie,
Ĉar ĉie mi animan eron lasis!...

El la pola: *Leo Belmont.*

# ARBARAJ EĤOJ

— Stefan Zeromski —

Sinjoro generalo Rozlucki solene sidis sur kunmetebla seĝo. Tiu ĉi seĝo (transportebla propraĵo de geometro Knopf) estis lokita en mezo de tapiŝo, forprenita el super la lito de mia patrino. En alia flanko de fajrujo, sur trunko zorgeme kovrita per plejdo, en longa gummantelo, kvazaŭ en movebla tendo, kurbis kaj malrektigis la buŝon la supre citita geometro Knopf. Apud li en hirtitaj branĉoj de la radikstumpo, alportita de ĉasisto, sidis en maloportuna pozicio la subarbaristo Gunkiewicz, tenante zorgeme glaseton da arako kun du kuleretoj da teo, enverŝitaj en ĝin por ŝajnigo. Sur brunruĝa surtuto sidis apud li la komunuma skribisto Olszakowski kaj la maljuna vilaĝestro Gala kun kupra ordeno pro »kvietigo de pola ribelo«. Mia patro, kutimiĝinta al arbaro pro ofta ĉasado, duonkuŝis sur la tero, kaj la subskribinto ĵus ricevinta promocion el la dua klaso al la tria, estis ĉie, kie oni tute ne supozis lin renkonti.

La eksigita generalo Rozlucki, rajtigito de unu el la plej riĉaj terposedantoj, alvenis ĵus al la terbieneto, farmata ekde longaj jaroj de mia patro, por kompensi per granda parto el ŝtataj arbaroj la grundon, forprenitan laŭ la ordono de novaj administraj ukazoj. La detranĉo de la arbara triangulo estis jam preskaŭ finita. La geometro Knopf, kiu de unu semajno »gastis« en nia hejmo kaj estis vera turmento por ni ĉiuj, signis finfine la »linion«, kaj la dungitaj lignohakistoj jam de longe hakadis en la maljuna, malhela arbaro. La rajtigito, kiu same gastis jam de tri tagoj en la terbieneto, intencis kiel eble plej baldaŭ redoni, en la ĉeesto de lokaj aŭtoritatuloj, la aljuĝitan arbaron. Du partioj de vilaĝanoj, alproksimiĝantaj el la du kontraŭaj flankoj, hakis la arbojn. Oni opiniis, ke oni sukcesos aranĝi la tutan aferon antaŭ la sunsubiro. Dume fariĝis malhela nokto, kaj la arbarlinio ankoraŭ ne estis eltranĉita. La generalo definitive decidis forveturi la morgaŭan matenon. Ankaŭ la oficistoj deziris fini la laboron. Oni konsentis labori nokte, eĉ ĝis mateno.

Apud la arbaro oni pretigis fajrujon. El la biendomo, troviĝanta en distanco de du verstoj, oni alportis vespermanĝon — kaj tiel, amuziĝante diversmaniere, ni atendis la fortranĉon de kelkdekoj da restintaj abioj.

Ĉiuj estis en sufiĉe bona humoro. La bonkora Gunkiewicz, kun barbo nigrigita per malkara nigraĵo, eltrinkis jam preskaŭ naŭ glasojn da teo kun arako, timante ĉiam, kiam mi donis al li novan glason, ĉu ne estos tro multe, ĉar »ŝajne estas jam la tria...« Mi pruvadis al li kun la firmeco de persono ĵus akirinta grandan lertecon en aritmetiko, ke »absolute ne« — do li subiĝis humile al miaj klarigoj kaj akceptadis novan porcion da arako. La komunuma skribisto. Olszakowski, konanto de diversaj homaj aferoj, kaj precipe de distriktkomunumaj rimedoj, kiamaniere oni povas fulmrapide riĉiĝi (pro kio li eĉ sidis jam en la arestejo en Kielce), senduba geniulo, kiu povus plensukcese okupi postenon de ministro por eksterlandaj aŭ por internaj aferoj, aŭ eble eĉ ambaŭ postenojn, senhonta koruptulo, trompanto de vilaĝanoj, trouzanto de judoj, plej lerta evitanto de leĝoj — trinkis nemulte pro ĉeesto de la generalo kaj preferis manĝi. Guste pro tio, ke li ignoris la generalon, li ne ŝparis sian bonan humoron por la ĉeestantoj. La vilaĝestro Gala manĝis kaj ŝtelglutis ĉion, kion oni donis al li, trinkis sen abomeno, kaj gaje grumblis. Evidente estis, ke li tre volonte okupiĝas pri tiu ĉi ŝtata ofico en la arbaro kaj estas kontenta pri la hodiaŭa laboro. Eĉ Knopf, havanta konstante stomak- kaj intestkataron, neŭrasteniulo, manĝanta nur certajn manĝaĵojn, facile digesteblajn, ne acidajn, sekajn, kaj ĝuste tiujn, kiujn en la montoj Swietokrzyskie neniu manĝis, nek vidis, nek eĉ konis laŭnome, — enuiganto, ne dormanta nokte, ne toleranta kanton de kokoj, bojadon de hundoj, kriojn de meleagroj kaj anseroj, kaj eĉ klukon de kokinoj, — vera egipta plago por homoj sanaj, fortaj, mastrumantaj en la loko, kie oni ŝatis hundojn, kie korthundoj, ĉashundoj, perdrikhundoj kaj melhundoj kaj ĝenerale »hundetoj« diversaĝaj kaj diversspecaj ne nur bojis kaj hurlis la tutan nokton, sed ankaŭ kuŝis sur kanapoj kaj seĝoj, — kie kokoj kantis senĉese, kaj kiam ili ne kantis, oni ilin tuj buĉadis, — eĉ Knopf, mi diras, estis tiutage en sufiĉe bona humoro. Li rakontis al la ĉeestantaro ian acide-spritan anekdoton pri sia mezurista tripiedo, kiun li — laŭ opinio de maliculoj — vestis en siajn proprajn galoŝojn, pantalonojn, jakon kaj ĉapelon kontraŭ la pluvo... La spritpunkton de la anekdoto rompis la subarbaristo Gunkiewicz per antaŭtempa ridekspldo ĝuste ĉe tiu frazo, en kiu estis nenio ridinda. Malgraŭ tio Knopf ridetis, kio estis vera mirakło, ĉar oni ne vidis tion dum kelkaj jaroj en la tri gubernioj.

La generalo, kvankam iom maljuna, tamen ne malbone konservita, sin tenis laŭ sia oficiala digno. La skribiston kaj vilaĝestron li ŝajnis preskaŭ ne rimarki dum tiu ĉi improvizita vespermanĝo, tamen li toleris senproteste ilian ĉeeston kaj havis nenion kontraŭ tio, ke ili kun apetito formanĝu kokidojn, malvarman rostaĵon, ke ili trinku brandon kaj bieron, kaj »varmiĝu« per teo kun arako. De tempo al tempo li honoris Gunkiewicz-on per kelkaj vortoj; kun Knopf — li interparolis. Li mem manĝis malrapide kaj poste trinkis teon. La generalo estis polo kaj parolis ĉiam kun speciala spito pole, eĉ en oficejoj. En lia parolmaniero oni sentis ian vervon kaj rusan akcenton, sed tiu ĉi akcento estis iel konvena al lia impona figuro, al dika

---

## Karesulino mia*

*(Pieszczoszka moja)*

— Adam Mickiewicz —

Se l' belulino, mia gajhumoro,
Komencas kveri, trili kaj babili,
Ŝi tiel kveras, babilas fervore,
Ke mi ektimas sorĉon malutili,
Ne povas vorton enmiksi, ŝin laŭdi,
Kaj volas sole aŭdi, aŭdi, aŭdi.

Sed se la vangoj pro babil-torentoj
Ruĝiĝos forte, kaj subit-intime
Tra l' buŝ-koraloj brilos perloj-dentoj, —
Mi en okulojn rigardas sentime,
Ne volas plu en la aŭdad' vagadi,
Sed nur kisadi, kisadi, kisadi!

El la pola: *Leo Belmont.*

*) Muzikon komponis i. a.: Moniuszko, Chopin, Padorewski, Zelenski, Niewiadomski, Rymskij-Korsakow, Glinka, Cezar Cui, Scandenberg k. a.

## ANTAŬPAROLO AL „ANTAŬTAGIĜO"

— ZYGMUNT KRASINSKI —

El ter' de miaj patroj forpelita
De l' malamik', mi estis devigita
Treti de fremdaj homoj kampojn, aŭdi
El malproksimo hurlon de satanoj,
Kiuj kuraĝis sin fiere laŭdi,
Ke landon mian per kruelaj manoj
Ili katenis; kaj tiel, vivante,
Mi tra Infero paŝis — kvazaŭ Dante!

Komence fidis mi, ke l' Di' ĉiela
Por fieruloj estas pli fiera,
Sed al fidelaj — kompata, fidela!
Komence fidis mi, ke Li, kolera,
Jam ne atendos plu la tagojn vantajn,
Sed sendos teren Anĝelojn-Venĝantojn,
Ke krevos tombo, premita per mano —
En mez' de l' mondo — de granda tirano!

Sed fluis tagoj kaj forfluis jaroj...
Vane batalis brilo; kun aplombo
De l' blinda nokto kontraŭstaris baroj;
Sun' ne eklumis super Sankta Tombo,
Venkadis daŭre senhontaj barbaroj,
Sur tero estis ĉiam pli malnoble!...

Tial animo doloris duoble,
Kaj en abismon de l' dubeco falas,
Kie mirakloj de kuraĝ' putriĝas,
Kie centjaraj venkoj ruiniĝas —
Kaj nokt' eterna lumeron vualas,
Kaj post glortagoj elektitaj restas
Surskrib': »*Ĉi tie espero malestas!*«

En ĉi abismo jarlonge vivante,
Mi al senlima jam cedis perforto...
Mort' por mi estos nur la dua morto,
Mi tra infero paŝis — kvazaŭ Dante...
Sed al mi ankaŭ kuris helpo-riĉe
In' nobla, kiu nigrajn fortojn sklavis;
Anĝel' min ankaŭ el abismo savis...
Mi ankaŭ havis mian Beatriĉe!...

Egale bela!... super mond' malhela
Vi ne forflugis por la ĝuo vana,
Por ke Vi sidu en Ĉiel' — ĉiela!
Egale bela, sed Vi pli kristana!
Kie larmfluo kreskas senradia,
Sur ter' Vi restis kun la frato Via!
Samaj krondornoj pikis fruntojn niajn,
Miaj manplatoj sangigis la Viajn,
Saman venenon ni trinkis sufiĉe
El font' infera, mia Beatriĉe!

Tamen ĝem' mia kaj Viaj sopiroj
En miks' okazis sonkantaj inspiroj;
De du ĉagrenoj fianĉa dediĉo
Naskis solvoĉon — ĝi sonas: feliĉo!
Feliĉ' de l' kredo kaj fort' de l' espero
Revenas koron dank' al Via vero!
Tiel du nuboj nigraj, larmoplenaj,
Renkontiĝante en supra aero,
El ploro naskas lumon — lumfantomo
Trakuras spacon kun tondroj solenaj...
Nebul' fariĝas ora Dia domo!

Fratin'! ekkantos mi je Via nomo!
Estu eterne kun mi kunligita
Per ring' de sentoj memore-komunaj!
Ni ambaŭ mortos post tagoj sensunaj,
Sed kant' senmorta kaj al tomboj spita
Revenos iam al ni, par' fidela,
Dormantojn gardi laŭ ordon' Anĝela.
Kaj eble venos moment' promesita —
Temp' de l' animoj — ne korpoj en spaco —
Ke ni ekstaros el tombara paco,
Per kant' ĉi tiu ambaŭ religitaj,
Kaj reviviĝos en homaj memoroj,
Kiel animo kun anim' — savitaj,
Ambaŭ lumpuraj kaj sanktaj en koroj!

El la pola: *Leo Belmont*

*) Unu el la plej belaj poemoj, en kiu la poeto revivigas spiritojn de l' mortintaj polaj herooj kaj antaŭdiras la revivigon de Pollando.

---

jako strange kudrita, al ronda ĉapo kun ruĝa randostrio kaj treege granda ĉapŝirmilo, al drapaj gamaŝoj kaj al grizaj suprentorditaj lipharoj.

La fajro flamegis, plifortigita de la ĉasisto. Seka junipero brulis gajkrake. El la arbaro aŭdiĝis bruego de hakiloj. Tiu ĉi bruego eĥe resonis en la arbaroj, en la grandegaj abiaj arbaregoj de la montoj Swietokrzyskie, arbaregoj humidaj, dormemaj, silentaj. La resonoj de hakilbatoj iris de monto al monto, de unu sovaĝa arbaro al la alia, iris al nigra malproksimo, tra nokto, tra nebulo. La voĉoj, forpelitaj malproksimen, tremis ie en la mondo kaj tie reeĥis. Timigitaj, senmovaj, ili revenadis el la malproksimo, el marĉoj, kie iras neniu, kie »lo timigas«. De tempo al tempo disaŭdiĝis inter hakilfrapadoj terura krako de falantaj arboj, bruo de falantaj branĉoj kaj potenca, obtuza tondro de falanta grandega trunko. Eĥo forkaptis tiun ĉi voĉon por porti al malhela malproksimo la sciigon pri tiu ĉi kruela sortobato... La tuta arbaro rompiĝis, krakis, brue protestis per ĉiuj arboj kontraŭ tio, kio okazis, kaj ĵetis vean voĉon el la malhelo...

El post la arbaro elnaĝis grandega, ruĝa luno kaj iris malrapide inter mallumaj nuboj. La tuta societo, ariĝinta ĉe la fajro, silentiĝis. Malvarmo ekblovis. Mia ĉevalo (griza biendoma ĉevalaĉo, ĝisoste malgrasa duonveteranino, al kiu mi, reveninte hejmen por libertempo, fortranĉis la voston kaj kolharojn; kiun mi turmentis per selrimenoj de malnova selo kaj devigis al plenaj galopoj) staris apud la fajrujo. Oni vidis ĝiajn kapon, antaŭajn skapolojn, hufojn, kaj antaŭ ĉio la okulojn, kiuj profundmaniere ŝajnis pensi pri la fajro brulanta kaj pri ni, ariĝintaj tie...

La generalo jam delonge starigis la glason sur la pleton kaj sidis rekta, kun elegante krucmetitaj piedoj kaj kun fierpoza brusto. Iatempe li ĉirkaŭrigardis la arbaron. Li aŭskultis, kiel ludas la eĥoj, poste li stariĝis denove la kapon en la antaŭan pozon.

Li demandis, turnante sin al Gunkiewicz:

— Sinjoro subarbaristo, ĉu estas malproksime de ĉi tie ĝis Suchedniów?

Gunkiewicz starigis la glason kaj kun deca kliniĝo de la kalva kapo deklaris, ke ĝi ne estas pli malproksime ol 10 verstojn.

— Kaj ĉu vi konas tie ĉiujn vojojn?

Gunkiewicz ekridetis, kaj en lia ekrido estis iom da fiero aŭ iom da kompato. Li ne trovis vorton konvenan por esprimi sian konon pri la tieaj vojoj: — de pli ol 20 jaroj li estas ja subarbaristo.



Wojciech Weiss *Modistinoj*

— Jes... — murmuretis la generalo enpense. — Kaj ĉu vi konas tiun vojon: de Zagnansk al Wzdól? Tie, ĉe tiu ĉi vojo, estis en la arbaro simpla gastejo...

— Zagozdzie — komprenebla! Ĝi staras tie.

— Unu vojo, plena de radikoj, kondukis de tie al Suchedniów, la alia pli oportuna gvidis al Wzdół, al Bodzentyn.

— Jes, sinjoro generalo.

— Do vi diras, ke la gastejo staras ankoraŭ?

— Staras. Ĝi estas la ĉefa ŝtelista azilo. La ĉevalŝtelistoj el tuta Pollando kunvenas tie.

— Antaŭ tiu ĉi gastejo, post la vojo, sur la alia flanko estis sabla monteto. Ĝi estis granda, flava... Sur tiu ĉi monteto kreskis kelkaj betuloj...

— Vi bonege memoras, sinjoro generalo! Estis tie iam betuloj, sed restis el ili nur unusola. La gastejmajstro, fripono, eltranĉis ilin. Restis nur tial unu betulo, ĉar je ĝi estas apogita kruco, kaj tiun li, la kanajlo, ne kuraĝis tuŝi.

— Kruco? Ĉu kruco staras tie? — vigle demandis Rozlucki.

— Jes, tie staras kruco... en la sama loko...

— Kiakaŭze en tiu ĉi loko estas la kruco?

— Tute simple, sinjoro generalo... La homoj starigis ĝin, la preterpasantoj demetas la ĉapelojn — kaj jen tiamaniere ĝi staras... Ĝia malsupra parto jam putriĝis kaj oni subtenis ĝin per du kojnoj.

— Kiu starigis ĝin? — demandis insiste la generalo.

— Verdire... — murmuris mallaŭte Gunkiewicz, ridetante malkuraĝe, — verdire, estas mi, kiu starigis tiun ĉi krucon... Ni havas ĉi tie multe da arboj. Oni prenis abion sanan, fortan, altan. Ĉarpentis ĝin la ĉarpentisto, kaj eĉ mia nuna vilaĝestro...

— Nu, ne valoras paroli pri tio... — respondis malkontente la vilaĝestro Gala.

— Oni enigis la arbon en tiun ĉi sablon, profunde, profunde.

— Kaj kial ĝuste en tiu loko?

— Tial, sinjoro generalo, ke tie kuŝas homo enterigita, tie, en tiu sabla monteto.

— Homo enterigita... — ripetis la generalo. — Kaj eble vi konis tiun ĉi homon?

— Ho, jes, mi konis lin, ĉar en tia arbara mastrumado, kiel la mia, estis neeble ne koni lin... Ĉirkaŭe arbaroj kaj arbaroj. Kiu eniris en tiujn arbarojn, tiu jam nepre vizitis mian hejmon kaj eĉ ripozis en mia lito.

La generalo mallevis la kapon kaj sufiĉe longan tempon restis silenta. Fine li eligis el la flanka poŝo arĝentan cigaredujon kaj malfermis ĝin per tremantaj fingroj.

— Ĉu vi scias, — li diris kun malvarma rido, — ke la homo, enterigita tie, estas mia nevo...

Le geometro Knopf, kiu ĝis nun sidis senmove, atente rigardante la fajron, ĵetis sur la generalon subitan rigardon:

— Rimvid? — li ekkriis.

La generalo sin turnis al li:

— Ĝuste li... Rimvid... Do ankaŭ vi scias ion pri li...

Knopf kurbigis la lipojn, kvazaŭ antaŭ momento li estus trinkinta puran citronan sukon, faris per la malgrasa mano kelkajn gestojn en diversaj direktoj kaj nerve palpebrumis. Fine, ridetante hipokrite, li diris:

— Nu, jes... Rimvid... Komprenebla...

— Rimvid! — ripetis la generalo furioze kaj moke. — Li, leŭtenanto de mia regimento — Rimvid! »Kapitano«! Nu, li spertis la efikon de sia facilanimeco...

— Do li estas via nevo... — timeme flustris Gunkiewicz, rigardante la generalon per larĝe malfermitaj okuloj.

— Jes, li estis Johano, la dua filo de mia frato — parolis penseme la generalo. Mia frato en la sebastopola milito[1]) apud Malahovi Kurhan[2]) glorplene pereis. Generalo — majoro, homo el la tempoj de Nikolao.[3]) Por la hungara militiro li estis premiita per rangoj, ordenoj kaj terbieno en gubernio Penzen. Mortante sur batalkampo, li lasis al mi siajn du filojn. Mi donis al li mian fratecan kaj soldatan vorton, ke mi edukos konvene ilin, enkondukos en la mondon. Nu, mi tenis mian vorton. Mi tenis... La pli aĝa, Petro, needziĝinta, militservis en Kaŭkazo kaj mortis tie pro ĥolero, li havis rangon de stabkapitano. La pli juna, Johano, militservis en mia regimento, tuj post kiam li finis korpus-lernejon. Li edziĝis juna kun polino, fraŭlino Plazianka, havis malgrandan fileton, kaj tiam ĝuste venis tiu ĉi malnobla ribelo. Venis tiu ĉi malnobla ribelo, miaj sinjoroj, kaj oni sendis mian regimenton... Mi estis tiam en rango de subkolonelo. Ni iris en ĉirkaŭaĵojn de Opoczyn...

La generalo profunde enpensiĝis. Knopf akurate rulfaris por si cigaredon, enŝovis ĝin en la cigaringon kaj serĉis diligente karberon por bruligi la cigaredon.

[1]) Sieĝo de Sevastopol okazis dum la Krimea milito (1853—1856).

[2]) La nomo: Kurnan — signifas: tombo-monteto.

[3]) Tempoj de la rusa caro Nikolao I. (1825—1855), periodo de severa disciplino.

La generalo atendis, ŝajne tiun momenton, kiam li komencos fumi, kaj poste li rakontis plu:

— Nu, jes. Tiu ĉi mia nevo estis perfidulo. Apenaŭ ni lokiĝis en tendaro, iun nokton li forkuris al la bando. Matene raportis al mi kapitano Sĉukin, ke Johano estas for. En la domo, kie ni haltis, en Sielpi oni trovis sur la tablo karteton, adresitan al mi, kiel al la estro de tri batalionoj, ke »fidela al la devo de sia patrujo, li...« — kaj similaj malsaĝaĵoj. Ankaŭ min, sian estron kaj onklon, li alvokis makuli la oficiran honoron, rompi la ĵuron kaj postkuri lin por aliĝi al la sama bando. Jen, kio okazis, miaj sinjoroj.

Knopf fumis atente kaj malrapide sian cigaredon. Li eligis perfektajn fumringojn kaj observis ilin. Gunkiewicz jam ne plu volis trinki teon. Li sidis konsternita, rigardante la parolanton, kiel ĉielarkon...

— Min atingis la sciigoj, — daŭrigis la generalo, — ke nia forkurinto estas stabĉefo de unu el la bandoj. Nu. bone... Tial li, — diras al mi la kapitano Sĉukin, rotestro, ĉe kiu estis servinta mia nevo, — tial li forkuris. Militservo estas ĝenerale malfacila, maldankema, kaj en la bandoj ĝi estas multe pli facila. Tie nia forkurinto estus sen granda peno kaj laboro kapitano... Oni diras, ke akiri en tiu ĉi pola armeo altan rangon tute ne estas malfacile.

Knopf finfumis sian cigaredon kaj priridis la spritaĵon de la kapitano Sĉukin. La generalo daŭrigis:

— Ni ĉiam postsekvis jen unu, jen alian bandon. Apenaŭ ni eliras el la arbaroj ĉirkaŭ Suchedniów, ili forkuras profunden, direktante sin al Bodzentyn. Ni revenas, do ili postsekvas nin. Precipe unu el iliaj estroj, kolonelo aŭ kapitano, nomata »Walter«, plej multe mistifikadis nin. Li farigis nokte grandajn fajrojn, ŝajnigante ke tie estas tendaro, kaj li mem malproksimiĝadis de tiu ĉi loko, tranoktante tute sen fajroj. Ni ĉirkaŭiras tiujn malproksimajn fajrojn, atakas dumnokte kaj trovas — neniun. Dume, pro la farita bruo, li aliras, kiel rabisto, pafas al niaj soldatoj ĉe brilo de la fajroj kaj forkuras en la arbaron. Li havis siajn fidelajn vilaĝanojn, kiuj kondukadis nin nokte al tiuj ĉi falsaj tendaroj.

La skribisto ekrigardis la vilaĝestron Gala kaj ekridetis per ia stranga rido. La vilaĝestro sidis rektigita, kun okuloj fiksitaj al la generalo.

— Tiel estis multfoje en la ĉirkaŭaĵoj de Samsonów.

— Apud Gozd... — aldonis Gunkiewicz.

— Jes, ankaŭ apud Gozd...

— Apud Klonówe... — flustris Knopf.

— Sed finiĝis tiu ĉi amuzado, — diris la generalo. — Unu-, du-, trifoje tio sekcesas, sed ne ĉiam. Okazis, ke mi, kiel rotestro, iris kun kelkaj rotoj laŭ tiu vojo, kiu kondukas al la gastejo — de Zagnansk al Wzdól. Mi tranoktis en ĝi kaj kapitanon Sĉukin mi sendis serĉi tiun ĉi »Walteron«. Militi li, kanajlo, ne iras, li kuŝas dum tutaj semajnoj en marĉoj apud Klonów, en Bukowa monto, — ni devas lin serĉi. Apenaŭ mi ekdormis tiun nokton, vekas min adjutanto, juna homo: densaj pafoj en arbaroj. Mi konsciiĝis. La arbaro efektive bruas... Ho, tiel, kiel nun. Doloras la koro. Mi sendis al Sĉukin la duan helpan roton. Proksimume post du horoj ili revenis. Iu kamparano kondukis ilin al la tendaro, al la efektiva tendaro. Kiam oni ĉirkaŭis ilin kaj atakis per bajonetoj, la plimulto forkuris en la arbaron, multe da ili pereis surloke. Sĉukin alkondukis neniun alian, ol mian nevon »Rimvidon«, kaptitan dum la atako per bajonetoj.

Mi havis de mia brigadgeneralo nerevokeblan or-

## El „Metamorfozoj"

— de Marjan Zborowski —

Ni sidas ambaŭ sur bord' de maro,
kvazaŭ de geinfanoj paro,
je sablo ludanta
kaj babilanta...
Rigardas nin Dio favora
El konko blue-ora
De la ĉiel' kaj maro...
Vento kun flustro mallaŭta
Sablon traŝutas, disjetas...
Ondo ŝaŭmanta
Pri miroj maraj rakontas...
Ridetas enigme al sun'...
Nian feliĉon ĝi lulas nun...

Kio do estas,
Ke nokte sonĝadis mi jam
Pri Nigra Sendito?
Kio,
Ke por okul' nevidebla
La araneo de l' tempo sin klinas
Kaj blankan ŝpinaĵon ŝpinas
Ĉe mia tempio?
En mi estas ja certa scio:
Ke ja ŝpinaĵoj ĝiaj,
Vitroze-melankoliaj,
Okulojn miajn trankvile
Vualos iam...
Kaj iros mi sablon ekdormi
Por ĉiam...
La sablo fariĝos mi mem!...

Kaj eble la vento senvola,
Aŭ paŝojn postkuranta
De l' akvo nimfo petola,
Transportos min
Post de jarcentoj ar'
Ĝis ia blua mar'!...

Kaj kiu scias... kiu scii povas?!...
Eble infanaro
aŭ geamanto-paro,
Surborde sidante,
En blue-oraj nuboj
Pri sia brila sort' legante
Traŝutados senscie,
Per manoj senklopodaj,
Sekan oston mian, ie
Je polvo muelitan...

Kaj eble ehon en aer' kaŝitan,
De mia voĉo, de vortoj eksplodaj,
Ili ripetos tiam ĉe natur-altaro:
»Benitaj estu vi, ĉiel' kaj maro!«

Kaj l' eterneco,
Envolvita en nebuloj bluaj
Rigardos al ili en okulojn,
Kiel ĝi nun rigardas al mi
Per rigardo patrine benanta,
Ĉiujn kreaĵojn liganta, movanta
Sen fino... sen lim'!...

En ĝia eterna okul'
Do estos tiam vidantaj tra nebul'
Mia kaj ŝia anim'!

El la pola: *Leo Belmont*

donon liberigi de la bandoj la arbarojn ĝis Bodzentyn — kun rajto pri vivo kaj morto. Ne estis tempo sendi la militkaptitojn al malliberejo en Kielce, krome mi havis ne multe da soldatoj. La oficiroj estis incititaj. Rigardas min, parencon, per severaj kaj demandaj okuloj. Mi tuj ordonis fari militan juĝon, ĉar oni devis postkuri la bandon senprokraste. Mi prezidanto, la kapitanoj Ŝĉukin kaj Fiedotov dekstraflanke, leŭtenanto von Tauvetter kaj serĝento Jevsjejenko maldekstraflanke. Ni eksidis tuj en la granda ĉambro de la gastejo. Seba kandelo brulis en kandelingo...

La generalo parolis ĉiam pli kaj pli rapide, pli nekompreneble, ĉiam pli ofte enmiksadis rusajn vortojn, frazojn. Li rektigis sin sur la seĝo kaj daŭrigis:

— Oni alkondukis lin. Ses soldatoj, li en la mezo. Malgranda, malgraŝiĝinta, nigra, ĉifonulo. Hirtaj haroj. Apenaŭ rekonebla... Mi alrigardis lin: Jaĉjo, amata filo de mia frato... Li, vartita sur miaj genuoj. Iaj ĉifonoj sur li... La vizaĝo, tranĉita per bajoneto, blukolora, ŝvelinta. Kiel oni enkondukis lin, tiel li staris ĉe la pordo. Atendas. Kaj vi, juĝisto, faru vian juĝon!

— Nu, — aŭdiĝas la oficiala, formala demando: — Kiu vi estas? — Li silentas. Ni ĉiuj rigardas lin. La bona kamarado, amata amiko, bonkorulo, unuaranga oficiro. Lia vizaĝo fariĝis impertinenta, rigida, kurbiĝita de ia ekrido, kiu deformis tiun vizaĝon amindan, bonan kaj mildan, kurbigis, — simile al forĝisto, kiu prenas kaj kurbigas molan feron laŭ fasono de kurba hoko en fajro unu foje por ĉiam. Tiuj soldatoj, kiuj gardis lin, estis samtempe atestantoj. Ili konfesas, ke ili kaptis lin en la arbaro, nokte, lin, batalintan brust' ĉe brusto, ili konfesas, ke li estas la sama, ilia propra leŭtenanto, Rozlucki. La afero tute klara, kion deziri plu? Voĉdoni... Tiam turnas sin al mi la juĝisto el dekstra flanko, kapitano Ŝĉukin, kaj diras, ke li volas al la juĝato doni demandojn. Nu, bone — donu ilin. Leviĝis Ŝĉukin el sia loko, apogis sin per kubutoj je la tablo. Vejnoj videbliĝis sur lia frunto, la vizaĝo nigriĝis, kiel tero. La okulojn li fiksis al la kulpulo. Ni ĉiuj atendas, pri kio li demandos ankoraŭ. Dume li ne povas eldiri eĉ unu vorton, ĉar li estis homo kruda, needukita. Naztruoj liaj tremas, brovoj kuntiriĝas. Fine li komencis pugnobati la tablon kaj voki al la juĝato:



Tadeo Pruszkowski

*Sinjorino kun mandolino*

(Foto: T. Pruszkowski)

— Rozlucki! ne kuraĝu tiel arogante stari antaŭ ni! Ne kuraĝu alrigardi nin per tiaj okuloj! Vi ĵuris aŭ ne? Kion vi faris pri via ĵuro? Respondu! Ĉu vi ĵuris aŭ ne?

— Mi ĵuris — li respondis.

— Vi ĵuris, — denove laŭte kriis Ŝĉukin, premante la tablon per pugnoj, — pri tiu sankta ĵuro, kion vi faris? Vi forkuris el niaj vicoj al la malamiko! Tio estas vero, ĉu ne?

— Tio estas vero.

— Kune kun aliaj perfiduloj de via reganto vi atakis kaŝe el insido lian militistaron. Vi kondukis la perfidulojn, vi donis al ili la plej pereigajn instrukciojn vi instruis ilin kie kaj kiel ataki. Mi mem vidis vin hodiaŭ nokte kun la soldatoj de via iama propra roto. Mi atestas tie ĉi, ke mi vidis, kiel soldato Deniŝĉuk vundis vin per bajoneto. Vero estas tio, ĉu ne?

— Estas vero.

— Se tio estas vero, ne kuraĝu tiel sentime rigardi nin, la justajn kaj fidelajn soldatojn! Vi staras antaŭ la justa tribunalo. Via propra onklo juĝas vin. Mallevu la okulojn kaj humiliĝu, ĉar vi estas perfidulo kaj mizerulo!

Li respondis al tio:

— Mi staras antaŭ la juĝo de l' Dio. Kaj juĝu min laŭ via opinio, kiel vi volas.

Ŝĉukin eksidis.

Voĉdonado. Du voĉoj, tiuj de Ŝĉukin kaj Tauvetter, estis por tuja mortpuno, la du aliaj por sendi lin sub gardo de bajonetoj al Kielce. Restis al mi la lasta vorto. Nu, kaj mi ĝin diris . . . — daŭrigis la generalo mallaŭte, balancante la kapon. Oni estis lin forkondukonta. Jevsjejenko proponis demandi, ĉu li eble havas ian lastan deziron. Mi donis al li la vorton. Li alrigardis min tiam per siaj profunde enkaviĝintaj okuloj, fiksis ilin al mi. Ni ĉiuj staris malantaŭ la tablo. Li alproksimiĝis. Rigardas en miajn okulojn, mi en la liajn. Kvazaŭ li direktus du revolverajn tubojn ... Mi memoras la severajn vortojn: Mi ordonas antaŭ la morto, kaj tio estas mia neŝanĝebla lasta volo, ke mia malgranda, sesjara filo, Petro estu edukita kiel polo, tiel sama, kiel mi. Mi ordonas, ke oni instruu lin, eĉ se tio estus kontraŭ la konscienco de la edukisto, kiel lia patro faris ĉion ĝis la fino. Mi ordonas al li obtuzvoĉe, ke li laboru por sia patrujo kaj ke li, se estos necese, mortu por ĝi sen eĉ unu timtremo, sen ĝemo, sen bedaŭro, tiel same, kiel mi. Jen ĉio.

Li salutis nin soldatmaniere.

Oni forkondukis lin.

Komencis tagiĝi. Mi iris al alkovo, kie mi estis dormonta tiun ĉi nokton. Mi malfermis la fenestron. Aŭroro jam aperis. Matenos... Sur la alia flanko de la vojo ses soldatoj kavigis per fosiloj truegon en la sablo. Mi reiris en la profundon de la ĉambro. Mi ekstaris vizaĝe kontraŭ la muro. Ho, Dio mia!... Estis jam tute hele, kiam mi revenis al la fenestro. Mi jam povis rigardi trankvile. Sur la sablo, gardata de dekdu soldatoj kun karabenoj ĉe piedoj, turnita flanke al mi, li sidis trankvile. Oni forŝiris de li la bluzon de la ribelantoj. Li estis en ĉemizo, kaj tiu ĉi ĉemizo estis disŝirita sur la brusto. En la kunpremitaj manoj li tenis inter la genuoj malgrandan fotografaĵon de sia filo Petro. La kapo mallevita, la haroj falis sur la frunton, la okuloj estis fiksitaj al la fotografaĵo.

Venis pelotono, apartenanta al lia iama propra roto. El post la gastejo. Ekstaris tiu ĉi pelotono kontraŭ li. Von Tauvetter gvidis. Soldatoj — kun la pafilo ĉe la piedo. Ili staras. Pasis momento unua, dua, tria... Mi atendas. Mi atendas, ke Tauvetter donu ordonon. Nenio, silento. Nenio, silento. Li ne povas doni komandon. Tiu sidis ĉiam kun okuloj fiksitaj al sia bildeto. Mi havis la iluzion, ke li, sidante tiamaniere, mortis. Dum momento mi pli facile spiris. Mi atendas. Kaj jen li levis la kapon, pezan kiel mil pudoj. Li ekstaris sur la sablo-monteto. Liaj piedoj eniĝis en la molan sablon, do li penadis stari pli firma.

Li rigardis malantaŭen, forŝovis la harojn el la frunto kaj alrigardis la soldatojn. Nu, dank' al Dio, denove revenis tiu kurbiĝo de la vizaĝo, tiu malestimo, kiun li havis dum la juĝo. Mi vidis, kiel iom post iom ĝi aperis sur liaj vizaĝo, okuloj kaj frunto. Mi estis feliĉa, ke ĝuste tiel, fiere... Ke Rozlucki... Mi sentis, kiel dank' al sia volo li fariĝis sensenta kadavro.

Li diris:

— *Zdorovo rebjata!*[4])

— *Zdravja jeŭajem vaŝemu bŭahorodju!*[5]) — ekkriis la soldatoj, kiel unu homo.

Aliris Jevsjejenko por ŝirmi liajn okulojn. Li forpuŝis lin per la okuloj. La serĝento foriris. Li alpremis ankoraŭ al la koro la malgrandan fotografaĵon, fermis la okulojn. Lian duonmalfermitan buŝon ĉirkaŭis altenfluga bela rideto. Ankaŭ mi fermis la okulojn... Mi premis min bruste al la muro. Mi atendas, atendas, atendas. Fine — drrrrr!

La geometro Knopf demetis la ĉapon kaj flustris ion al si per sekaj lipoj. Gunkiewicz gratis per bastono la cindrojn de la fajrujo, kvazaŭ li volus enterigi abundajn, drinkulajn larmojn, fluantajn el liaj okuloj.

Ekregis silento. Resonis eĥoj en la arbaraj montoj . . .

Subite la skribisto turnis sin al la generalo:

— Sinjoro generalo, permesu demandi, kie estas la malgranda fileto, la tiama sesjara Petro?

— Kial vi volas scii, kie li estas? — brutale kaj krude respondis la generalo.

— Mi estas simple scivola, ĉu plenumiĝis la lasta deziro kaj ordono de tiu ribelinto?

— Ne via afero kaj ne kuraĝu demandi min pri tio. Ĉu vi aŭdas?

— Mi tuj divenis — respondis la skribisto, rigardante kanajlokule kaj impertinente en la okulojn de la maljuna generalo, — mi tuj komprenis, ke tiun vian lastan volon, ho »kapitano Rimvid«, la diablo laŭte priridis.

El la pola: *Halina Weinstein.*

4) *Zdorovo rebjata* ruse, signifas: Estu sanaj, knaboj!

5) *Zdravia jeuajem vaŝemu bŭahorodju!* ruse, signifas Ni deziras sanon al Vi, Sinjoro!

## Analizo

(El „Rimoj kaj Ritmoj" —

— Leo Belmont —

Ho, ĉi pens'!... ho, bandita ĉi pens'!...
En ĉiu korfibret — paralizo!
Malgraŭ mia furi' kaj fervor',
Ĝi enpuŝas sin — ĝi, analizo!

Ofte am', aŭ malan', aŭ koler'
El sub plum' mia ŝprucas... Doloro! —
Ne inspiras min propra la kant':
Pensas mi eĉ per koro... per koro!

El la pola: *la aŭtoro.*

# Rigardo sur la nuntempan polan literaturon

— *K. W. Zawodzinski* —

»Nuntempa« — por la hodiaŭa mondo signifas ĝenerale »postmilita«. Kvankam en la literaturhistorio mi ne aprobas la aplikadon de kronologiaj dividoj pruntepren-itaj el aliaj fakoj, ĉi tie tamen mi volonte konsentas trakti la postmilitan polan literaturon kiel tuton klare apartigitan de la antaŭaj etapoj de la literatura vivo en Pollando, ĉar, efektive, la epokfara momento en la literaturo koincidas hazarde kun la fino de la monda milito. Hazarde, laŭ mia opinio, kiun konfirmas la ne tute akurata samtempeco de faktoj literaturaj kaj politikaj: jam en la printempo de 1918. jaro, kiam oni devis esti profeto por antaŭvidi proksiman kaj ĝuste tian finon de la senespere tiriĝanta milito, aperas la unua poemareto de *Juljano Tuwim*, granda kaj laŭta manifestiĝo de tiu nova liriko, koncentrigonta dum jardeko la krean penadon de la verkistoj kaj la atenton de la legantoj. Samtempe, en la lasta aŭ prefere en la du lastaj jaroj de la mondmilito, ankaŭ en aliaj literaturfakoj rimarkiĝis tiuj ecoj kaj elŝoviĝis tiuj individuecoj, kiuj karakterizas la postmilitan epokon — kiel sciate, komenciĝintan en Pollando du jarojn pli malfrue ol aliloke. En la romanliteraturo *Sofia Nałkowska* kaj *Julio Kaden-Bandrowski* konsistigas kvazaŭ du vizaĝojn de jus formiĝinta rakonta prozo. Ili ankaŭ karakterizas ĝin, ĉar la ceteraj pli-malpli gravaj romanverkistoj estas kreaj individuecoj konataj ankoraŭ de la antaŭmilitaj tempoj. En la teatro formiĝas specifa hegemonio de la reĝisoro kaj »teatra« reformisto super la dramverkisto. Cetere, ankaŭ inter la dramverkistoj de ambaŭ tendencoj (la imanenta realismo kaj specifa diskreta scensimbolismo) verkistoj tipaj por la postmilitaj tempoj komencas ludi rolon de gvidantoj.

Se ni tamen dezirus serĉi la bazon de tiuj ĉi faktoj en la politika historio, ni trovus eble, ke pli grava ol la fino de la milito okcidente, evidentiĝis la politika malstreĉiĝo oriente (pro la rusa revolucio) kaj la dissolvo de la polaj legioj[1]). Ĉi tiuj faktoj revenigis el la armevicoj konsiderindan nombron de intelektuloj, kiuj reokupis siajn normalajn postenojn en la socio, kun psiko tamen specife riĉigita per la batalaj travivajoj. Post nelonge ĉesas la militagoj kontraŭ Rusujo kaj komenciĝas la revenado de multmilaj amasoj de volontulaj aŭ de militelmigrintoj, kun intelektularo surfrunte. La kelkjara vivado en Rusujo estis por ĝi kontakto unua kaj senekzemple amasa, intima kaj sen oficiala premo, kun la rusa kulturo, kun ties »neeksporteblaj« valoroj — la riĉa teatrovivo kaj liriko. Por unuj ĝi estis nur profundigo de lernejaj konoj; por la aliaj — tiom multnombraj civil- kaj militkaptitoj el la aŭstra kaj germana partoj de Pollando — ĝi fariĝis kompleta revelacio. Tiel ekz. la poeto Kazimiro Wierzynski nur al sia kaptiteco dankas sian konatecon kun la rusa poezio.

Tiel do jam dum 1918, la pola socio finis sian multvarian odiseon kaj komencis krean laboron hejme kun freŝa energio, ripozinta en paŭzo for de normala vivado. Kun energio instigata de la jam ĝenerala kredo pri la realiĝo de centjaraj aspiroj al sendependa ekzisto kaj per konscio pri la grandego de la taskoj plenumotaj. Kun energio hardita, ne rompita tamen en jusaj bataloj kaj malfacilaj militaj travivajoj. Car — ni devas rimarki — la milito sur la rusa fronto kaj precipe ties fragmentoj, kiujn ekkonis la pola intelektulo en la Legioj, ne havis la karakteron de mekanika masakro senmoraliganta kaj neniiganta la memkonscion de l' individuo. Tute male — la movmilito en 1914—1916, lasanta vastan kampon por la iniciato kaj sinoferemo de la unuopa soldato, lasis al li kredon je propraj fortoj kaj pliigitan vivĝojon — la pli forte ol iam sentatan »guston de l' mondo« (titolo de interesa militromano de Tadeo Kudlinski). Pro la ankoraŭ daŭranta germana kaj aŭstra okupo, ĉi tiu energio direktis sin dume al kultura laboro. En ĉiuj partoj de Pollando fondiĝas literaturaj revuoj. Oni publikigas verkojn skribitajn dum la unuaj militjaroj. Apud pli aĝaj verkistoj fierbrave elpaŝas grupo de junuloj.

Analizante la kondiĉojn, en kiuj kreskis tiu literaturo, oni povus pruvi la neceson de la hegemonio de liriko, konsiderante, ke dum milito ĝi estas pli atingebla same materie (kreado de verkoj mallongaj, ne necesigantaj grandan kvanton da papero kaj sisteman laboron apud skribotablo) kiel psike. Psike ĝi estas ja pli atingebla kiel ĝeneraliga kundensigo de la emocie travivata realo, kies patoso mem malgravigas la trajtojn realajn kaj malebligas epikan objektivigon. Ŝajnas tamen, ke la bazoj de tiu superrego de la liriko kuŝas ankaŭ en la pola literaturo antaŭmilita mem — ni konsideru nur la hegemonion de la patro de l' moderna pola liriko en la personoj de *Leopoldo Staff* kaj la profunde lirikema gvidanto de l' antaŭmilita generacio, la granda romanverkisto *Stefano* Zeromski [plenuminta antaŭ la milito la rolon de konscienco ĉe la pola intelektularo].*

Malgraŭ ĉiuj klarigoj, tamen neklarigebla restas la mirakla riveliĝo de grupo da grandaj poetaj talentoj inter la junularo de la jus poligita universitato en Varsovio — la malplej poeziema urbo pola. Ĉi tiuj talentoj sukcesis realigi promesojn, superi la inerton de la malnova formo kaj ne perdante en sia kreado tion, kio estas plej esenca en la eterna koncepto de la poezio, ne kurante blinde en programajn stratetojn, ili donis artformon al la aspiroj aperantaj en ĉiuj literaturoj de la dua jardeko de nia jarcento sub la multsignifa nomo de »futu-

* Kvadrataj parentezoj — de la tradukinto.



Juljano Tuwim

[1]) Rigardu la artikolon pri historio de Pollando.

rismo« aŭ aliaj strangaj devizoj. La renovigo koncernis ne nur la formon, liberigitan el la katenoj de rigidaj ritmoj kaj banaliĝintaj rimparoj, sed ankaŭ stilon saturitan de nova originala »konkreta« metaforismo, kaj enhavon. Tutajn regionojn de realo, ĝis nun eksterpoeziajn, oni altiris al tiu kreado, samtempe transpaŝante la limojn de la konvencia lingvo poezia, jam banaliĝinta en la periodo de la laŭkvante abunda, sed laŭ sincera lirismo ne fruktodona, florado de la poezio de l' »Juna Pollando« (komenco de XX. jc.). Nun al la senpeza poezia resono je la realo respondis ankaŭ la lingvo — des pli proksima al la poezieco kaj des pli senigita je artifiko, ju pli granda poeto ĝin uzis, lingvo plena je elipsoj de ĉiutaga parolado ĉe Tuwim, plena je la subtilaj ĉirkaŭfrazoj de salona konversacio en la poemoj de *Maria Pawlikowska-Jasnorzewska.* Kvazaŭ antaŭsentante la nur postmilite nin atingontan grandurbecon, la bruon de la plenstreĉa materia kulturo kaj de homplena strato, grupo de tiuj poetoj kreis la »urbanisman« poezion, simptoman por la demografia transformiĝo de la pola socio, poezion tiel diferencan de la antaŭa, ĉerpinta materialon el la soleca kampara silento. La iaman nuancaron de la poezio kontraŭis ankaŭ la tono de tempesta vivjeso, karakteriza precipe por Kazimiro Wierzynski. Oni devas tamen rimarki, ke tiu junula optimismo, iom supraĵa, banaliĝis baldaŭ kaj cedis al pli koncentrita kaj seriozplena rilato al la realo.

Tiu poezio, kreskinta en medio viva, krea kaj sorbema, sukcesis ekkapti la legantaron malgraŭ sia komence incita novemo. Tiu medio de poetoj iĝis kristaliga centro de ĉiam pli vasta kaj potenca grupo, kiun fruntis Juljano Tuwim. Li estis la unua en ĝi kaj transvivis ĝin. Li evoluis konstante, restis tamen la sama poeto, kiu antaŭ 20 jaroj mirigis la publikon — li — la poezio mem, ŝprucanta kvazaŭ printempaj sukoj el sukoplena arbo; erupta, ŝajne senkontrola inspiro, konstante emocia mondvido kaj kreoneceso, li — »imitanto de voĉoj de l' mondo« kaj »parolĉasisto«, li akiris kaj perfektigis ĉiujn lingvajn kaj poeziajn esprimilojn. Tamen ankoraŭ pli vasta, ol lia eksterordinara multvarieco kaj grandega tonskalo, estas la gamo de la kantoj ĉe la plej eminentaj reprezentantoj de la liriko. Apud lia vitalismo, gravitado al muzikeco kaj hiperbola respegulo de l' mondo, apud la ĝenerale superromantismaj, kvankam diferencaj tendencoj de *Kazimira Iłłakowiczówna* kaj ankoraŭ aliaj — de *Jaroslav Iwaszkiewicz* kaj denove aliaj, kvankam parencaj al la romantismo, aspiroj de *Antonio Slonimski,* ni trovas profunde apollan kaj harmonian (malgraŭ certaj devojiĝoj for de antikva ordo) kreadon de Wierzynski (»Laŭro Olimpa«), la plej proksima sekvanto de Staff, ni trovas tre pezan, tre intelektan poezion de *Johano Lechon.* Kune kun Wierzynski, li estas iniciatinto de specifa novklasikismo, kiu en la kreado de iuj el siaj adeptoj transformiĝas en formalan imitadon de pseŭdoklasikuloj. Fine ankoraŭ alian formon por enkarniĝo de elementoj de logikeco kaj plastikeco konsistigas la nenion alian similanta poezio de *Maria Pawlikowska-Jasnorzewska,* ĉarma rivelo de plej eleganta virineco, majstra simpleco de ĉiutaga vivo, senerare trafa rimarkado de poeziaj analogioj, arto de miniaturo, plenplena de maldolĉa mielo de hedonismo, hedonismo tre inteligenta kaj samgrade malespera.

La riĉo kaj vario de la lirika poezio, plejparte grupiĝanta ĉirkaŭ la revuo »Skamander« kaj praktikata de poetoj naskiĝintaj en la lasta jardeko de la XIX. jc. unuflanke superis kaj malnecesigis la penojn de aliaj grupoj de poetoj, duaflanke tamen levis la polan poezion ĝis altoj malofte atingataj en la daŭro de ties historio, farante el ĝi aperajon rimarkindan eĉ en eŭropa skalo. Fine, almenaŭ por la jardeko 1918—1928, ili redonis al tiu literaturspeco ties tradician gvidan rolon, koncentrigis sur ĝi la atenton de la publiko, iĝante samtempe kaŭzo por plendoj pri falo de literaturo flanke de tiuj, kiuj estis kutimiĝintaj trovi la centron de gravito en aliaj specoj de la literatura verkaro. Efektive, la romano en tiu jardeko prezentas bildon nek tiel apartan, nek tiel esperigan. La generacio, komencanta sian agadon en la nova politika epoko, ne kaptas la iniciaton en siajn manojn. Se ne paroli pri Zeromski, ĵetante potencan ombron dum preskaŭ tuta jardeko sur la tutan polan literaturon, ni povas konstati, ke sur la fronto de romanverkado la tutan atenton de la publiko koncentrigadis verkistoj antaŭmilitaj aŭ almenaŭ antaŭmilitaj debutintoj. Al ili apartenas *Sofia Nalkowska* kaj *Julio Kaden-Bandrowski,* reprezentantoj de du stiloj diferencaj, sed tre karakterizaj por la postmilita romano. Al ili apartenis *Vladimiro Perzynski,* populara sed malĵuste taksata verkisto, traktata kiel »humoristo«, efektive tamen soleca reprezentanto de senkompromisa kaj tre penetra realismo en vasta observo de la moderna vivo. La malo de tiu verkisto, eble sola el eminentuloj netuŝita de la influo de Zeromski, estas Andreo Strug [iama epikisto de la romantiko de l' pola batalo por sendependo kaj de la revolucia lukto de la pola proletaro]. Plej proksima lernanto de Zeromski, per obstina laboro li atingas memstaran kaj eminentan postenon. Kompare kun ili ne povas pretendi la reprezentan rolon de la pola romano eĉ la plej bonaj kaj plej interesaj verkoj de la postmilitaj debutantoj, kiel la brilaj orientaj noveloj kaj verkoj de *Ferdinando Goetel* (precipe lia romano »Kar-ĥat«), kiel ankaŭ la ĉarmanta per sia poezieco romano de Jaroslav Iwaszkiewicz, »Luno aperas«, miriga pro pensoprofundo, psikologia penetremo kaj fidelo en la pentrado de malmulte konata medio. Preskaŭ nerimarkite pasis du belegaj rakontaroj de *Maria Dabrowska;* ŝia iom antaŭtempa kreado devis ankoraŭ atendi konvenan momenton por altiri ĝeneralan atenton.

Multe pli reprezenta por la tiam regantaj tendencoj estis tiu multnombra grupo de aŭtoroj; precipe aŭtorinoj, kiu sub la influo de la individua stilo de Kaden-Bandrowski traktis la romanon kampo por la disvolvo de sia metaforinventemo kaj rafina, pli-malpli stranga belparolismo. Ĝenerale, tiu superkresko de stilo karakterizas la kontraŭnaturalisman epokon sub la supera influo de liriko, epokon, kiu ne akcelis la romanepikon.

Ŝajne okupante tute kontraŭan postenon, Sofia Nalkowska, kiu depost la milito, ekde siaj »Karakteroj« (modelitaj laŭ la verko de La Bruyère) praktikas ekstreman simplecon kaj koncizecon de stilo, ne neas tamen

## Rimportreto

— Leo Belmont —

*Halina Weinstein* — varma koro,
Bonega esperantistino...
Sin ebriigas, kiel vino,
Por verda stelo streĉlaboro...

Sinoferemo — ĉiu horo,
La fingroj sur la skribmaŝino...
*Halina Weinstein* — varma koro,
Bonega esperantistino...

Lilio pala — per fervoro
Fariĝas rozo, flor-knabino...
Ne havas koron en la sino,
Kiu ŝin vidas sen adoro...

*Halina Weinstein* — varma koro...



Julio Kaden-Bandrowski

la esencajn ecojn de l' epoko: ŝia simplo frapas per rafino, ŝia koncizo limas kun aforismemo en la aspiro al preskaŭ lirisma kundensigo de filozofiaj tezoj postulantaj pli vastan disvolvon. La leganton frapas la detaloj de ŝia subtila laboro — anstataŭ »nerimarkeblo de stilo« ni ricevas kvazaŭ negativan »hipertrofion de stilo«, kiu kaŝas la mankan temenhavon, la malfortikan komponon kaj la nesufiĉan psikologismon de ŝiaj romanoj. Ne povas nei tiun karakterizon de l' epoko eĉ la populareco de la verkoj de *Sofia Kossak-Szczucka* [katolika verkistino, aŭtorino de historiaj romanoj, precipe de interesega »Ora libero«, pentranta la deklinon de la pola religia reformo en la komenco de la XVII. jc.]. En ŝiaj historiaj romanoj, evidente originantaj de Henriko Sienkiewicz, vidiĝas la manierisma simpleco de ŝia majstro.

Malgraŭ la iom pesimismaj rezultoj de ĉi tiu revuo, erara estus la opinio pri la senrezulteco de tiu jardeko de la pola romano. Eĉ la stilaj eksperimentoj, iam gvidintaj ĝis absurdo, pliriĉigis tamen la esprimpovon de l' lingvo kaj levis ties nivelon. Krom tio la ektrakto pri tuta vico da temoj, la kuraĝa penetro en la hontemajn regionojn de realo, kiujn evitadis la pola romano el la fino de la XIX. jc. kaj, nur sub ŝirmo de konvenciaj poeziaj frazoj, apenaŭ tuŝetis la romanoj de la »Juna Pollando«, estas granda paŝo al disfloro de la romano, kiu realiĝas en niaj tempoj ne sen profitado je la eraroj de l' antaŭuloj!

Plej malforte sentiĝis la supereco de la »poezio« en la teatro — eble nur en aferoj »pure teatraj«, en la surscenigoj de *Leono Schiller*, kiuj simpligas la temon kaj akcentas precipe la emociajn elementojn de la verko (ekz. la scena koncepto de la romano de Zeromski — »Historio de l' peko«). Sed tiu supereco de la liriko ne ampleksis la dramverkadon kreatan en tiu jardeko. Eĉ Stefano Zeromski, en tiu periodo precipe dramverkisto, kies dramoj estis tiam plej grandaj okazintajoj literaturaj, ofte veraj festoj de granda surscena poezio, ne revenas plu al la formo de la romantika drampoemo, iam aplikata en »Rozo« [tragedio de la pola socio en la jaroj post la falo de la revolucio de 1905. j.] kun ties fantaziemo, kompona libero kaj preskaŭversa parolvesto. La repertuaro de la originalaj novajoj estos regata de la certagrade standardigita realismema verkaro de la sindikato de dramverkistoj, kun *Perzynski* kaj *Stefano Kiedrzynski* surfrunte. Dume la »poezia teatro« vegetas, kvazaŭ pruvante la anakronecon de sia speco kaj la malnecesen de verso sur la scenejo. La tute abortaj tragedioj de *Karlo Huberto Rostworowski* kaj la glataj, suprajaj deklamoj de *Stanislao Milaszewski*, malgraŭ la simpatia akcepto flanke de la publiko, eĉ de malproksime ne atingas la signifon de la imponaj kreajoj de *Stanislao Wyspianski* [kiu en siaj potencaj tragedioj, grandparte netradukeblaj kaj nekompreneblaj por eksterpollanda leganto, konceptis la esencon de tragedio de la pola historio kaj antaŭmilita generacio]. El la novaj poetoj, tiel eminentaj en la lirika poezio, nur Antonio Slonimski kuraĝas je versa dramo, sed lia grandioza liriko ne eltenis la scenprovon. La soifon je poezieco, je io pli sublima ol la »ordinara realismo«, kvietigas ĉe la pli vasta publiko, rigardanta sin elito, la dramo kvazaŭ novsimbolisma, kies plej populara reprezentanto fariĝis *Jerzy Szaniawski* kun sia mildigita ibsenismo.

Tiel aspektas la unua jardeko 1918—1928. En 1928 ĉesas aperadi la revuo »Skamander« — fakto signifa pli simbole ol praktike. Ĝi simbolas la finon de la primato de »poezio« en la literaturo, konkerita de la verkistoj grupiĝintaj ĉirkaŭ ĝi. La fino de tiu epoko antaŭiris la ekonomian krizon. Efektive, venas tempo malmulte instiganta al kanto: la poezio lirika, prezentanta la »plej puran arton« de parolo el ĉiuj grandaj literaturfakoj, ankaŭ plej malmulte povas respondi al aktualaj bezonoj de socia atento, direktataj al la bazaj, nun solvataj problemoj de la praktika vivo. La vasta florado de la pola liriko ne ĉesis, sed la fakto, ke la publika atento forturniĝis de ĝi, estas tute natura el la vidpunkto de la dialektiko de l' literaturhistoria proceso.

La gvida rolo cedita de la poezio, transiras al la rakonta prozo. La forta intereso pri la sociaj problemoj, rimarkiĝanta en la medio de la verkistoj ĉirkaŭ la revuo »Literaturaj Informoj«, la intensiĝo de la ĉiam sugesta agado de *Tadeo Boy-Zelenski* por la specife konceptataj



Kazimiro Wierzynski

problemoj de la moralo kaj praktika vivo — ĉio ĉi ne restis sen influo al la reaktiviĝo de la romana prozo, literaturspeco, kiu konsistigas la plej efikan reagon je tiuj problemoj.

Sed ankaŭ la romano havas nun alian karakteron. Ĝuste en tiuj jaroj la batalo kontraŭ la »hipertrofio de stilo« reduktis ties rolon en la romano ĝis komunika funkcio. Ankaŭ ĉi tie oni ne povas ignori la influon de Boy-Zelenski, kies agado, celanta la ĉiuflankan »senmensogigon« de la vivregionoj poeziumataj kaj sublimataj de jarcentoj da literaturo, kaj kies filozofio de »plifaciligita vivo«, libera ne nur de ekstermondaj interesoj kaj de la ordonoj de l' absoluta etiko, sed ankaŭ de afekcioj devojigantaj en la sferon de tragediaj konfliktoj — ĉio ĉi rompis la »duan defendlinion« de la poezia konvencio, kaŝita malantaŭ la troa kundensigo emocia, troa metaforemo kaj hegemonio de versigita parolo. La raportajoj kaj »faktomuntajoj«, praktikataj sur la paĝoj de »Literaturaj Informoj« estis ekstremaj simptomoj pri la refreŝiĝo de l' literaturo per kontakto kun la severa, kree netransformita realo. Arta realismo, en sia plej grandioza kaj plej homa formo, ektriumfis per la plumo de *Maria Dabrowska* kies granda trilogio »Noktoj kaj tagoj« [frapanta kaj fidela bildo pri la vivo kaj aspiroj de la antaŭgeneracio de l' pola provinca intelektularo] tuj post sia apero fariĝis la plej granda sukceso de multaj jaroj en la pola literaturo, ekde la tempoj de Zeromski.

Tiu laŭmerita triumfo de verkistino, kies antaŭaj, jam bonegaj libroj ne renkontis favoran konjunkturon kaj pasis sen eĥo en la epoko de aliaj arttendencoj, plej bone karakterizas la novan momenton en la literaturo kaj ties evolutendencojn en la plej proksima estonteco. Eble ne nur la plej proksima, ĉar ŝajnas, ke la realismo nenie havas pli vastajn taskojn plenumotajn, ol en Pollando. Apud Dabrowska, pri grandaj verkoj epikaj okupiĝas du verkistoj, kies signifo firmiĝis en la antaŭa jardeko: Kaden-Bandrowski kaj Strug. [Kaden-Bandrowski, analizinte en sia romano »Nigraj flugiloj« la socian malsupron, penas en ties dua parto »Tomasz Bigda« prezenti la abisman korupton de la supro, gvidinta al ŝtatrenverso en 1926. La romano ŝajne destinita por trilogio, restis nefinita — sintezan ekvilibron por la dua parto de sia verko Kaden-Bandrowski ne sukcesis krei! Ideologie lin kontraŭante, Andreo Strug, en sia konsidero de la socio, revenas al ties historia bazo — la monda milito — kaj en la potenca romano »Flava kruco« per la epike senemocia sed tranĉa sintezo de l' pasinteco, per la forto de la prezento, kondamnas ĝin kaj avertas].

Esperigas ankaŭ la apero de novaj junaj romanverkistoj kaj novelistoj. Ni nomu nur Sigismundon Nowakowski kaj speciale la triumfe debutantan Mihaelon Choromanski. Al la prozo transiris ankaŭ kelkaj poetoj: apud Iwaszkiewicz, jam antaŭe famiĝinta per romano, elpaŝas kun volumo da noveloj la kantisto de »Laŭro olimpa«, Kazimiro Wierzynski.

Lirikistoj transiras ne nur al la romano, sed ankaŭ al la teatro, ekz. la eminenta poetino Pawlikowska. Kaj ne nur poetoj: frapas du rimarkindaj dramverkoj de tiel ŝatata romanistino, kiel Sofia Nalkowska. Eble ĝuste la ecoj de la sceneja perspektivo pli respondas al la genro de ŝia talento, des pli, ke ŝia inklino al la morala filozofio kaj al la malkovrado de eternaj etikaj konfliktoj, apud la interesiĝo pri senŝanĝe akraj sociproblemoj (rilato de seksoj, problemo de krimo kaj puno) respondas al la nuntempaj tendencoj de la pola teatro. El la tendencoj rimarkiĝantaj en la antaŭa jardeko fortiĝas ankaŭ la »novsimbolismo«, cetere ne sen iaj trajtoj de kruda naturismo kaj socia tendenco. Tiel verkas junaj aŭtorinoj, el kiuj pluraj, laŭ la ekzemplo de Nalkowska, direktas sin al dramkreado, atingante konsiderindajn sukcesojn.

Kiel rezultas el la supra trarigardo, la interesiĝo pri la literaturo kaj pri la artista vivo tute ne ĉesis pro la krizo. Oni ne povas paroli pri krizo de literaturo antaŭ tiom riĉa kaj fekunda kreado de multaj verkistoj. La postmilita literaturo pola abundas je verkoj egalaj aŭ superaj al la verkoj de la antaŭmilita generacio kun stabiligita famo. Eĉ la plej grandaj »asoj« de antaŭmilita pola literaturo, eĉ la polaj Nobel-laŭreatoj [Henriko Sienkiewicz, aŭtoro de »Quo Vadis« kaj Vladislao Reymont, epikisto de polaj »komparanoj«] ne prezentas sin tro impone en sincera interna esploro kaj en modernaj proporcioj. Vere, mankas nun en Pollando verkisto laŭ la dimensioj de Stefano Zeromski, ĝi estis tamen aperajo, kreskinta trans la kadrojn de la literaturo, aperajo neripetebla, specifa pro siaj dimensioj kaj signifo en la specifaj kondiĉoj de Pollando batalanta por sendependo. Kaj krome? — La postmilita nivelo de nia liriko ne trovas egalon en sia historio, kaj en la nuna momento ĝi malfacile trovus egalulon en Eŭropo. La postmilita romano povas fieri pri egala, se ne pli granda nombro da eminentaj verkoj, ol de la komenco de la nuna jarcento ĝis la milito. La dramo disvolviĝas, luktante kontraŭ la ĝenerala krizo de la teatro. Cie vidiĝas aspiro al vero, al profundigo kaj pli tuteca respegulo de la ekstera kaj interna realo en ties plej eternaj aperajoj, en artformo plejeble perfekta kaj sugesta. La literaturo pola, sendube alispeca kaj alitendenca ol en la epoko de mallibero, daŭrigas ties disvolvon laŭ vidpunkto artista, ludas same grandan rolon en la vivo de l' nacio kaj staras antaŭ perspektivoj de ankoraŭ pli brila estonteco.

El la pola: *Marek Wajsblum.*

## El la kolekto „Sur paletro de mia animo"

**— Julja Dickstein-Wielezynska —**

Benata estu vi al mi  
Hodiaŭ kaj eterne...  
Ĉar rigidiĝis mi interne  
Antaŭ ol vi, helpanta, venis  
Kaj per la man' subtila, fida  
El la palpebro, jam rigida,  
La pezan sonĝon vi deprenis...

Benata estu vi al mi...  
Ĉar tiel bela, forta, juna,  
Vi per la mola man', fortuna —  
La floron sur tombejon skuis,  
Ekŝiris, portis ĝin, fiera,  
Kie ludadis sun' somera  
Kaj la abeloj oraj bruis!...

Foriru do kun mia ben'  
Pro via lum' anima...  
En vi ja vivas spir' intima,  
Simila al printemp-maten',  
Vekanta florojn de l' esper'  
Sur la ruinoj el sub ter'...

En mia beno nun iradu —  
En ĝia oraŭrora bril' —  
Pro unu vorto, milda vort',  
Pro fonto de l' rekrea fort',  
En kiu ja fajreroj mil  
Inspiris mian koron pova  
Por viv-sopiro, vivo nova!

El la pola: *Leo Belmont.*

# ŜTATLIMO

**– Pola Gojawiczynska –**

Denove la sama vojo la sekvantan matenon. La tramo ne estas jam plumbita. Multaj eminentaj virinoj en Supra Silezio plenigas ambaŭ kupeojn. La monon ili kalkulas laŭ la antaŭa maniero: — Kvin ĉeĥaj kronoj! Jesuo! Maria! Doni al ili tiom da mono, ne sciante por kio! Ĉu do ni ne povas piediri? Sed, ĉar ni jam envagoniĝis, estu tiel!

Ili laŭte interparolas kaj uzas tiel belajn malnovpolajn vortojn kaj esprimojn. Paŭlina enmiksis sin en la interparolon, kaj ĉar ŝi estis »fremda« en tiu ĉi regiono, la sidantaj virinoj sentis sin mastrinoj ĉi tie. Ili montris al ŝi ŝoseon belan kaj glatan, similan al la plej parada strato en la ĉefurbo: — ĝi estas jam farita dum polaj tempoj! Kaj la stacidomon blueblankan: ankaŭ starigita dum pola regado. Kaj ĉu vi ne vidis en la urbeto tiun blankan, kvazaŭ vitran belan domon? En la kanpo. Ankaŭ ĝin starigis poloj, ĝi estas gimnazio.

La tramo haltas — ankoraŭ unu paŝo por esti eksterlande. Ĉiuj turnis sin vizaĝe al fenestroj kaj montris tiun ĉi limon. Jen ĝi kuras inter domoj, jen inter kampoj kaj vojoj, jen apud fosaĵo kaj se vi rigardos ĝin desupre, vi vidos, kiel en la polan teron eniĝas kojne la »germana« urbo Bytom, kaj transe denove polaj kamparoj, urbetoj kaj kolonioj. Vi veturas per fervojo la tutan tempon tra via propra tero, kaj se vi veturas al la sama loko per tramo, kaj kvankam la vojo tiam estas pli mallonga, oni plumbas la tramon, kvazaŭ en ĝi troviĝus infektitoj. Tra vitroj oni vidas domojn, lokojn kaj stratojn tiel bone konatajn denaske, tiel proksimaj al nia koro, — tamen nun oni devas diri, ke ili estas fremdaj. Kiel tio okazis, ho Jesuo, Jesuo?

Ili eksilentis kaj sidis malĝoje.

— Nenies kapo tion komprenos. Ne! Al kio do la homo ne alkutimiĝos? Al ĉio. Iajn limatestojn aŭ iajn pasportojn oni elaĉetas kaj, kiel antaŭe, oni iras tien kaj reen. Jen serĉi laboron, jen viziti parencojn, jen al »siaj« tomboj, al »siaj« malnovaj preĝejoj, jen al la infanoj, kiuj edziĝis kaj loĝas trans la limo. Tiamaniere iliaj hejmoj estas disigitaj, kvazaŭ la limo ne irus tra la tero, sed tra iliaj korpoj, koroj kaj animoj.

Kaj tiuj ĉi geedziĝoj miksitaj kaŭzas poste diversajn voĉdonadojn koncerne apartenon al tiu aŭ al alia ŝtato, kaj, tute ne sciante, kiam ĉio ĉi turniĝos kontraŭ la homo, aŭ kiel iam ligos lin?

Ŝtatlimo, la linio, kiun ie en la mondo grandaj kaj fremdaj kapoj pripensis kaj projektis — afero ŝajne tute malgrava dum paca tempo — kaj pri kiu »okaze de io« gazetoj de la tuta mondo presigos per dikaj literoj.

Rilate al tiu ĉi malgraveco dum paca tempo la limgardisto Kobura povus diri multon, kiam vespere li iras al nokta deĵoro. Tie ĉi, en malgranda, ne tre grava loko, vi povas klare rimarki, kiel komplikitaj estas la aferoj de du ŝtatoj, kaj kiel diversmaniere komprenas ilin: la limgardisto Kobura el pola flanko kaj la samspeca limgardisto Miller — el la germana flanko.

La limgardisto Miller, kiel asertas Kobura, pli ol unu fojon mem serĉas trairejon en la verda limo kaj montras ĝin al la interesata persono, iranta kun sako surdorse: — Antaŭen! Kio estas en la sako, por kiu sinjoro Miller estas tiel komplezema? Tie estas fenestrokurtenoj, tie estas silko, ŝtrumpoj. Iatempe troviĝas etaj objektoj: oranĝoj kaj bananoj. Iatempe senkulpa objekto: komunistaj paperoj, dinamito, eksplodante poste en kvartaloj, loĝataj de senlaboruloj. Cigaroj. De tempo al tempo subtilaj venenoj: morfino, kokaino kaj saĥarino — tiel ŝatata objekto de kontrabando. La limgardisto sinjoro Miller estas patrioto. Ĉio, kontrabandita trans ŝtatlimon, plibonigas la komercan bilancon de la ŝtato.

La tasko de la limgardisto Kobura estas kuŝi tiel silente sur la herbo en sia verda uniformo, ke la interesata persono enpaŝu la ŝajnan transirejon de la verda limo. Nu, fine la persono ĝin enpaŝis kaj transiris. La limgardisto Kobura havas sufiĉan provizon da humoro. Ho, jes! Li haltigas la spiron en sia potenca brusto, ke la zono ne bruu ĉirkaŭ lia uniformo. Kiam la persono iris la truon de la verda limo kaj



Jozefo Chelmonski (Foto: R. S. Vlatowski) — *Plugado*

ĝoje faris kelkajn paŝojn antaŭen, Kobura leviĝas senbrue kaj post la ŝultroj de la viktimo proponas ĝentile kaj mallonge:

— Ni iru al la komisarejo.

Ke la viktimo tuj malfortiĝas, pri tio oni ne devas paroli. Valizo aŭ sako, aŭ ia alia pakaĵo, eliĝas teren el la senmovaj manoj. Okazas, ke Kobura persone kaj propramane helpas al interesato porti bedaŭrindan sakon. Karabeno sur la ŝultro, aŭ revolvero kaŝita en ingo, estas — ni diru — same sendefendaj, kiel ilia kontraŭulo. Sed kio estas la plej grava en tiu ĉi ludo — la trankvila certeco pri si. Sinjoro Kobura per sia konduto pensigas, ke li estas ŝarĝita per mangrenadoj.

Do: fenestrokurtenoj, silko kaj aliaj bagatelaĵoj — kaj el la pola flanko: objektoj de ĉiutaga bezono.

Kiu bezonas fenestrokurtenojn, kiam la vivteno estas tiel multekosta? La vivteno estas kara ankaŭ trans la limo! Viando kaj faruno, lardo kaj kolbaso. Ah! tiu kolbaso!

Ne ĉiam oni povas konservi bonan humoron. Ekzemple dum malhelaj, glitaj, pluvaj noktoj. En oreloj — kvazaŭ oni enŝtopus vaton. Iaj suspektaj voĉoj, bruoj, kaj eĉ paŝoj — perdiĝas pro la senĉesa pluvo kaj pro la pezo de l'humida aero. Al la limgardisto Kobura ŝajnas, ke tuj, post momento, io el tiu ĉi malhelo surfalos lian nukon. Li streĉas la aŭd- kaj vidsenton, — estas ja sciate, ke en tiaj noktoj oni kontrabandas plej multe, kontrabandas profesie. Neniam okazis, ke kontrabandistoj iris kun armilo en la mano. Tamen nun okazas, ke ili havas armilon kaj pafas, kiel dum milito. Kaj kio estas la objekto, kun kiu ili transiris la limbaron? La komunistaj paperoj.

Tia 8-hora fortostreĉo trouzas la nervojn.

Okazas foje, ke oni renkontas »strangan« kontraŭulon. Tion ĉi kaŭzas la senlaboreco en ĉi tiu kaj en la transa flanko. La senlabora homo, se li eĉ antaŭ semajno estus tute prudenta, kiam li estas malesperinta, kaptas ĉian eblan laboron. Ĉu kontrabando? Egale, ne malbona salajro. Li iras. Li iras, renkontas limgardiston, salte revenas trans la limon.

— He — li diras morne — foriru. Mi ne havas laboron, hejme multaj infanoj. Ankaŭ mi volas vivi. Foriru.

La senkolorigitaj ĉifonoj, postrestaĵo de iama nigra vesto, kaj nigriĝinta vizaĝo, atestas pri tiuj ĉi vortoj. Sed tiel malsaĝe diri al la limgardisto Kobura, kiu ja plenumas sian devon?! Ĉu li scias, kion li diras? La limgardisto staras senmova, li ja ne kaptos lin, se li estas trans la limo.

— Vi ricevas salajron — aŭdiĝas raŭka voĉo — ĉu ne? Vi volas vivi — ankaŭ mi volas vivi. Foriru!

— Ne estu malsaĝa — diras la limgardisto Kobura. — Ĉu mi ne permesas al vi vivi? Vivu, sed koncerne tiun foriron, ho ne, ne. Kaj ne parolaĉu tiamaniere.

Ili staras momenton ĉe ambaŭ flankoj de la limo, fine la kontrabandisto reiĝas en la profundon.

La limgardisto komencas sian ĉirkaŭiron. Li iras trankvile ĝis la unua malgranda altaĵeto, — ĝis fosaĵo, kolono aŭ ŝtono. Li malaperas kaj de tie li observas sian kontraŭulon, kiu ja certe ne lasos for sian aferon. Efektive, li ŝteliras laŭlogne de la ŝtatlimo. Ili observas nun unu la alian. La limgardisto havas jam la tutan strategian planon preta, li konas ja la terenon kaj ĉiujn eblajn trairejojn al la urbo. Li atendas iom da tempo, poste li rapidas al iu punkto, denove atendas momenton, — aŭdas ies paŝojn, lasas libera la »gaston«, poste jam ĉe la sojlo de la urbo »kaptas lin«.

Unu horon poste la limgardisto Kobura sidas en sia oficejo kaj skribas la raporton: tiun ĉi tagon, tie ĉi, tie... Li pene skribas la vortojn, ja ĉiam en liaj oreloj sonas parolo: Foriru, ankaŭ mi volas vivi!

Kamaradoj diras unu al la alia: Nu, jes, Kobura havas bonajn rezultojn.

Nu, jes, la rezulto! Se li ne havus ĝin, la unuan, duan, trian fojon, la ĉefo demandus:

— Kial tiel silente, sinjoro Kobura? Ĉu viaj klientoj preĝas?

Jen li ricevis averton. Estu singarda! Kaj tia homo staras sur la limo kaj diras, ke li volas vivi.

Kompreneble, ĉiu volas vivi, kaj ankaŭ la limgardisto Kobura.

El la pola: *Halina Weinstein.*

## *Defilado de atletoj*

— *Kazimiro Wierzynski* —

Nia kanto ne konas aŭgurajn inspirojn,
De alia standardo min vokas purpur' —
Ni glorigas la spacon, muskolojn kaj spiron,
Kiu al maratona kapablas vetkur'.

Ni ĉirkaŭas la mondon per novpanoramo
Kaj laŭ takt' novan paŝon diktadas al ĝi.
Ni marŝadas tremante — homplena dinamo
Densan sukon premanta tra la arteri'.

Tuta mondo kunpulsas per la sama ritmo,
En la brakoj dormetas eksving' de jetkord',
El la brakoj rezultas per vivlogaritmo
Volo krampe ligita, potenco kaj fort'.

Nia kant' super mondo krozadas ŝvebante,
Nia kant' la popolojn kunforĝas per hard',
Nia kant' kiel maro inundas fluante,
Kontinentojn atakas kaj vokas al start'.

Nia kant' portas vokon al via poeto,
Kiu kronojn plektadis por dia tempi' —
Portos laŭron olimpan al li estafedo,
Nian signon — la mondon li kronu per ĝi!

El la pola: *Marek Wajsblum.*

## *Nurmi*

— *Kazimierz Wierzynski* —

Paŝ' mia — marŝo dancanta, paŝ' kiel koro batbata.
Mi — la horloĝo de spiro, turo aere portata.

Ritmo kuniĝas kun tero, paŝo ĝin frape tamburas —
Kuras mi tra kontinentoj, mondon mi foran trakuras.

Movo kun movo alternas, cirklon formante dum iro;
Mi — la horloĝo de streĉo, mi — la rekord' de l'inspiro.

Salte mi pasas tribunojn, pasas arenon kriantan —
Vento de miaj flugiloj, portas min vento giganta.

Takton mi skandas kurante, al celo portas min vento
Diru al tiuj amasoj: Finu la krion! Silento!

Mi ja ne volas triumfon, laŭdan ne volas mi bruon,
Nur, disŝirinte rubandon, dormi en greka statuo.

El la pola: *Marek Wajsblum.*

# Moderna pentroarto pola

— *Waclaw Husarski* —

En la lastaj jardekoj de la pasinta jarcento en la eŭropa pentroarto naskiĝas nova movado, movado inaŭgurita en Francujo, kiu, malgraŭ ĉiaj eventualaj rezervoj, pensigas pri vekiĝo de printempo.

Unuafoje ja, ekde la komenco de la jarcento, post longa periodo de retrospekto, de muzeaj rememoradoj, de historiaj memorajoj, la eŭropa arto fine permesas al si propran vizion, freŝan, sendependan, sian propran kaj novan manieron de laŭforma traktado de temobjektoj.

Impresismo estas la movado, kiu, la unua ekde la komenco de la jarcento, enkondukas valorojn tute novajn, rezultigas akirajojn antaŭe nekonatajn kaj konservas intiman ligon kun la samtempo — ne nur tial, ke ĝi reprezentas ekskluzive samtempan vivon, sed ankaŭ tial, ke por prezenti ĝin, ĝi uzas novajn metodojn kaj procedojn.

Tiel komenciĝas la moderna periodo de la pentroarto. Ĉi tiu pentroarto restos jam moderna eĉ denove revenante al rememorajoj pri malnovaj formoj, ĉar ĝi scios ilin interpretadi libere kaj konkorde kun la spirito de niaj tempoj.

*

Dum preskaŭ kvarona jarcento, la impresismo, eĉ en sia patrujo, estis rigardata kiel ekstravaganco de homoj dezirantaj altiri la atenton per ekscesa originaleco; pri ties disvastigo ekster Francujo oni ne povis eĉ paroli. Nur ĉirkaŭ 1890 oni komencas ĝin kompreni kaj ŝati.

Ĉirkaŭ tiu tempo venis en Parizon du junaj artistoj polaj — Józef *Pankiewicz* (1870) kaj Wladyslaw *Podkowinski* (1866—1895). Ili estis ravitaj de la impresismo kaj iĝis ties unuaj propagandistoj en Pollando. La sinteno de la kritiko kaj publiko estis hezita; inter la junaj artistoj tamen troviĝis kelkaj entuziasmaj adeptoj, el kiuj la plej talenta estis Leono *Wyczólkowski.* (1852). De tiam ankaŭ en Pollando komenciĝas la periodo de la moderna arto.

La impresismo tamen, en sia pura formo, estis movado tro ekscesa kaj tro partia — ni diru eĉ, tro doktrinema — por longe konserviĝi senmodifa. De la vidpunkto de enhavo ĝia eksperimentemo kaj preskaŭ scienca studemo, demonstracie foriganta ĉiun sentiment-elementon, estis jam tro doktrina; koncerne la formon, ĝi estis ekscesa forjetante la tradiciajn principojn de l' estetiko. Fine, ĝi estis tro parta, limiĝante ekskluzive al la problemoj de la koloro, je la malprofito de la formo.

Ĉio ĉi necese devis okazigi reagon — ĝi komenciĝas preskaŭ tuj post la ektriumfo de la nova tendenco kaj daŭras ĝis nun.

Malgraŭ tio, la kreaj elementoj de tiu movado konserviĝis por longe, kruciĝante kun konceptoj ĝin postirintaj. En tiuj kruciĝoj la impresisma elemento ludas ofte gvidan rolon, tiel ke oni povas ilin rigardi unu el ties modifoj. Tial do ili kutime portas la nomon de postimpresismo. Ĝuste en tiu modifita aspekto la impresismo definitive enradikiĝis en Pollando, kreante multajn lokajn variajojn, ofte tre specifajn. Mem *Pankiewicz,* ĝia iniciatinto sur pola tereno, iom post iom malproksimiĝis de la strikta doktrino de Monet. Lia kamarado, Podkowinski, komplete forlasis ĝin en la lastaj jaroj de sia mallonga vivo; liaj lastaj verkoj estas konceptitaj en tute alia spirito kaj se paroli precize, apartenas jam al la kontraŭimpresisma reago.

*

Tiu reago, en sia unua etapo, havas certagrade karakteron de reveno al la idealo de la romantisma epoko. La rilato al pentra formo ŝanĝiĝas, samkiel la emocia vidmaniero.

La sentimento, kiel ni diris, estis forigita de l' impresistoj sur la marĝenon de l' arto, nun tamen spiritaj kaj emociaj problemoj rekomencas altiri la atenton de l' artistoj. La mistikismo kaj la simboliko reakiras sian civitanecon. Oni serĉas la esprimon de l' animo en portreto, la atmosferon en pejzaĝo. La impresistoj aplikis la plej novajn akirajojn de l' scienco — nun oni ekŝatas naivon, simplon kaj sanktan kredon. Denove honoriĝas la arto mezepoka, denove oni adoras la popolon kun ties simpla kaj mistika spirito, kun ties hieratikaj kostumoj, kun ties mistikaj ritoj perdiĝantaj en la mallumo de l' pasinteco. Oni ekinteresiĝas eĉ pri la popoloj de primitiva kulturo. Refoje, kiel en la romantika epoko, oni sentas emon al la baroka arto kun ties ekspansivemo kaj afekta dinamismo.

Ankaŭ la maniero de formkoncepto subiĝas al modifoj, kvankam ne tiom radikalaj. Okazas reveno al la estetikaj postuloj forjetitaj de l' impresismo, kiel nekonformaj kun la scienca rilato al la videbla realo. Unu el la esencaj principoj de la nova estetiko estas la regulo, ke la pentrajo devas posedi dekoran valoron. Laŭ la opinioj de la epoko, pri tiu valoro decidas antaŭ ĉio du elementoj: linio kaj kolormakulo. La linion oni ŝatas ondanta, tordiĝema, eĉ iom kaprica. Kiel ni diris, la arto de la XVII. kaj XVIII. jc. influas certajn pentristojn de tiu periodo — ĝi influas ankaŭ ilian formon.

Tiaj estas la fundamentaj principoj de la generacio elpaŝinta sur la arenon post la impresistoj. Ni ripetu ankoraŭfoje, ke tiu koncepto nur malofte aperas en sia tute pura formo — multe pli ofte ĝi kuniĝas kaj kruciĝas kun la antaŭirinta ĝin tendenco. En tiu kunfandajo la proporcio de la diferencaj elementoj estas varia — oni povus konsistigi tutan skalon, ekde verkoj, en kiuj la influoj de la impresismo estas apenaŭ sentebla ĝis tiaj, kiujn oni povus kvalifiki apartenantaj al apenaŭ maskita impresismo. La postsignoj de la impresismo estas plej bone distingeblaj en la koloraro, kion motivas la fakto, ke ĝuste la koloro konsistigis la plej fortan flankon de la impresistoj ; sur tiu kampo ili faris malkovrojn, pri kiuj rezigni estus malfacile.

*

Tiu pentroarto, kiu, rilate al la integra impresismo, estis samtempe reago kaj evoluo, en Pollando estas reprezentata precipe de artistoj grupiĝintaj en la societo »Arto«.

La mistiko kaj simbolismo de tiu periodo trovas la plej klaran, plej karakterizan kaj plej originalan esprimon en la kreado de Jacek *Malczewski* kaj *Wojtkiewicz,* en la vitrajoj de Stanislao *Wyspianski* (1869—1907) kaj Jozefo *Mehoffer.* Al la simbolismo konvertiĝas eĉ tiuj artistoj, kiuj antaŭe serĉadis alian idealon — ekzemple Podkowinski, unu el la pioniroj de la impresismo en Pollando, aŭ Piechowski, komencinta per historia pentrado.

La arton de ĉiuj ĉi artistoj karakterizas serĉado de spirita esprimo en la homa vizaĝo. Stanislao *Wyspianski* estis rekonita majstro ĝuste pro sia povo marki ĉi tiun esprimon same en siaj portretoj, kiel en siaj vitrajoj. Liaj lernantoj disvolvas tiun tendencon. Plej rimarkinda inter ili estas *Rembowski.* La portretoj de *Boznanska* preskaŭ maltrankviligas per la intenso de sia esprimpovo.

La pejzaĝo, aspiranta kapti la »atmosferon« de la naturo, estas reprezentata de Johano *Stanislawski,* kiun sekvas liaj multnombraj lernantoj.

La mistika, naiva kaj primitiva menso de la popolo vekas la intereson de *Axentowicz*, kiu ŝatas precipe prezenti la religiajn ceremoniojn de la huculoj. Ĝi interesas kaj altiras ankaŭ Kazimiron *Sichulski*, Friderikon *Pautsch*, Apolonius *Kedzierski*, kaj *Jarocki*.

La arto mezepoka, arto gotika kaj la frua renesanco, ankoraŭ najbara al la gotiko, distingeble influas *Wyspianski* kaj *Mehoffer;* ankaŭ Jacek *Malczewski* ne restas ekster ties influo.

La eĥoj de la baroko sentiĝas ankaŭ ĉe certaj pentristoj de tiu periodo. *Krzyzanowski* troviĝas sub la ĉarmo de Hals kaj Velazquez. Hals estas ankaŭ modelo por *Lentz*. La arkitektaj fantazioj de *Noakowski* naskiĝas ne sen la influo de la desegnistoj-arkitektoj italaj el la XVIII. jc. Iom malfruiĝinta reprezentanto de tiu nov-baroka tendenco estas unu el la lernantoj de Krzyzanowski kaj certagrade lia spirita heredanto: Tadeo *Pruszkowski*.

Aliflanke, tiu tuta pentroarto evidentigas pli aŭ malpli klaran dekoran trajton. Ĝi estas pli forta ĉe *Wyspianski* kaj *Mehoffer*, eĉ en liaj stablobildoj; ĝi sentiĝas same ĉe Wladislao *Slewinski* kaj *Kedzierski;* ni ĝin retrovas ankaŭ ĉe aliaj.

Ĝi aperas eĉ en la ŝajne impresistaj pejzaĝoj de Stanislawski kaj de lia skolo. Koloroj de ĉielo, de herbejo kaj akvo fariĝas por tiuj pentristoj preteksto por rafinaj harmonioj. Ili sentiĝas en la dekora silueto de arboj, de plantoj, eĉ de nuboj. Ni retrovas la dekoran aspiron en la principe realistaj bildoj de Julio Falat. Ni ilin retrovas ĉe *Wyczólkowski*, kiu, malgraŭ sia akurata objektiveco, ekzaltas la pompecon de koloroj kaj en siaj litografajoj kreas belegan ludon de blankaj kaj nigraj makuloj.

Tiu genro ne estas jam pura impresismo — ĝi estas postimpresismo.

La arto de Jozefo *Pankiewicz*, en ties plej malfrua maniero, same estas postimpresisma. La postuloj de la impresismo subiĝas tie al certaj modifoj, kiujn konsistigas la pli klara substrekado de la plastika formo kaj la rekomponado de la motivo en harmonian tuton, kion la impresistoj rigardus malinda por la scienca rilato al la realo.

La arto de Adalberto *Weiss* prezentas saman evoluon rilate al la pura impresismo — oni konstatas en ĝi la saman rehabiliton de la plastika formo, la saman aspiron al kompono penetrantan en la ŝajne realistan prezenton de la naturo.

La lastenomitaj pentristoj verdire persistas en la impresismo — ĉiuokaze la kontakto kun tiu tendenco estas videbla ankaŭ ĉe ĉiuj aliaj artistoj de tiu periodo. Malgraŭ la dekora stiligado ilia rilato al la naturo originas el pura impresismo; la plejparto el ili influiĝas per impresismo ankaŭ en la koloro, kiu restas klara kaj lumoplena. Unikan escepton tiuflanke konsistigas la »barokistoj«, ŝatantaj malhelajn kolorojn: *Krzyzanowski* kaj sekvinta lin *Pruszkowski, Lentz* kaj *Noakowski*. La lasta cetere plejparte praktikas desegnon.

*

En la dua jardeko de la XX-a jc. denove sentiĝas en la arto certa ŝanĝo de tendenco. Ĝi anonciĝadis jam en la antaŭa periodo. Post la provokaj novaĵoj de la impresistoj, la reveno al la tradicio akiras nun karakteron de reveno al la klasika idealo. Samtempe kreskas tendenco al primitivismo, ekĝerminta ankaŭ de post la fino de la XIX. jc

Tiuj du tendencoj, klasikismo kaj primitivismo, ŝajne kontraŭaj, miksiĝante en diversaj kombinoj, ofte interesaj aŭ strangaj, estas karakterizaj por la arto de la generacio verkanta en Pollando dum la lasta jardeko antaŭ la milito.

## ARTO

**— Antoni Slonimski —**

Per kuprosonoro ektintas la plank' —
kun ŝildo ĉe l'koro, vertagro ĉe l'flank',
invadas vi tendojn foirajn.

Dum buŝoj enronde, okuloj en rond'
ĉirkaŭas vin fronte — eksplodas en ond'
la torso el faldoj drapiraj.

La brakoj serpentas en fluga balanc'
dum saltoj torentas, torentas la danc',
sur ruĝan tapiŝon ekfalas.

En tint' tamburina, en krio kaj svarm',
alfluas, senfina, flugila, la ĉarm' —
silento flugila kaj pala.

La frunton tentante surkovris la kask',
ĝis, ronde dancantan, vin volvos lumfask' —
ho Muzo kun haroj disfluaj!

Harligon flambrulan en kora sopir'
kun larma okulo elsonĝos delir'
de iu vagisto senŝua.

La paŝoj balancaj, kaj ruĝo de l'vest'
kaj saltoj la dancaj, eterna la gest',
kaj via facilo sen laco —

jen ĝi rekompenco pro penoj al ni,
konsola potenco de vi, iluzi',
silenton sternanta en spaco'.

Ni dece regalos la ritmon de l'paŝ',
sed torĉojn bengalajn kun vanta brulaĵ'
estingu — okuloj doloras.

Tapiŝ' nin turmentas, la ruĝo de l'sang',
kaj ton' via fremdas, konfuzas la strang',
la kordoj grincante ĝemploras...

Malbono konspiras, odoras la sang' —
jen korp' via spiras per blova lavang'
ŝiranta la tendojn foirajn.

Foriru! al »brave!« jam mankas la fort!
Foriru! kaj flava vin kovru polv-ond'
la torson, la nudan, orbrilan.

El la pola: *Marek Wajsblum.*

---

La iniciatinto de tiu »primitivanta klasikismo« devas esti rigardata Eŭgenio *Zak*. Baldaŭ aperas Wladislao *Skoczylas*, kiu al tiu koncepto donas nuancon specife polan, ligante ĝin al arto popola. Tria gvidanto de tiu movado estas Ludomiro *Slendzinski*. La lasta cetere, pli ekzakte ol *Zak* kaj *Skoczylas*, konformiĝas al antikvaj modeloj, nome al la modeloj de la komenca renesanco.

En la verkoj de tiuj tri artistoj vidiĝas certa evoluo ligita kun nova ŝanĝo en la ĝenerala orientiĝo de l' arto. En 1908 kreiĝas nova movado — la kubismo, kiu post dek jaroj vastiĝos kaj naskigos diversajn variaĵojn kun diversaj nomoj, sed kun komuna ideologio.

*

La kubismo, kune kun siaj derivaĵoj, trovis en Pollando kelkajn rimarkindajn reprezentantojn, kiel *Wit-*

# Pola skulptarto moderna

— Waclaw Husarski —

La impresismo forte influis tutan generacion de polaj skulptistoj elverkintaj sur la sojlo de la XIX. kaj XX. jc. Por la plejparto el ili (Waclaw *Szymanowski*, Konstanto *Laszczka*, Henriko *Glicenstein*, Ksavero *Dunikowski*, Johano *Szczepkowski*, Eduardo *Wittig*, Stanislao *Szukalski)* ĝi estis nur transira etapo; multaj tamen esprimiĝis per tiu koncepto plej bone kaj plej komplete.

Tipa impresisto estas Anastazo *Lepla*, aŭtoro de kelkaj rimarkindaj bustoj kaj kapoj, parte en bronzo, en kiuj li aplikas la impresistan »nebulecon« por akcenti la subtilon de l' esprimo. Plej grandan famon akiris al li siatempe lia »Pariza fiakro«, en kiu, sen polikromio, sole per ludo de ombro kaj lumo li esprimis kolorefektojn ŝajne neeblajn en skulptarto, kaj eĉ la ludon de la artifikaj lumoj de la pariza nokto.

Apud Lepla, la plej eminenta impresisto en la skulptarto pola estis Johano *Biernacki* (1879—1930). Li komencis per verkoj de tipo pure impresista: portretoj ege vivaj, esprimoplenaj, kun akra, preskaŭ karikatura karakterizo, kaj bestoj bonege observitaj. En la postaj tempoj, en liaj verkoj vidiĝas pli granda zorgo pri la seriozo de l' formo; aperas kelkaj bustoj marmoraj, verkoj monumentaj malgraŭ sia impresisma bazo, vidigantaj bone digestitan influon de Rodin.

Kiel ni diris, la plejparto el niaj skulptistoj, komencintaj impresisme, baldaŭ ŝanĝis sian orientiĝon. Ĉi tiu ŝanĝo efektiviĝis ĉe diversaj artistoj en diversa tempo kaj en diversa direkto. Ĝi rimarkiĝas jam en la fino de la pasinta jarcento kaj en siaj plej banalaj simptomoj estas plej ofte difinita per la iom hazarda nomo de »secesio.«

Tipa »secesiano« estis Stanislao *Romano Lewandowski* (nask. 1859), siatempe populara aŭtoro de dekorobjektoj kun poezie-simbola enhavo — ekde utilaĵaj bagateloj ĝis surtombaj tabuloj. Poste tamen li transiris al modera klasikismo kaj kreis en tiu stilo kelkajn pli gravajn verkojn, interalie monumenton de la eminenta romantisma poeto Sigismundo Krasinski en la preĝejo de Opinogóra.[1])

Ne malpli tipa »secesiano« estis ankaŭ Waclaw *Szymanowski* (1859—1930); bedaŭrinde tamen li penis apliki la paseman kaj manierisman dekorformulon de l' secesio al verkoj monumentaj. Plej karakteriza por lia arto estas la monumento pri Chopin en la Ujazdova Parko en Varsovio, verko kuniganta ĉiujn mankojn de l' impresismo kaj ĉiujn erarojn de l' simbolisma stiligado.

Senkompare pli interesa reprezentanto de tiu secesiismo kaj simbolismo estis Boleslao *Biegas* (nask. 1877), grandega kvankam tute deformita talento, hodiaŭ preskaŭ forgesita, en la komenco de la unua jarcento ĝuanta mondan famon.

Per siaj plej karakterizaj verkoj apartenas al tiu artperiodo Konstanto *Laszczka* (nask. 1865), artisto tamen pli serioza ol la antaŭaj kaj multe pli bone majstranta la formon. Liaj tiamaj kreaĵoj hezitas inter impresismo, saturita per forte akcentata esprimo (ekz. bonegaj portretoj de tiamaj artistoj) kaj esprimismo (ekspresionismo) plena de la tiam reganta simbolismo kaj sennuanc-

[1]) Rigardu la artikolon pri la historio de Pollando.

---

*kowski, Stazewski, Strzeminski.* Granda parto el ili apartenis siatempe al la grupoj »Formistoj« kaj »Praesens«. Tiuj tendencoj aperas plejparte krucigite kun la aliaj, pri kiuj ni jam parolis... Oni povas diri, ke tri elementoj kontribuas al la specifa karaktero de la pola pentroarto el la unua jardeko post la milito: klasikismo ligiĝanta ĉefe al la frua renesanco, primitivismo apogiĝanta precipe sur la pola arto popola kaj reflektoj de kubisma koncepto.

Tiuj tri elementoj fandiĝas plej harmonie en la kreado de la artistoj apartenantaj al la societo »Ritmo«. Kiel ni diris, ni trovas tiun kombinon same ĉe *Zak*, kiel ĉe *Skoczylas*, kies primitivismo akiras nacian karakteron dank' al la influo de la pola arto popola, fine ĉe *Roguski*, ĉe kiu tiu tendenco estas ankoraŭ pli forta. La influo de la kubismo vidiĝas ĉe tiuj artistoj en la akcentado de la elemento plastika kaj en la konstruo de la bildoj laŭ ritmo de amasoj, surfacoj kaj linioj.

Ni retrovas tiujn trajtojn ĉe la tri nomitaj artistoj — ĉe *Zak*, *Skoczylas* kaj *Roguski*. Ili akcentiĝas ankoraŭ pli forte ĉe alia membro de »Ritmo«, Wackaw *Wasowicz*. La artistoj apartenantaj al tiu grupo konservas ankoraŭ certan kontakton kun la impresismo; ĝi videbliĝas same ĉe *Zak*, kiel ĉe *Roguski* kaj precipe ĉe *Borowski*.

La klasika tendenco plej klare sentiĝas en la verkoj de la pentristoj grupitaj en la »Asocio de Plastikaj Artistoj de Vilno« kun *Slendzinski* surfrunte. Kiel ni vidis, la gvidanto de tiu grupo ligas la postulojn de la klasikismo kun modere aplikataj kubistaj principoj.

Grupo de konvinkitaj klasikistoj partoprenas ankaŭ en la »Frataro de Sankta Lukaso«, elirinta de la Varsovia Akademio. *Gotard* kaj la primitivema Boleslao *Cybis* okupas la unuajn lokojn en tiu grupo.

La kreado de Sofia *Stryjenska* estas parenca al la ideologio de la priparolitaj artistoj — la arto popola konsiderinde influis ne nur la enhavon de ŝiaj verkoj, sed ankaŭ ties formon, en kiu ni, cetere, retrovas reflektojn de kubisma koncepto.

La kreado de Jacek *Mierzejewski*, tro frue mortinta kaj tro malmulte konata, same ligiĝas kun la ideologio de la »Ritmo«. Tiu artisto sukcesis en mirinde harmonia maniero unuigi la klasikan sobron de la kompono kun la rafino de l' koloraro, heredita de l' impresismo, kaj kun la simpligo de la plastika formo, testamentita de l' kubismo.

Kontaktojn kun tiu ideologio oni retrovas ankaŭ en la vizia primitivismo de *Makowski* mortinta en Parizo.

Fine ankaŭ la verkaro de Rafal *Malczewski* iom limas kun tiu grupiĝo; liaj pejzaĝoj, konceptataj simple, sincere kaj senpere, en sia ritmo de difinita kompono posedas kontaktopunktojn kun la postuloj de la primitivismo kaj samtempe kun la nova movado nomata »la nova objektiveco«.

Primitivisma tendenco superas en la grupo ŝerce nomata »Loĝio de Liberaj Penikuloj«.

*

Ni devas ankoraŭ diri kelkajn vortojn pri la plej juna generacio ĵus aperanta sur la scenejo. Ĝi ŝajnas reveni al la problemoj de koloro kaj pentra esprimo post la periodo de la klasikisma aŭ kubisma akcentado de formo. Tiu reveno estas karakteriza same por preskaŭ la tuta generacio de plej junaj artistoj elirintaj el la Krakova Akademio, kiel por la lastaj absolvintoj de la Varsovia Akademio — inter aliaj ankaŭ por grupo preninta nomon de »Varsovia Skolo«. Tiu reveno trovas esprimon en la agado de la grupo »K. P.« (»Kapistoj«), konsistanta el la adeptoj de la brila impresisto *Pankiewicz*, kiuj sub la influo de sia majstro provas renovigi la impresismon.

## SE EĈ MI RAJDUS NOKTE KAJ TAGE . . .

(POLA POPOLKANTO)

— Se eĉ mi rajdus nokte kaj tage,
Se eĉ ĉevalo blindiĝus vage,
Vi estos mia — jen via rol'
Kaj vi obeos al mia vol'!...

— Sed mi fariĝos birdeto eta,
Tra densarbaro flugos kvieta...
Do esti via — ne mia rol',
Mi ne obeos al via vol'!...

— Mi tamen havas hakilon karan,
Kiu fortranĉos denson arbaran.
Vi estos mia — jen via rol'
Kaj vi obeos al mia vol'!...

— Sed mi fariĝos ja ringo ora,
Tra glata vojo ruliĝos fora...
Do esti via — ne mia rol',
Mi ne obeos al via vol'!...

— Falkajn okulojn ne trompos svingo;
Mi vidos, kien ruliĝos ringo.
Vi estos mia — jen via rol'
Kaj vi obeos al mia vol'!...

— Sed mi fariĝos sovaĝ-anaso;
Sur granda lago ne helpos ĉaso...
Do esti via — ne mia rol',
Mi ne obeos al via vol'!...

— Ho, ĉe mi estas perfekta reto,
Kaptos anason je flugileto.
Vi estos mia — jen via rol'
Kaj vi obeos al mia vol'!...

— Sed mi fariĝos ja fiŝo eta,
Per ond' rapida naĝos sekreta...
Do esti via — ne mia rol',
Mi ne obeos al via vol'!...

— Plej densan reton mi akven ĵetos,
Kiu plej etan fiŝon elmetos.
Vi estos mia — jen via rol'
Kaj vi obeos al mia vol'!...

— Sed mi fariĝos stel' sur ĉielo,
Por malriĉuloj kompata belo...
Do esti via — ne mia rol',
Mi ne obeos al via vol'!...

— Mi supren tian sagon eksvingos,
Kiu steleton en nub' atingos.
Vi estos mia — jen via rol'
Kaj vi obeos al mia vol'!...

— Ho, Di-ordonon mi jam komprenas,
Kien mi iras, tien vi venas...
Do esti via — jen mia rol',
Mi jam obeas al via vol'!...

— Ludu, muziko! Mi Dion dankos!
Ĉe la edzino nenio mankos!
Nun metu manojn je mia kol',
Nun vi obeos al mia vol'!...

El la pola: *Leo Belmont*

---

emo, kiel Masko de Timo, Satano kaj fine La Penso — plej bona el tiamaj verkoj de Laszczka, en kiu mistera kaj maltrankviliga esprimo estas konceptata helpe de formo pli unueca kaj pli klasika ol ĉe la plejparto el la skulptistoj de la sama tendenco. Poste tamen, kiam pasas la modo je simboloj kaj sentnuancemo, Laszczka decide revenas al la klasikismo kulturante literaturan simbolismon nur en sia ceramiko.

El tiu postimpresisma koncepto ekiris ankaŭ Henriko *Glicenstein* (nask. 1870), kiun tamen savis de la secesia manierismo lia konstanta loĝado en Italujo kaj la influo de la tiea arto klasika. Ĉi tiu influo rimarkiĝas jam en la antaŭaj verkoj de Glicenstein, konceptataj ankoraŭ impresisme. Poste la artisto pasis tra periodo de simbolismo, kvankam modere aplikata, kaj lasttempe la ĉefa aspiro de lia arto fariĝis la forto kaj koncizo de la esprimo — esprimo severa, iom primitiva, iom kvazaŭ kamparana, en kiu sentiĝas influo de popolaj sanktulfiguroj. Plej eminentaj verkoj el la lasta, esprimisma periodo, estas Kristo, Sankta Francisko kaj Milton.

La plej potenca artisto elirinta el konceptoj de tiu periodo estas Ksavero *Dunikowski* (nask. 1876). Ankaŭ li, kiel lia tuta generacio, pasis tra impresismo, ankaŭ li pagis tributon al la simbolismo kaj stiligado, cetere konceptata multe pli profunde ol ĉe la plejparto de liaj samtempuloj — por fine dediĉi sin al la esploro de la esprimo kaj atingi en ĝi senekzemplan, eksterordinaran potencon.

La ekspresionismo ja estas plej esenca eco de lia artista organismo; la esprimisma tendenco, apud multaj aliaj fluanta tra l' arto de l' epoko, en kiu li estis ekverkanta, nur faciligis al li la trovon de la propra vojo. Lia interna bezono estis la esprimigo de la tumultantoj en li, ofte interluktantaj kaj lin suferigantaj sentoj kaj ideoj. Dum sia tuta vivo li serĉadis kaj ĝis nun li serĉas rimedojn por ekstera koncepto, kiuj plej bone konformus al lia interna dinamismo. Pro tio ĝuste frapas en liaj verkoj la batalema akreco de tiu ekstera koncepto, pro tio lia variemo, pro tio ankaŭ la diversaj eksperimentoj laŭ ĉiuj laŭvicaj stilformuloj, kiuj en la lastaj tri jardekoj aperadis sur la horizonto de l' arto, pro tio fine lia volonta revenado al malnovaj stiloj. Malgraŭ tiu konstanta stilvariado, lia arto konservis tamen frapantan homogenecon — dank' al la homogeneco de sia interna vizio, de siaj sent- kaj idevaloroj. Dunikowski estas individuo, en kiu la plej ekstremaj kontrastoj — mistikismo kaj sensemo, intelektismo kaj eksplodemo de temperramento — fandiĝis en unu tumultan, komplikan sed unuecan tuton.

Epigono de simbolismo kaj stiligado estas Stanislao *Szukalski* (nask. 1895). Ankaŭ ĉe li elirpunkto estas la elementoj de l' enhavo, ankaŭ li konceptas la formon nur kiel rimedon por esprimiĝo kaj ne kiel celon, ankaŭ li fine en la serĉado de tiu rimedo ĉerpas modelojn el la arto de la oriento kaj okcidento — tiu simbola enhavo estas tamen esence literatura, la formo seka, preciza, prefere grafike dekora ol plastika, stiligita pli strange ol originale. En tiu pure ideografia arto estas grandaj bonoj akademiaj, estas regado super materialo, estas ankaŭ

kuraĝo de ideoj kaj konsekvenco en ties realigado, ŝokas tamen la ekstrema intelektismo de la interna konstruo kaj la konforma al ĝi teoriema stiligo de la ekstera koncepto.

Kiel ni vidis, la plejparto el la skulptistoj komencintoj sub la signo de l' »secesio«, baldaŭ ŝanĝis sian orientiĝon, konservante nur iajn sento- aŭ enhavo- valorojn de la origina koncepto, precipe la serĉadon de esprimo. Tiuj, kiuj ne kapablis aŭ ne emis al ŝanĝo, evidentiĝis bankrotintaj.

Ruinigis ilin la bankroto de la »stilo« mem. Ties origine bone konceptitaj principoj en la manoj de la adeptoj degeneris en dekoran stilformulon kun laciga eco de kaprica manierismo. El tio rezultis dume disreviĝo pri ideo la de la nova stilo mem kaj reveno al la tradiciismo. Kiel ĉiam en tiaj momentoj, oni sin turnis al la klasika koncepto.

Kronologie la unua reprezentanto de tiu tendenco, reprezentanto ankoraŭ iom hezita kaj ligita kun dekora stiligemo kaj ekspresionismo estas Antonio *Wiwulski* (1877—1917), kreinto de Grunwalda Monumento en Kraków.[2]) La verko havas multajn misajn trajtojn, oni devas tamen memori, ke ĝi estas ĉe ni la unua provo reveni al la klasika monumenta koncepto en la skulptarto.

La skulptarta novklasikismo en Pollando trovis sian plenan kaj ĝustan esprimon en la kreado de Eduardo *Wittig* (nask. 1879). Tiu tendenco plej bone konformis al lia ekvilibrita temperamento. Liaj multnombraj verkoj el klasika periodo — kiel Arkpafisto, Evo, Pola Nike, Projekto por Monumento de Aviadisto — frapas per simpla kaj esprimoplena traktado de solido, trankvila ritmo de l' kompono, koncizo kaj energio de l' formo apud manko de subtilo en detala prilaboro de tiu formo. Tiu manko tamen ne estas fundamenta kaj certagrade konsistigas eĉ la esencan elementon de artista koncepto, kies ĉefa eco estas la viza, iom kruda forto.

Kompleta kontrasto de Wittig inter la klasikemaj skulptistoj estas Henriko *Kuna* (nask. 1883) — mola, sentema temperamento, kies milda mistikismo, unuigita kun subtila, ĉarmoplena sensemo, esprimiĝas en formo kristale pura; en tekniko senriproĉe preciza en kompono, kies harmoniojn oni povus nomi muzikaj. La esenco de tiu kompono estas ja mirinde pura ritmaro — ritmaro de linioj kaj surfacoj, kunfluantaj en senriproĉan akordon de l' solido. Signifa estas la nomo de lia plej konata skulptaĵo: La Ritmo; la saman nomon povus tamen porti ankaŭ ĉiuj aliaj verkoj de Kuna, sendepende de tio, ĉu ili nomiĝas Fiŝisto, Aŭroro aŭ Atalanta. La definitivan harmonion donas al tiu ritmaro la eksterordinara pureco de la skulpta surfaco, iafoje diskrete polikromata. Kuna prilaboras la materialon — same la marmoron, kiel la bronzon aŭ la lignon — kun la amo de denaska skulptisto kaj kun majstreco rememoriganta pri la grandaj epokoj de l' arto.

Perfekta prilaboro de materialo karakterizas ankaŭ *Aŭguston Zamoyski* (nask. 1893), nome la verkojn el la lasta, klasika periodo de tiu artisto, komencinta per kubismaj eksperimentoj.

Inter la multnombrega grupo de la klasikemaj skulptistoj distingiĝas la originale per materialo manipulanta *Stanislao Rzecki*, la serioza en siaj portretoj *Martino Rozek*, la stiliganta kun dekora gracio virinan korpon *Stanislao Poptawski*, la kreinto de multaj monumentoj *Mieczysław Lubelski*, la talentoplena sed malebena en



Henriko Kuna *Knabino* (bronzo)

sia kreado, ĉiam ankoraŭ serĉanta sian propran esprimon *Sofia Trzcinska-Kaminska*, la serioze kaj en nobla materialo laboranta *Antonio Miszewski*, la fort-esprima *Abrahamo Ostrzega*, la dekorema *Aleksandro Zurakowski*, fine la absolvintoj de la Varsovia Akademio de Belartoj ŝuldantaj siajn bonajn principojn al instruoj de profesoro *Breyer: Francisko Strynkiewicz, Alfonso Karny, Kazimiro Pietkiewicz* kaj aliaj.

Apartan, iom diferencan branĉon de klasikismo reprezentas tiuj skulptistoj, kiuj unuigas la principojn de l' klasika formo kun certa primitivigo, iafoje ligiĝanta al popola arto kaj ĉiam serĉanta dekorefektojn. Al ili apartenas interalie la tro frue pereinta *Vladimiro Konieczny, Stanislao Sobczak, Jozefo Starzynski, Bazilo Wójtowicz, Eustaho Fierk.*

[2]) Monumento je la memoro de la 500-jara datreveno de venko de unuiĝinta pol-litva ŝtato super kruckavaliroj apud Grünwald (1410). — Rig. artikolon pri historio de Pollando.

# Du noveloj

— Janusz Korczak —

## TAKSISTO

Okazis en tiu mallonga tempospaco de mia vivo, kiam mi ĉiam serĉadis temojn kaj tipojn por miaj brilaj verkoj, mirindaj noveloj kaj dinamikaj psikologiaj studoj. Almozulo — bonega tipo; drinkulo — des pli interesa tipo; — posedanto de popola manĝejo — interesa centro. Guste en tiu tempo mi garantiaĵigis en lombardo memoraĵan horloĝeton, sufiĉe memoraĵan ringon, tute ne memoraĵan palton kaj mi decidis skribi genian verkon sur la fono de lombardaj interrilatoj. Feliĉe por mi, kaj certe por la legantoj, mi malofte komencis tiajn historiojn kaj neniam, kompreneble, ilin finskribis. La restintajn notojn el mia junaĝo mi vendas hodiaŭ po dek groŝoj por linio...

La lombardtaksisto estis maljuna grizharulo, ĉiam kviete ridetanta. »Sinjoro« mi diris al li foje, vidante en li la estontan heroon de mia ĉefverko, dononta gloron, du monumentojn, unu senmortecon kaj »engagement« al tri ĵurnaloj, pagantaj riĉan honorarion, »sinjoro — mi diris — via okupo estas tre enua kaj unutona, vi havas el via laboro nenian moralan kontentiĝon, ĉar la lombardo apartenas al la plej malnoblaj kaj plej malestimindaj entreprenoj. Bonvolu diri al mi, kial vi aspektas homo tute kontenta pri sia vivo, kial vi plenumas vian duagradan okupon tiel kviete, tiel kontente, mi diros, eĉ entuziasme.

Li ridetis per sia bonkora kvieta rideto kaj respondis: »Vi pravas — mi estas taksisto pro inklino, mian okupon, kiun vi nomas duagrada, sensignifa, mi ne interŝanĝus kontraŭ posteno de ministro. Tio mirigas vin?« — Efektive mi estas treege mirigita.

»Vi diras, ke la lombardo havas malbonan opinion en la socio. Mi tion scias, sed ĝi estas erara opinio. La lombardo estas eduka akademio de la popolo: ĝi instruas ĝin pri du ĉefaj aferoj: unue, ke ekzistas objektoj multvaloraj, tamen tute senvaloraj; due, ke facile estas pruntepreni monon kaj malfacile ĝin redoni. Ne estas nia kulpo, ke la homoj ne volas profiti la spertojn de la lombarda pedagogio. Kio estas ringo, broĉo, orelringo? Nenio — brilaĵeto. Kio estas salono, belulino aŭ malsaĝulino, edzino, silka robo, poeto? Brilaĵeto; multvalora kaj senpripensa. Tamen, la homoj havas tiajn objektojn, ili aĉetas ilin por multa mono, ilin karesas, al ili alkutimiĝas, ĝis ili portas ilin al ni por konvinkiĝi, ke ili estas ludiloj, sen kiuj vivi estas eĉ pli oportune. La samo estas gloro, honoro, distingo, mondaj rilatoj, ordenoj kaj medaloj, adoroj, salutoj, parenceco. Kaj vi, sinjoro, kiu lombardis jam la orajn objektojn, kial vi venas nun kun palto? Kial vi mensoge trompas vin mem, ke vi elaĉetos ĝin? Kial vi ne aranĝas vian vivon tiamaniere, ke vi ne devu lombardi objekton efektive bezonan? Elspezoj kaj kredito — nature, estas riĉeco de popolo kaj ĝia estonteco.«

Li regalis min per cigaredo kaj daŭrigis: »La lombardo, sinjoro, estas vivo. Kion vi foje garantiaĵigos, tion vi jam ne elaĉetos. Ĉiu homo en sia junaĝo havas plenan trezorejon de idealoj, kiujn li garantiaĵigas, garantiaĵigas... por vivi nur. Li komencas ĉe tiuj idealoj, al kiuj li plej malmulte inklinas, kiuj ne estas liaj karaj heredaĵoj kaj poste... por prezo de komforto, de momentaj incitoj, de kabinetaj ĝuoj kaj triumfoj li lombardas honestecon, virton, honoron, indecon, — ĉion. Unue li pagas procenton, poste li restas ŝuldanta, fine la garantiaĵo estas aŭkcie vendata, kaj jen la fierecon aĉetas uzuristo, kiu havas por tio sufiĉan monon. Civilan kuraĝon aĉetas bankisto, spekulaciisto... kaj tiel plu... turniĝas ĉiam, turniĝas ronde... kaj la popolo lombardas tiamaniere siajn idealojn. La lombardo estas grandioza socia observejo.«

Li rigardis en libron, leviĝis kaj eniris najbaran ĉambron kaj alportis du malgrandajn objektojn. »Ĉu vi vidas tiun ĉi kruceton? Unuafoje lombardis ĝin virino funebre vestita. Ŝi elaĉetis ĝin. Post dudek jaroj lombardis ĝin junulo kaj ne enpagis eĉ unu parton. Ni vendis la kruceton. Post ses jaroj alportis ĝin refoje tre malgaja knabino kun suĉinfano en la manoj. Ĉu vi vidas tiun ĉi sigelringon? Ĝi estis dufoje lombardita: de patro kaj de filo. En kelkaj tagoj ni aranĝos aŭkcian vendon: iu aĉetos ĝin kaj denove lombardos. Vi miras, ke mi memoras la historion de tiuj ĉi objektoj. Ĉar ĉio interesas min, okupas, ĉar mi estas

---

La plejparto de niaj skulptistoj ĝis nun persistas ĉe klasikismo, tiel konformega al la karakterizaj kvalitoj de l' skulpto, malgraŭ ke en la tuto de l' evoluo de l' moderna arto ĉi tiu tendenco estis nur transira aperaĵo, kiun denove sekvis fazo de serĉadoj pri nova kaj moderna stilo. Tiufoje la serĉado havis elirpunkton en kubisma koncepto kun ties ritmaro de simplaj geometriaj surfacoj kaj solidoj. La nova koncepto ne restis sen resono ankaŭ en la skulptarto. Ni jam menciis la kubismajn eksperimentojn, per kiuj komencis Aŭgusto Zamoyski. Tiu koncepto forte influis ankaŭ *Romanon Zerych*. Al ĝia influo submetiĝis en pli aŭ malpli forta grado aliaj skulptistoj, kiujn ni ĉi tie kvalifikis kiel klasikistojn pro ilia principa tendenco.

Plej specife tamen aplikis la novan ritmaron de surfacoj kaj solidoj *Johano Szczepkowski* (nask. 1878) en siaj du plej eminentaj kaj plej karakterizaj verkoj: Kapelo de Kristnasko kaj Altaro de Ĉielpreno de Mario. Li faris tiun ritmaron elemento de eksterordinare originala tuto, kiun eniris ankaŭ profunde trapensitaj kaj same profunde trasentitaj transponoj de popola arto, en kiu resonas foraj eĥoj de la kreado de Wit Stwosz[1]) kaj samtempe influoj de l' klasikismo. Tiu kunigo de elementoj ŝajne tiom diversspecaj kaj eĉ kontrastaj estas tamen frapante unueca. Ĝi rezultas interalie el interna ordo en ilia kunligo kaj reciproka rilato. La akso, ĉirkaŭ kiu ĉio kristaliĝas en tiuj verkoj, estas la poleco. Poleco de l' koncepto, poleco de formala pritrakto, poleco de l' materialo. La altaroj estas evidente kristanaj, ĝi estas tamen pola kristanismo fandita kun la slava mitologio. Ambaŭ estas ĉizitaj en plej ordinara, tipa materialo pola — el pinligno. La dekormotivoj estas la praaj motivoj de la pola ĉizarto popola. Kaj apud ĉio ĉi la duonskulpta-duonĉarpenta prilaboro de la ligna materialo, prilaboro aplikata kun profundega sento de ties naturaj kvalitoj, enhavas iom el kubisma koncepto en sia intersekciĝado de angulpine pritranĉitaj solidoj. Szczepkowski sukcesis unuigi ĉiujn ĉi ide-, sent- kaj form-elementojn en vere organisman tuton, kies enhavo estas nedisigeble kunkreskinta kun la formo, kaj la formo — kun la speco de la krematerialo.

[1]) Pola skulptisto gotika el XV. jc., aŭtoro de belega grandaltaro en Maria Preĝejo en Kraków.

# Pri elefanto sen memoro
## (El „Versoj por infanoj")
— Julian Tuwin —

Estis iam elefant',
Granda kiel elefant',
Kaj ĉi tiu elefant'
Portis en la tuta land'
Nomon: Bimbo Bela-Kant'...
Perfektec' en ĉiu cel'
Kaj el ĉiu flank' —
Sola tamen lia mank':
Estis tiu elefant'
Terurega forgesant'...

Kaj havis Bimbo kapon, jes, de elefant',
Kaj elefanta estis ĉiu ĝia kruro,
Kaj ĉiu kojndento el natur-eburo,
La rostro, kiun li turnadis bele kun humoro...
Ĉio plej elefanta estis... Krom memoro!

Ekzemplo montru agon:
Precize por la kvara horo
Invitis li kolegojn por kartludo.
Ili alvenas, krias: »Bonan tagon,
Kolego!« Jen kia saluto!
Nekonvene!... Nehome!...
Kartlud'... Ne estas Bimbo dome!...
Li eliris... forgesis...

Aŭ li, aŭskultu nur, promesis
Apud Monsieur kaj Madame Krokodilo
Esti vespere, babili,
Trinki kun ili
Tason da akvo el Nilo...
Kaj li ne alvenis!... Fi! Kia stilo!...
Jen malĝentilo...
Simple: forgeso
De la promeso!

Havis infanojn li: (ĉarmega par'!
Bravulo — ido,
Idin' — silfido!)
Li amas ilin kaj adoras, —
Sed ve, la nomojn ne memoras,
Ĉar
Estis forgesant'
La elefant'!

La fil' nomiĝis: Blanka Dent,
Sed patro vokas: Manka Vent!
Filin' nomiĝas: Et-Bombon',
Kaj patro krias: Ret-Trombon!

Terur'!... L'eraron li ne sentas,
Eĉ kiam li sin mem prezentas;
Ne unu fojon diris Bimbo Bela-Kant:
»Mi estas Bombo Hela-Gant'.«

Edzinon havis ankaŭ... Grasan? Jes!
Ŝi sola povus anstataŭi ses...
Nomiĝis ŝi Kukurbo... Li ŝin voki ĉesis...
Kial?... Simple!... li ŝian nomon jam forgesis.

Diris al li edzino kun malĝoj':
»Karul'... Ci estas sur dekliva voj'!
Ci maljuniĝas!... Nun konsilon mian prenu...
Al la doktoro iru!
Li cin ekzamenu,
Kuracu cin... per nova vivo cin inspiru...
Kaj hejmen sana jam revenu...

Li iris tuj... al advokato...
Al notario... al botisto...
Kaj ĉie jen balbutas: »Kara frato!
Eble vi scias, kun kia insisto
Al vi eksendis min l'edzin'?«
Tiele el angulo al angul'
Rondiras, vagas mizerul' —
Vane! Kaj en fin',
Jam nokte, trafis al forĝisto.

Tiu ĉi, lin vidante en forĝej',
Intencis agi plej
Fak-artiste:
Subforĝi volis elefanton,
Bimbo Bela-Kanton.
Kaj nur ĉe tio
Revenis Bimbo al konscio...
Li rememoris, kriis: »Ne malpacu!
Sed min kuracu!«

Forĝist' komprenis... lin esploris laŭ la fako,
Priblovis diligente per blovilo-sako,
En gorĝon ekrigardis, ankaŭ en orelon,
Grandegan levis forĝ-martelon,
Palpis la nukon, ventron... Finis; jene
Verdikton voĉas: »Ĉiumatene
Sitel' da akvo sur la kapeton,
Kaj sur la rostro fari nodeton!«

Li faris tuj la ŝprucon! Momenton klopodis,
Kaj la imponan rostron majstr-mirinde nodis!

Kuregis Bimbo hejmen... Ĉu freneza iu?
Edzin' ekkriis: »Kio?« — »Diru al neniu...
Ĝi estas por memori...« — »Pri kio?« — »Mi sukcesis!
Pri tio, kio... kio... kion mi for-ge-sis!«

El la pola: *Leo Belmont.*

taksisto, pensema kreajo, ne senviva maŝino, mi estas taksisto-artisto. Mi konas ĉiun homon enirantan ĉi tien, mi scias, kion li alportas, kial li lombardas, kiomfoje li pagas procenton, kiamaniere li atingis la objekton, kio fariĝos al li — mi ĉion scias, ĉio min interesas — kaj tial mia vivo ne estas monotona kaj mia okupo ne estas enua.

Mi forgesis, ke la taksisto estos la heroo de mia rakonto, mi aŭskultadis lin kun mirego. — »Ĉiu homo estas taksisto, unu estas bona; alia malbona. Ĉu vi, sinjoro, ne taksas la moralan kaj intelektan homvaloron? Ĉu vi ne taksas lian valoron koncerne la socion kaj vin mem? — Ni taksas belecon, kapablecon, sentojn, penegojn, idealojn, rajtojn, celojn — ĉion, ĉion... ĉiu homo devus esti dum kelkaj jaroj taksisto en lombardo; la taksado devus esti instruata en lernejo — sen tio oni povas esti nek uzebla, nek prudenta. Se mi ne estus maljuna fraŭlo, se mi havus filojn, mi inspirus al ili tian entuziasmon por mia okupado, ke ili ĉiuj estus taksistoj en lombardo. Kaj vi, sinjoro, miras, ke mi estas kontenta de mia sorto, ke mi estas ĉiam ridetanta. Kara sinjoro, mi konas la valoron de la vivo kaj de la homoj, mi scias pardoni erarojn kaj ŝati iliajn penojn. Okazas ofte, ke venas malriĉulo por enpagi procenton, tiam mi pensas: »Pro kio vi iluzias? Vi ja ne elaĉetos, mizerulo.« Kaj vi ankaŭ, sinjoro, elaĉetos nek la horloĝeton, kiun vi ricevis en iu solena momento de via vivo, nek la memorajan ringon; kaj multon ankoraŭ vi garantiaĵigos en la lombardo de la vivo.«

»Vi estas polo.« li diris al mi subite.

»De kie vi tion ĉion scias?« mi demandis miavice plejgrade mirigita.

Li kviete ridetis. Iu eniris, li donis manon al mi kaj adiaŭis.

Mi intence citas nun, ke mi tiam loĝis en Parizo kaj kompreneble la taksisto estis franco.

Mi revenis en mian patrolandon, mi vidis multe da teknikistoj, advokatoj, kuracistoj, instruistoj, komercistoj, literaturistoj, — preskaŭ ĉiuj malbenis sian metion, mallaŭdis ĝin, plendis kaj bedaŭris. Unue mi ne rimarkis tiun ĉi strangaĵon, sed poste mi komencis kompari ilin kun la pariza taksisto. Homoj okupantaj tiel nomatajn »liberajn« metiojn, ne scias eligi el si eĉ la plej malgrandan inspirfajreron por sia profesio — ili estas senvivaj maŝinoj, kiuj, post ricevo de honorario, eligas el si kiel aŭtomato, ne skatoletojn kun sukeraĵoj, sed recepton, novelon, leĝan konsilon, domplanon. Kaj ne estas en tio eĉ unu fajrero de entuziasmo, eĉ unu honesta kontentigo, eĉ unu profesia honesteco. Ho! Ĉu mi ne diris tro multe? — Malpacon kun la homoj kaj faradon al mi de malamikoj mi jam delonge garantiaĵigis en la lombardo de la vivo, kvankam mi pagas ankoraŭ procenton — eble mi tion elaĉetos.

Mi ne volas aserti, ke en nia lando la progreso iras tial malrapidpaŝe, ke ne estas en ni amo al nia profesio, aŭ ĝenerale volonto al laborado, ne, mi nur suspekteme rigardas tiujn multnombrajn laborulojn, kiuj sopire parolas pri sia laboro. Mi notas unu — mi konas disportanton de ĵurnaloj — li tre amas sian metion kaj estas feliĉa.

Mi preferus esti li, ol mi.

## SATANO

Tio okazis en prapratempoj — antaŭ treege longa tempo — nenia dokumento, nenia tradicio atingas tiun tempon. Kie hodiaŭ estas maroj, estis tiam kontinentoj kaj kie hodiaŭ troviĝas fiera filharmonio, naĝis libere ŝarkoj. Estis tiam nek virinaj komercaj lernejoj, nek urboj, nek projekto de tria ponto super Vistulo, nek kuraciloj por harkresko, nek modernismo. Inter ĉielatingaj arbaroj, kiujn ne vendadis nobelaro, ĉar ĝi ne ekzistis ankoraŭ kaj la vendado tute ne estis konata, kiujn ne eltranĉadis izraelidoj nek germanoj, ĉar ili ankaŭ tiam ne ekzistis — malgrandaj vilaĝoj estis disĵetitaj. Ĉiu loĝanto havis kabaneton, konsistantan el unu vasta kaj luma ĉambro, sufiĉa terpeco kaj certa nombro da brutaro.

Unufoje jare oni dividadis la tutan ŝpacon de vilaĝo, ĉar tiu, kiu havis pli grandan familion, ricevis pli vastan ĉambron kaj pli da produktoj.

Kiam knabo edziĝis, la tuta vilaĝo oferdonis unu labortagon por helpi lin mastrumiĝi. Krom tio neniu helpis al iu, ĉiu laboradis por si: ĉiu estis kulturisto, tajloro, ŝuisto, forĝisto — ĉio. Neniam okazis malpacoj. Vespere, post laborado, ili ĉiuj kolektiĝis en kampo kaj interparoladis: jen al unu io malboniĝis, al alia ankaŭ io, unu atendas novnaskoton, alia alitempe kaj tiel plu. Sed estis inter ili tiaj, kiuj belle parolis kaj oni ilin volonte aŭskultadis — oni ankaŭ volonte aŭskultadis tiajn, kiuj voĉe imitadis la arbarkantistojn. Aliaj rakontadis interesajn aferojn: ke la suko de tiu aŭ alia planto estas bona rimedo kontraŭ malsano; alia diris, ke la plugilo uzata alimaniere donas pli bonajn rezultojn; ankoraŭ alia diris, ke la melkado de la bovinoj devas esti en indikita tempo. Eltrovinto diris: »ĝi venis en mian kapon, eble ĝi taŭgos ankaŭ por vi.«

— Nu, bone, oni povas provi — kaj post certa tempo oni aŭ akceptis tion aŭ forĵetis.

Poste oni konstruis grandan ĉambron, kie dum vintraj vesperoj oni povis kolektiĝi kaj iom post iom oni faradis pliboniĝojn.

Sed la diabloj sciiĝis, ke la homoj vivas konkorde kaj ke ilia vivo progresas, do ili faris alarmon kaj kunvokis ĝeneralan konferencon. »Kion fari — ili diris — por malbonigi ĉion tion, kion faris la homoj?«

Unu konsilos tion, la alia — alian, sed nenio taŭgis. Dume leviĝas malaltkreska diablo kaj diras: »Lasu min iri sur la teron, mi al ili ĉion malbonigos.«

La diabloj ridas, ĉar la parolanta diablo estis la plej malsaĝa el la diabloj kaj nomiĝis Afron.

— Nu, bone, iru, se vi ne timas la homojn. — Ĉar oni devas scii, ke en tiu tempo la diabloj havis ankoraŭ nenian rilaton kun la homoj. Do, tiu diablo malsupreniris sur la teron kaj venis al la vilaĝo.

— Mi estas — li diras — fremdulo kaj volas vivi inter vi.

Kaj en la tuj sekvintan tagon oni dispartigis la teron, kaj oni donis al li unu ĉambron kaj terpecon kaj Afron komencis labori, kio daŭris kelkajn semajnojn. Unu vesperon dum la kunsido li diris: »Mi morgaŭ ne venos al vi, ĉar mi konstruos al mi duan ĉambron.«

Ĉiuj miris: — Kiacele vi bezonas la duan ĉambron?

— Vi ekscios, kiam mi finos. — Ĉiuj scivole atendis. Afron vigle komencis labori. Li hakis, segis, tranĉis, eĉ lia frunto estis surgutita de ŝvito. La homoj miris, ke anstataŭ vespere ripozi, la fremdulo laboras por havi duan ĉambron. Ili miris ankaŭ, ke la alveninto ne iom manĝas, kiom ili, kaj ke li ĉiutage formetas unu fromaĝon kaj elŝutas el sia faruno unu parteton kaj ne pretiĝas el ĝi panon. Fine la vasta ĉambro

estis preta, tiel vasta, ke ĝi povis enlokigi multajn personojn kaj en la ĉambro estis multe da benkoj.

— Kio do estos de tio ĉi? — oni demandis.

— Venu ĉiuj morgaŭ al mi, vi vidos.

Ĉiuj, tre scivolaj, kolektiĝis. Dume Afron orde metis sur la tablon ĉiujn fromaĝojn kaj multajn panbulojn el tiu ŝparita faruno, kaj diris: — Vi vidas tiun ĉi ĉambron, mi ĝin konstruis por vin gastigi.

Ĉiuj miris. — Ĉu pro tio li tiel penadis, kaj li malsatis por tia malsaĝaĵo? — »Ni ja havas niajn ĉambrojn kaj nian panon« — ili diris.

— Sed mi amas vin kaj volas vin regali.

Neniu komprenis, — ili sidiĝis embarasitaj —, sed la mastro tiel insistis, ke ili iom manĝis, kvankam tute ne volonte.

La ĉambro konstruita de Afron estis la unua *salono* kaj la fromaĝoj kaj panbuloj la unua regalo. Afron bone sciis, kion li faris — ho! — bonege li sciis. La homoj komencis lin imiti, kvankam ne baldaŭ, sed ili interparoladis, pensadis pri la afero — dume la diablo Afron invitis ilin la duan kaj trian fojon kaj estis tiel ĝojige, kiam ili manĝis liajn fromaĝojn kaj panbulojn, ke la homoj fine pensis:

»Evidente estas granda plezuro, kiam iu formanĝas ies panon.« Kaj ili komencis imiti lin tiurilate. »Havu, prenu, manĝu, mi vidos, ĉu mi ĝojos.«

Sed nek la manĝinto, nek la doninto eksentis ian plezuron. Tamen, ili tiel regaladis unu la alian, ke ili fine ne sciis, kiu manĝis pli da pano ol la alia, kaj kvankam neniu malpacis, tamen ekzistis jam ia malkontenteco. Kiam, ĉe jarfino, oni denove disttribuis la teron, oni ne sciis, kion fari pri Afron, ĉar li havis ja du ĉambrojn. Sed li petis, ke oni ne klopodu kaŭze de li; ke li volonte konstruos al si aliloke sian salonon. Sed al kiu doni tiujn du ĉambrojn? Afron konsilis doni ilin al tiu, kiu bele parolas, ĉar tiam estos agrable lin viziti. Mi forgesis diri, ke la bele parolinta homo estis la prapatro de la poetoj. Kaj denove post unu jaro Afron cedis siajn du ĉambrojn kaj konsilis doni ilin al tiu, kiu elpensis rimedon kontraŭ ŝvelo de ĉevalhufoj. Kaj en la daŭro de du jaroj en la vilaĝo estis jam tri salonoj, kaj la homoj iom post iom alkutimiĝis manĝi panon ne prilaboritan kaj estimi alte meritojn kaj la poeto kaj la eltrovinto eksentis sian plialtecon super siaj proksimuloj. Tamen tio, kion Afron faris, aspektis tiel senkulpe.

Afron laboris dudek jarojn antaŭ ol li sukcesis konvinki la loĝantojn, ke la eltrovinton oni devas nutri per sia pano, li nur elpensadu diversajn inventojn.

— Plugi teron kaj malki bovinon ĉiu el ni scias — diris Afron — do estas domaĝe, ke li perdu sian tempon por tiaj aferoj — li havu multe da tempo, tiam li povos elpensi pli multe da perfektaĵoj.

Ĉiuj komprenis, ke efektive tiel estas. Do post kvindek jaroj estis jam en la vilaĝo unu tia, kiu ne plugis, ne kudris, ne bakis, li nur elpensadis plibonigojn pri diversaj metiiloj kaj por tio li ricevis ĉion preta; estis alia, kiu nur kuracadis malsanojn per diversaj kuraciloj kaj ankaŭ li ricevis ĉion de la aliaj, ĉar li ne havis tempon por plugado, nek por kudrado, nek por ĉarpentado, — estis ankoraŭ alia, kiu nur belege imitadis birdkantadon kaj tutajn tagojn pasigis en la arbaroj kaj aŭskultis la birdkantojn. Li manĝis la panon de la aliaj kaj ĉiuj restintaj devis nun eligi el la tero pli multe da greno kaj baki pli multe da pano, ĉar ili bezonos manĝi ankaŭ mem. Kompreneble, ke la progreso kreskis, ĉar ĉiu faris nur tion, kion li kapablis. Afron povis trankvile morti, tio signifas, reveni al sia diablaro.

Li ricevis ordenon, kanajlo!

Facile estas kompreni, kio fariĝis poste, ĉiu komencis vivi ne dank' al sia laborado, sed dank' al siaj kapabloj. Eble tio ne estus malbona, se samtempe ne fariĝus salono kaj regaloj, kiuj instruis la homojn sin nutri senlabore kaj senkapable.

Oni bezonus paperamason por priskribi kaj rakonti, kiamaniere el la unua eltrovo fariĝis oficejoj por patenti ĉiujn plibonigojn kaj reklami certajn rimedojn por forigi la faltojn de la vizaĝo, — kiamaniere el la unua kuracisto fariĝis tiaj, kiuj dank' al sia taŭgeco akiris famon, kiamaniere el la unua »bele parolanta« homo fariĝis poetoj, havantaj inspiron po kvin kaj po dek groŝoj por verslinio, kiamaniere fariĝis verkistoj, ĵurnalistoj, raportistoj, eldonistoj, senpagaj premioj, konkursoj kaj kritikuloj, kiamaniere el la unua imitanto de birdkantoj devenis Batistini kaj aliaj kantistoj, kiamaniere la speciaIeco faris tian progreson, ke la homoj manĝas panon por tio, ke ili noble parolas, ke ili kaptas aŭ defendas ŝtelistojn, rekomendas mamnutristinojn kun bona nutraĵo, vendas biletojn antaŭ teatro, subĵetadas saketojn aŭ faras signojn sur naztukoj.

Dikan foliaron oni bezonas por priskribi, kiamaniere sur la fono de tiu unua salono elkreskis, por ĝuo al diablo, stila meblaro, tapiŝoj, pordokurtenoj, palmoj, flirtoj, parfumoj, rostaĵistoj, kolekto de poeziaĵoj en oraj libretoj, albumoj kun poŝtkartoj, edzoj kun kornoj kaj tiu tutaĵo, sen kiu ŝajnas al la homo, ke li ne povas vivi.

El la pola: *Anna Weinstein.*



Wladyslaw Skoczylas *»Pietato en vinberejo«*

# Arĥitekturo de nuntempa Pollando

— Henryk Oderfeld —

La historio de la arĥitekturo en Pollando estas ligita kun la politika historio de la lando. Antaŭ la politikaj katastrofoj, Pollando havis sian arĥitekturon, kiu — malgraŭ sia parenceco kun la ĝeneralaj eŭropaj influoj — havis certajn, specifajn, lokajn ecojn. La konstruajoj starigataj en Pollando dum la romana, gotika aŭ baroka periodo, distingiĝas per iaj karakterizaj polaj trajtoj. Pro tio, ni povas paroli pri pola gotiko, baroko, pola klasikismo.

La evoluo de tiu ĉi arto haltis, kiam Pollando perdis sian sendependecon. En la jaroj 1863—1914 oni multe konstruadis ĉe ni, tamen la konstruarto ne povis fariĝi kultura atingajo kaj estis senigita je superaj kreaj aspiroj.

La konstruarto, inspirata de la konkerintaj registaroj, havis fremdan karakteron kaj ofte portis politikan stampon: ekz. la kastelo en Poznan (nuna sidejo de la universitato), konstruigita de imperiestro Vilhelmo II., celis pruvi, ke la urbo Poznan ĉe la rivero Warta — estas malnova germana urbo. Simile faris pri Varsovio ĝiaj antaŭaj regantoj — rusoj — starigante en ĝia centro (sur la hodiaŭa placo de marŝalo Józef Pilsudski) grandegan ortodoksan preĝejon. Tiu ĉi preĝejo — jam malkonstruigita antaŭ kelkaj jaroj — estis dononta al la urbo rusan karakteron.

Pli bone estis sub la aŭstria regado, kie Galicio, profitante la aŭtonomion post 1848, povis almenaŭ parte daŭrigi la tradicion de la malnova pola kulturo. Oni nepre devas aldoni, ke la grandaj monumentoj de la pola kulturo estis traktataj barbare. Vavel, — la iama reĝa kastelo — perlo de la renesanca arĥitekturo en Pollando, servis longan tempon kiel kazerno al la aŭstra militistaro. Kiam Pollando reakiris la sendependecon, oni komencis fervore esplori la restajojn de l' pasinteco, forigi el ili la fremdajn karakterizajn influojn kaj penis apogi la modernan arĥitekturan arton je la iama bazo tradicia. Tio estis la mallonga epoko de la tiel nomata »pola stilo«, kies bazo estis la iama laŭregiona arĥitekturo. La eksterlandajn turistojn certe frapos multaj stacidomoj, konstruitaj laŭ la modelo de nobelaj biendomoj el la XVII. kaj XVIII. jc. Samstile oni konstruis ankaŭ aliajn konstruajojn de publika uzado, kiel lernejojn, urbodomojn ktp.



Ilustrajo al »*Vento de l' maro*« de Stefan Zeromski

Tiu specife konceptata tradiciismo devis malaperi. Pollando, irante rapide antaŭen, devis konstrui sian ŝtatan aparaton, aparaton de nuna ŝtato, loĝata de pli ol tridek milionoj da homoj. Oni devas konstrui kazernojn por militistaro, flughavenojn, stacidomojn, lernejojn, hospitalojn, konstruajojn de publika uzado, reprezentajn domegojn, kaj precipe loĝej-blokojn por laboristoj. Car al tiu laboro oni vokis en la unua periodo arĥitektojn antaŭmilitajn, influatajn de diversaj fluoj, ne mirinde, ke tiu konstruarto ne havis unuecan karakteron. Nuntempe oni intencas kristaligi ĉiujn penojn, dank' al kiuj la pola arĥitekturo, irante sian propran vojon, ligas sin kun la arĥitektura kreado de aliaj landoj.

Kiel ni jam menciis, la agadkampo de la arĥitekturo en Pollando estis tre vasta kaj ampleksis diversajn sferojn. Por pli facile orienti la leganton, precipe fremdlandanon, oni devas prikonsideri la rezultojn de tiu laboro en ties diversaj fakoj.

*I. Ŝtata konstru-arto por reprezentaj celoj.*

Tiu ĉi branĉo de la arĥitekturo povas esti fiera pri multaj imponaj laboroj de rekonstruo kaj adapto de la restajoj de l' pasinteco. Cefan lokon en tiu ĉi laboro okupas la rekonstruo de la Vavela kastelo en Krakovo; ĝi okazas de multaj jaroj dank' al la financa helpo ne nur de la registaro, sed ankaŭ de la tuta nacio. Simile progresas la rekonstruo de la reĝa kastelo en Varsovio. Gi estas konstruajo nemulte konata, kiu tamen en siaj modestaj muroj kaŝas verajn arĥitekturajn trezorojn de tutaj jarcentoj. Specialan atenton meritas la preskaŭ jam tute rekonstruita palaco de Brühl en Varsovio, sidejo de la Ministerio por Eksterlandaj Aferoj. Gi apartenas al unu el la plej interesaj restajoj de mondana baroka arĥitekturo en Pollando.

*II. Konstruado de reprezentaj konstruajoj.*

Tuj post la Granda Milito, la poloj reprenis de la iamaj konkerintoj multajn konstruajojn, kie estis lokotaj diversaj oficejoj. Ili tamen ne sufiĉis, ĉar la ŝtataj bezonoj kreskis pli kaj pli. La ŝtato estis devigita tuj komenci la konstruon de diversaj domegoj por ministrejoj, administraj kaj memregaj instancoj en la provinco ktp. Komence oni volis al tiuj ĉi konstruajoj doni »monumentan« stampon, konstrui ilin »palace« (tion oni povas observi ne nur en Pollando), tamen nun oni opinias, ke la konstruajo, kie lokiĝas oficejoj, devas esti antaŭ ĉio oportuna por oficistoj kaj interesatoj; koncerne la eksteran aspekton ĝi devas esti modesta kaj simpla. Bona ekzemplo de ĉi tiu arĥitekturo estas la Banko de Enlanda Ekonomio en Varsovio. Ce-okaze mi menciu, ke tio estas nur fragmento — duono de la intencita komponajo. Kiel ekzemplon de diferenca temkoncepto pri konstruo de administreja konstruajo, ni povas citi la Agrikulturan Bankon en Varsovio.

El aliaj arĥitekturbranĉoj speciale rimarkinda estas la arĥitekturo ligita kun la kulturaj kaj klerigaj bezonoj

de la socio. Al tiu kategorio apartenas unuavice la diverstipaj lernejoj, kies manko sentiĝis speciale en la eksrusa parto de Pollando. Plej grandan konstruagemon en tiu fako disvolvis la ĉefurbo — Varsovio, konstruante modele ekipitajn lernejojn, precipe sur la periferioj loĝataj de malriĉularo. Ĉi tiujn lernejojn oni konstruis tiamaniere, ke ili povu ne nur ludi rolon de kleriga institucio por la junularo, sed ankaŭ fariĝi centro de kulturlaboro en la koncerna kvartalo. Tial do la lernejoj estas riĉe provizitaj per teatraj salonoj, sportplacoj, bibliotekoj — eĉ per salonoj por societaj kunvenoj. Samtempe Varsovio ricevis reprezentajn konstruajojn de mezlernejoj, kiel ekzemple la imponan gimnazion »reĝo Stefano Batory«.

Le lernejreformo entreprenita en lastaj jaroj (1934) necesigis konstruadon de faklernejoj profesiaj. Konstruiĝas do diversaj profesiaj lernejoj laŭ planoj adaptitaj al la bezonoj de specifaj instruceloj (industriaj lernejoj en Silezio, marista lernejo en Gdynia, teksista en Lódz ktp).

Sur la kampo de la konstruado de lernejoj de supera tipo, oni devas indiki tutan vicon de modernaj konstruajoj por laboratorioj, klinikoj, aŭskultejoj, seminarioj kaj bibliotekoj. En Krakovo la biblioteko de la universitato, unu el la plej malnovaj en Eŭropo (fondita en la XIV. jc.) ricevis nun moderne konceptitan konstruajon, en kiu trovis ejon ankaŭ ĝia libraro. Paralele kun institucioj dediĉataj al instruado (en malvasta senco de tiu vorto) la juna ŝtato atenteme zorgadas pri ties helpfakoj, precipe pri muzeoj, tre malmultaj kaj koncentriĝintaj plejparte en la eksaŭstria parto de Pollando. Laŭ la decido de la Riga traktato, Pollando rericevas el Soveta Rusujo multnobrajn artverkojn rabitajn de la cara registaro. Ĉi tiujn trezorojn, samkiel la pecojn el privataj kolektoj, oni devis disloki kaj atingebligi al vasta publiko. Komenciĝas konstruado de grandaj muzeoj: nova Nacia Muzeo en Krakovo kaj Nacia Muzeo en Varsovio. Sendepende de tiuj du centraj muzeoj, oni entreprenis la konstruon de muzeoj regionaj, dediĉitaj al la kulturaj akirajoj de apartaj regionoj (Regiona Muzeo Silezia en Katowice kaj Muzeo de Pomerania Lando en Torun).

Ne malzorgata estas ankaŭ la grava fako de arĥitekturo pormedicina kaj porhigiena. Malgraŭ ke en tiu fako estas ankoraŭ multo farota, ni povas esti fieraj pri tuta vico da novaj hospitaloj kaj precipe montaraj sanatorioj kun bela arĥitektura konturo organisme kunkreskinta kun la pejzaĝo.

Ankaŭ en la fako de la arĥitekturo dediĉita al fizika edukado ni povas esti fieraj pri la novkonstruita Instituto de Fizikeduko apud Varsovio. Ĉi tiu instituto konstruita laŭ la iniciato de Marŝalo Pilsudski kaj ekipita per ĉio pensebla en la fako de la fizikeduko, havas en Eŭropo nur malmultajn similulojn. Situanta meze de arbaroj, sur montetoj deklivantaj al Vistulo, per sia klara silueto ĝi klare reliefiĝas sur la fono de la ĉirkaŭaj malhelaj arboj.

Nia bildo estus malkompleta, se ni almenaŭ ne aludus la konstruadon de loĝdomoj ĝenerale kaj de kooperativa konstruado speciale.

Vastskale konceptata loĝejkonstruado, amasa konstruado de malmultekostaj, sanecaj loĝejoj por la plej vastaj tavoloj de la loĝantaro estas la plej aktuala problemo de la nuntempa arĥitekturo kaj konstruado en ĉiuj kulturaj landoj de l' mondo. Ne mirinde do, ke ankaŭ la praktika kaj teoria partopreno de Pollando en tiu fako estas ŝatinda.

Tuj post la milito la loĝejmanko en Pollando estis simple katastrofa. Dum la milito la konstrumovado en Pollando formortis absolute. Oni konstruadis nenion — male — tutaj landpartoj estis kovrataj per ruinoj. Grandega ondo de remigro kaŭzis malvastecon kaj troloĝatecon de loĝejoj. Oni devis entrepreni tujan konstruadon de novaj ejoj. La privata kapitalo, neniigita pro la inflacio, ne povis plenumi la rolon de faktoro financanta konstruadon de loĝejoj. Tiun taskon prenis sur sin la registaro, akcelante la konstruadon per etprocentaj longdaŭraj kreditoj koncesiataj al loĝejkonstruaj kooperativoj. Krome, al ĉi tiuj kooperativoj la registaraj instancoj transdonadis ankaŭ proprajn terenojn. Komenciĝis grandskala konstruagado — ekfrapis marteloj kaj truloj, miloj da brakoj eklevis brikojn. Kooperativaj domoj komencis kreski el la tero, kvazaŭ fungoj post pluvo, en pli aŭ malpli grandaj kompleksoj, plenigante la centrojn de la pli grandaj urboj, aŭ formante iliajn periferiojn.


Wladyslaw Skoczylas *Marŝo de montaranaj rabistoj*

Interesiĝantoj bonvolu viziti en Varsovio la novan kvartalon Zolibórz, la grandajn kompleksojn de kooperativaj domoj en Czerniaków, Mokotów, la kolonion de Staszic ktp. Diversa estas la karaktero de tiuj kompleksoj: ekde senligaj ariĝoj de dometoj kaj de vilaoj kun apartaj ĝardenetoj ĝis grandegaj, multetaĝaj blokoj apartigitaj per grandaj kortoj-ĝardenoj, en kiuj la zorgemaj arĥitektoj planis ankaŭ placetojn kun basenoj por la infanoj. En ĉi tiu fako de arĥitekturo oni faris multon. Ni konfesu, ke estis farataj ankaŭ multaj eraroj, multaj malĝustajoj — ili estis tamen neeviteblaj en fako tute nova kaj improvizata. La multjara laboro helpis kompletigi grandegan eksperimentan materialon, kiu, sub teoria esploro, faciligis la formadon de certaj konkludoj. La unua konstato estas, ke malgraŭ grandaj kvalitaj atingoj restis grandegaj mankoj. La nekontentigitaj bezonoj kreskas konstante — la krizo plej forte sentiĝas ĉe la laboristaro.

Ĉi tie tamen ni devas fari laŭdon al ni mem: Pollando, eble la unua, komprenis, ke la problemon de la porlaborista konstruado oni devas pritrakti aparte, sendepende de la komplekso de la ĝenerala loĝejproblemaro. La rezulto de tiuj konkludoj, la esprimo de la ŝtata zorgado pri la loĝeja situacio de la laboristaro estas la kreo de la Asocio por Laboristaj Kolonioj, institucio konstruanta domojn por la manlaboruloj. Dank' al la agado de la Asocio, jam multaj miloj da laboristaj familioj loĝas en bonaj, kulturecaj loĝejoj, multaj miloj

# La vizaĝo de la pola teatro

**– Zygmunt Tonecki –**

De la komenco de l' XX-a jc. ni konstatas en la teatro la superregon de la reĝisorado rilate al la arto de la aktoro, se ne paroli pri la dramaŭtoro. Kiel la ĉefa persono, decidanta pri la destinoj de la teatro, la reĝisoro komencis per la subigado de ĉiuj scenelementoj, por fine fariĝi supera mastro kaj la vera aŭtoro de la spektaklo.

En la pola teatro, tia interveno de la reĝisoro en la kreadon de spektaklo aperas sufiĉe malfrue, ĉar la ĉefa atento estis rezervita al la interpreto, precipe en la dua duono de la lasta jarcento. Male al la tendencoj, kiuj en tiu periodo sentigis sin en la okcidenta teatro, la reĝisoro de la pola sceno tute ne pensis uzurpi al si superecon je la malprofito de l' aktoro. Cetere, tio ankaŭ ne estis facila pro la rimarkinda nivelo de l' interpreto dank' al grandioza rivelo de potence individuemaj talentoj. Tial ankaŭ la plej ambiciaj penoj de la polaj reĝisoroj orientiĝadis precipe al la realigo de la grandiozaj vizioj de l' romantikaj poetoj kaj de ties senperaj sekvantoj. Ĉi tiu poezio, dotita per fabela fantazio, ne povis utiligi la malnovajn formulojn de la reĝisorarto. La surscenigo de tiuj verkoj necesigis teatrajn formojn absolute originalajn kaj komplete renovigitajn.

Inter la verkoj revoluciigintaj la tradiciajn reĝisorprocedojn oni devas mencii precipe la kreajojn de la granda trio romantika (Adamo Mickiewicz, Julio Slowacki, Sigismondo Krasinski) kaj ties heredintojn, la postromantikulojn: Stanislaon Wyspianski, Tadeon Micinski kaj Stefanon Zeromski. Ni notu cetere, ke la dramoj de la lasta longe estis rigardataj kiel nesurscenigeblaj. Ankaŭ la aliaj estis plenaj de eksterordinaraj, ofte nevenkeblaj malhelpoj teatraj kaj teknikaj kaj nur la moderna reĝisorado ekkuraĝis ilin aliri, kvankam kun ofte dubinda sukceso.

Ĉiuokaze, eĉ pro la malfacilaĵoj mem, kiujn tiu repertuaro prezentis el sceneja vidpunkto, ĝi devis tamen forte interesi reĝisoron dotitan per nete kreaj kapabloj. Tiu kreanto, kies venon longe atendis la pola scenejo, aperis en la persono de Leo Schiller.

Efektive, inter la diversaj individuaj influoj kontribuintaj al la ellaborado de formoj de reĝisorado en la moderna pola teatro, la unuan lokon oni devas atribui al Leo Schiller. Konsiderata en sia tuto, lia reĝisora agado prezentas perfektan sintezon de la arttendencoj de l' postmilita pola teatro.

Oni povas aserti, ke en la verko de Schiller kuniĝis la plej belaj ambicioj de la pola reĝisorarto kun ĉio, kion sukcesis realigi la reĝisorarto moderna. Schiller trapasis ĉiujn ties etapojn de la lastaj 50 jaroj — ekde la milito deklarita de la naturalista tendaro kontraŭ la burĝa komedio, pasante tra lukto kontraŭ tiu naturalismo, entreprenita sub la devizo de »pura teatro« de Craig, por fine veni al teatro socia, teatro militanta.

En la estetiko de Leo Schiller evidentiĝas tre klare la celado: certigi al la teatra kulturo propran kadron; ĝuste tio donas al la arto de Schiller ties universisman kaj ekstensivan karakteron. Konsiderata kiel tuto, lia reĝisora agado evidentigas ambiciplenan penadon kunigi en siaj kreajoj ĉiajn, ofte eĉ kontraŭajn tendencojn. La esenca tendenco de la teatro de Schiller, tendenco, kiun ni povus nomi lia fundamenta ideo, estas la celado al kreo de pola stilo monumenta. La dua karakteriza elemento de lia verko, okupanta lin tamen nur marĝene de la problemo de l' teatra monumentismo, estas la konsekvenca agado por la renovigo de la pola scenografio kaj por la starigo de moderna teatro sur la bazoj de sintezа realismo, alivorte, sur bazo de novrealismo. La tria tendenco, kiun ni observas en la verko de Schiller, estas la stiligado.

Al tiu stiligado, inspirata per la interesiĝo de Schiller pri »commedia dell'arte«, oni ŝuldas neforgeseblajn ĉefverkojn de surscenigo de »malnova teatro«. Fine, la kvara grava agregiono de Schiller estas formado de la stilo de l' nuntempa socia teatro — dramigo de sociaj ideoj kaj esprimado de tendencoj trafluantaj la postmilitan socion.

*

»Konsiderata en ŝia plej alta kaj plej vasta senco, la dramo devas enhavi ĉiujn elementojn de la aŭtentika nacia poezio, samkiel la politika strukturo de iu nacio devas respeguli ĉiujn ties tendencojn politikajn. Estas necese, ke tia dramo estu lirika kaj ke ĝi elvoku la ĉarmajn harmoniojn de kamparaj kantetoj, portante nin samtempe en ĉielajn sferojn... Tial do, por krei dramon, kiun la tuta mondo slava povus rekoni la sia, oni devas revui ĉiujn regionojn de poezio — de la kanteto ĝis la epopeo, oni devas konsideri sentojn kaj ideojn plej vivajn kaj per unu ektuŝo sonigi ĉiujn kordojn vibrantajn en la koroj de slavoj«.

Tiu heredaĵo testamentita al la pola nacio de Adamo Mickiewicz, enhavas skizon de teorio pri dramo vizia. La poeto metis en ĝi la ideajn fundamentojn de la pola dramo, prezentis ties celojn kaj fontojn, precizigis ties rolon en la spirita vivo de la nacio kaj difinis al ĝi la plenumotan mision kulturan.

Ni trovas en ĝi klare formulitan koncepton de tio, kion oni hodiaŭ nomas »monumenta teatro«: laŭ la programo de Mickiewicz, tiu idealisma teatro devas unuigi la plej purajn kaj plej sublimajn elementojn de la kolektiva popolanimo, komunigante la amasojn de la spektantoj en mistikan unuecon.

La konceptoj de Mickiewicz trovis sian realiganton

---

da infanoj ĝuas jam sunon kaj aeron, kiun al ili donas la novaj kolonioj.

La tuta aktuala konstruproblemaro en Pollando grave akcelas la disvolviĝon de juna scienco — la urbanistiko — okupanta unuarangan lokon en la edukado de arhitektoj en Pollando. La teoria instruiteco de la juna generacio de l' estontaj konstruistoj de la lando permesos al ĝi kree labori super grandegaj konstrutaskoj nepre entreprenotaj en Pollando. Al tiuj taskoj apartenas interalie la alikonstruo de la ĉefurbo, Varsovio, la plua konstruado de Gdynia, kreskinta el malgranda fiŝista vilaĝo en unuarangan baltan havenon, la konstruo de nova industria centro en la regiono de Sandomierz, la alikonstruo kaj ordigo de malzorgitaj urboj kaj urbetoj ktp. La laborkvanto bezonata por la realigo de ĉi tiuj taskoj — nur ekzemple nomataj — estas grandega.

Ĉi tiun laboron la polaj arhitektoj aliras kuraĝe. Ili scias, ke la entreprenata tasko estas grandega, ili bone konscias pri la ŝarĝo de respondeco. Ja de iliaj decidoj dependas ne nur la ekstera aspekto de la lando, sed ankaŭ la vivmaniero de la estontaj generacioj, efektivigota en la kadroj de la nune fiksata plano. Fidon donas al la polaj arhitektoj la konscio, ke ilia laboro ne estas izola strečo, sed fragmento de la grandega servo por ĉies bono.



# OBSERVO

## POLA GRAFIKARTO

En Pollando, kiel cetere en la tuta mondo, la renaskiĝo de la grafiko, kiel de arto aparta kaj originala, okazas nur en la fino de la XIX-a jarcento sub la decida influo de la impresismo. Dum la XIX-a jc. la pola grafikarto servadis celojn eksterartajn: reproduktadon de bildoj, desegnajoj kaj fine eĉ de fotografajoj.

Nur en la lastaj jaroj de l' jarcento la novaj ideoj proklamataj de la impresismaj pentristoj kaj la rivelo de la tiom aparta ĉarmo de l' japana grafiko vekis en Pollando pli seriozan intereson al grafiko, konsiderata kiel arto memstara kaj sendependa.

Plej eminentaj pentristoj, kiel Stanislao Wyspianski (1869—1907), Johano Stanislawski (1860—1907), Josefo Pankiewicz (nask. 1866), unu el unuaj impresistoj polaj, Josefo Mehoffer (nask. en 1869), kreinto de vitrajoj en Friburgo kaj fine Leo Wyczólkowski (nask. en 1852) donis ekzemplon, praktikante grafikon efektive originalan.

La lignogravuro, praktikata de la artistoj el la impresisma periodo, estis konceptata laŭ japana maniero kaj komence trovis en Pollando nur malmultajn adeptojn. Akvoforto kaj litografio multe pli respondis al la polaj impresistoj, ĉar tiuj teknikoj permesadis al ili esprimiĝi per la rimedoj de skizo- kaj pentroarto.

Nun ni vidas en pola grafikarto akran reagon kontraŭ la impresismo kaj la influo de l' pentroarto. La amo al formo kaj al kompono klare linia kaj koncentrigita trovas plej bonan esprimon ĝuste en tekniko de lignogravuro. La plej eminenta el la polaj lignogravuristoj, Vladislao Skoczylas (1883—1934), fariĝis ideologia kreinto de ĉi tiu branĉo de la pola grafiko. Kiel profesoro de iama Lernejo de Belartoj (nuna Akademio de Belartoj), Skoczylas formis en tiu fako multajn grandtalentajn artistojn.

Laŭ la iniciato de Skoczylas, en 1926 fondiĝis asocio de polaj grafikistoj »Ryt« (Gravur'), grupiganta kelkajn liajn kolegojn (Edmundo Bartlomiejczyk, W. Borowski, L. Gardowski, Z. Kaminski, S. Rzecki, Waclaw Wasowicz) kaj iamajn lernantojn, kiel Stanislao Ostoja-Chrzastowski, Tadeo Cieslewski la filo, Mario Dunin, Viktorino J. Gorynska, Johanino Konarska, Bogna Krasnodebska-Gardowska, Tadeo Kulisiewicz, Stefano Mrozewski, Viktoro Podoski kaj aliaj.

Skoczylas estis ankaŭ pentristo, sed lia talento esprimiĝis plej bone en grafikarto. Volonte li serĉadis inspiron en la neelĉerpebla trezoro de polaj motivoj popolaj — li interesiĝis precipe pri montaranoj el Podhale (Tatroj), kiuj posedas antikvan kaj originalan arttradicion. L' artisto volonte prezentas iliajn legendojn, stiligante ilin laŭ sia individua maniero.

Definitive rompinte kun la impresista maniero, Skoczylas laboras precipe per streko kaj en sia tekniko atingas esprimon plene originalan pere de rimedoj esence grafikaj, tute liberaj de ia ajn pentroinfluo.

---

en la persono de Stanislao Wyspianski, heredinto de la ideo pri »monumenta teatro«.

Al Wyspianski ŝuldas la moderna teatro la teoriajn bazojn de la nova teatra estetiko, formulitajn en komentaroj akompanantaj la surcenigon de liaj dramoj, precipe en lia studo pri »Hamleto«, en kiu riveliĝas profunda kono de la teatro. La konceptoj de Wyspianski pri la surscenigo multe antaŭis tiujn reformojn, kiuj revoluciigis la eŭropan teatron en la daŭro de la lastaj jaroj.

Wyspianski provis apliki la instruojn de Miczkiewicz ĉefe kiel dramaŭtoro; la homo, kiu ilin kuraĝis enkonduki en la teatron, doni al ili korpon, realigante ilin en formo de scenspektakloj, estis Leo Schiller.

Lia elirpunkto al la solidigo de la pola monumenta teatro estis la origina fonto de pola teatro popola — la »Kristnaska ludo«. La vojo, kiun li trapaŝis de tiu tempo, estas markita per tiaj eminentaj artkreajoj, kiel »Ahileido« de Wyspianski, »Kordiano« de Slowacki[1]), »Nedia komedio« de Krasinski[2]), »Avoj« de Mickiewicz[3]).

La ideo de la monumenta teatro, kaj la konsekvenca agado ĝin akcelanta, proksimigis Leon Schiller al la fama teatroreformanto Gordon Craig, same fervora protagonisto de la sceneja monumentalismo. Dank' al sia amikeco kun Craig, Schiller venis al la fonto mem de la reformisma movado, en la atmosfero de febra serĉado kaj lukto por nova teatra estetiko.

Lia kunlaboro kun Craig ne malmulton kontribuis al liaj konoj pri la teatro, nome pri la formoj de la scenrealigo, samtempe pliriĉigante lian reĝisoran imagopovon. Post kelka tempo tamen Schiller disreviĝis: la troigita estetismo de l' kontraŭrealisto Craig ĉesis jam sufiĉi por la kontentigo de lia teatra idealo.. Ĉi tiun novan turnon en lia agado indikis la surscenigo de »Krozero Patjomkin« de Micinski, dramo pri la okazintajoj el la rusa revolucio de 1905. Tra interesegaj formkonceptoj la reĝisoro igas klare manifestiĝi la samajn tendencojn sociajn, kiuj kvazaŭ ruĝa fadeno fluas tra liaj aliaj surscenigoj de la sama periodo: »Rozo« de Stefano Zeromski, tragedio de pola batalo por nacia libero kaj socia justo, kaj la »Nedia komedio« de Krasinski.

Kvankam la Varsovia popola teatro »Wojciech Boguslawski«, en kiu Schiller realigadis siajn ideojn, ekzistis nur kelkajn jarojn, ĝia mallonga agado sufiĉis tamen por fari el ĝi unuarangan polan scenon. Vigla gvido de plene krea menso, ne cedanta antaŭ kuraĝa eksperimentado en serĉado de novaj formoj de scenesprimo, faris el ĝi teatron vere avangardan. Kontraŭe al la ĝeneralaj konceptoj pri tia teatro, la teatro de Boguslawski, malgraŭ sia eksperimenta karaktero, tute ne prezentis impreson de io enkonduka, prepara, de ia laboratoria verkajo, nur poste alportonta rezultojn pli aŭ malpli perfektajn. Tute male — tuj en komenco de sia agado tiu teatro jam liveris al la spektantaro emociojn originalajn, per si mem reprezentantajn specifan teatrogenron. Tiu teatro do estis jam certagrade artakirajo. Gia avangarda karaktero ne baziĝis ekskluzive sur la kulto de la pura arto kaj sur tendencoj nure formalaj. Tial ankaŭ, ĝi tute ne celis la ĝermigon de teatraj formoj artefaritaj ekster la vivo, kaj foraj al la vivo; tiu sceno penadis esprimi la ĉirkaŭantan realon kaj marŝadi frunte de la aktualaj sociaj tendencoj.

La verko de Leo Schiller prezentas al ni en sia evoluo revizion de teatraj stiloj. Lia arto kun frapanta klareco evidentigas la tendencojn de la moderna teatro, kiun ĝi esprimas plej komplete. La efektiva merito de Schiller estas la nobligo kaj levo al pli alta nivelo de elementoj, el kiuj konsistas la teatra arto. Dank' al la verko efektivigita de tiu renoviganto, la pola teatrokulturo riĉiĝis per formalaj valoroj nekontesteble gravegaj.

[1]) Pentranta la hamletumantan generacion de la tempoj antaŭ la dua nacia leviĝo (1830).

[2]) Grandioza profetajo pri deklino de hodiaŭ socio kaj ĝia katastrofo.

[3]) Profunda, ideoplena spiritobildo de la pola nacio en la martirtempo de mallibero.

La procedoj kaj teknikrimedoj de la malnovaj gravuristoj el la plej bona epoko de disvolviĝo de tiu arto ne estis fremdaj al Skoczylas. Same facila estis por li ĉizi sian desegnon en lignopeco, eligante blankajn strekojn sur nigra fono, kiel lerte fortranĉi per ĉizilo ĉion »nebezonan« por ricevi nigran desegnon sur blanka fono. La gamo de liaj artistaj ebloj en la lignogravuro estis tre vasta kaj akiradis perfektecon ĉiam pli grandan kaj karakteron ĉiam pli modernan. Inter aliaj premioj, Skoczylas ricevis olimpan medalon dum la ekspozicio en Amsterdamo en j. 1932.

Du lignogravuristoj de la sama generacio, Bartlomiejczyk kaj Wasowicz, inspiriĝas en sia kreado same per popolaj motivoj, sed dum Bartlomiejczyk dediĉas sin al subtila kaj tre zorga ilustrado kaj dekoro, Wazowicz inspiriĝas per popolaj temoj, ne ligante sin al procedoj de interpreto de popola lignogravuro.

Nek ĉe Skoczylas, nek ĉe liaj lernantoj oni povas rimarki iun konstantan kaj precize difinitan manieron. La verkoj de liaj plej talentaj lernantoj, nun maturaj artistoj, multe diferencas unu de la alia. Sufiĉas kompari la verkojn de tiaj gravuristoj, kiel Chrostowski, kiu kun precizeco aplikas strekon delikate ĉizatan; Konarska, ricevinta en Los Angelos en 1932 olimpan medalon pro siaj bonegaj sportgravuraĵoj; Kulisiewicz, kies formo originale esprimiĝa sentiĝas sin tiel profunde; Krasnodebska-Gardowska, kreantino de ravaj idiliaj pejzaĝoj; Gorynska, kiu, krom aliaj tre diversaj temoj de siaj verkoj, dediĉas sin precipe al la prezentado de bestoj, precipe katoj; Duninówna, kreintino de gravuraĵciklo ilustranta la vivon de malgrandaj urbetoj; Mrozewski, rimarkinda ilustristo, kies gravuraĵoj estas plenaj de ĉarmaj vizioj; W. Podoski, aplikanta formojn prezentatajn nure per strekoj; Cieslewski, simbolisto kaj mistikulo leganta en la muroj de malnova arkitekturo kvazaŭ en ia libro mistera; Szrednicki, enamiĝinta en litografian teknikon; Tyrowicz, similanta lin laŭ sia tekniko, sed tute diferenca laŭ koncepto; lignogravuristoj Jurgielewicz, Sopoćko, Rózycka, manipulanta la ĉizilon kun temperamento de rasa pentristino; la »desegnisto« Manteuffel, tiom sinregema kaj subtila; Hladkówna, aŭtorino de lignogravuraĵoj plenaj de sentimento — ĉiu el tiuj nomoj reprezentas jam maturan artistan individuecon, esprimiĝantan en siaj grafikaĵoj per maniero tute originala.

Diversaj la temoj, diferencaj esprimmetodoj — unika tamen la artideo. Iuj el lernantoj de Skoczylas serĉas inspiron en malnova pola popolarto kaj en lignogravuraĵoj el la komenco de la XVI-a jc. La aliaj tute ne subiĝas al tiuj influoj kaj akiras formon tute modernan, konservante tamen teknikon eksterordinare skrupulan kaj ofte eĉ rafinan, respondantan al plej bonaj tradicioj kaj al plej noble konceptata esenco de grafikarto.

Ĉiujare grupo da junaj artistoj eliras el la du Akademioj de Belartoj en Varsovio kaj Krakovo por sukcese labori sur la kampo de la grafiko.

La diferencaj tendencoj kaj artaspiroj de la polaj grafikartistoj trovas esprimon en verkoj de diversa stilo kaj tekniko. El ĉiuj branĉoj de grafikartoj plej grandan individuan valoron prezentas la lignogravuro de la Varsovia skolo. Tial ankaŭ la lignogravuro estas nun rigardata la plej specife nacia kaj plej originala branĉo de la pola arto. Plej brile konfirmis tion la du internaciaj ekspozicioj de lignogravuro organizitaj en 1933 kaj 1936; ĉiu el tiuj ekspozicioj grupigis ĉirkaŭ 700 verkojn de 250 artistoj el 23 landoj de Eŭropo, Azio kaj Ameriko.

Reveno al la naciaj tradicioj kaj samtempe al la fundamentaj principoj de la malnova tekniko de l' lignogravuro, ĝia esence pola karaktero, granda imagopovo kaj eksterordinara varieco same en procedoj de artista laboro, kiel en stilo kaj — sekve — tuta vasta gamo de artistaj individuecoj — jen la karakterizaj ecoj de la pola moderna lignogravura grafiko.

***(El katalogo de Pola Grafikarto en Rappersvil, eldonita de Pola Instituto por Kunlaboro kun Eksterlando en 1937).***

## KOMPLETIGAJ NOTOJ PRI LA MODERNA POLA LITERATURO (vidu pĝ. 75.).

Ni opiniis, ke la skizo de Zawodzinski, miniatura majstroverko de pola kritiko el la lastaj jaroj, frapanta per sia konciza, trafa sintezo de la tiom variaj aperaĵoj de l' pola nuntempa literaturo, estos ankaŭ plej bona enkondukilo por la legantoj de la *Literatura Mondo*. Ĉar tamen la studo ne estas ĝisdata, la tradukinto permesas al si kompletigi ĝin per kelkaj faktoj el lastaj jaroj.

La tendencoj indikitaj de Zawodzinski ne nur daŭras, sed profundiĝas ĉiam pli. La daŭranta krizo ekonomia



*Sceno el filmo »Knabinoj de Nowolipki«*

kaj socia firmiĝas ilin kaj faras daŭra eco de la pola literaturo. La krizo, renversanta la valorojn sociajn kaj ekonomiajn, devis gvidi unuflanke al la revizio de la regantaj konceptoj kaj, duaflanke, kiel ĝin rimarkis Zawodzinski, al la peno kompreni kaj koncepti la malkovratan realon, precipe la realon de la tiel nomataj »nehistoriaj«, sed ekonomie decidantaj kaj politike eble decidontaj sociklasoj. Ĉi tiu revizio turnas sin same al la historiaj bazoj de la idearo nacia, kiel al la nun regantaj moralkonceptoj. La unuan taskon plenumas *Leono Kruczkowski* en siaj romanoj el la historio de la polaj kamparanoj (»Kordiano kaj krudulo«, »Pavaj plumoj«); la duan — daŭrigante kaj socie profundigante la linion de Boy-Zelenski, *Emilo Zegadlowicz*, eminenta poeto, turniĝinta samkiel multaj aliaj, al la romano (»Vampiroj«). Al la romano turniĝas ankaŭ la poeto *Jozefo Wittlin* en sia profunde realisma romano pri soldato (»Salo de l' tero).

Plej frapanta pruvo pri la enradikiĝo de la alia ĉeftendenco — la socie orientita realismo — estas la fakto, ke la lastjaran *literaturan* premion de la revuo »Literaturaj Informoj« ricevis ne individua artverko, sed socia dokumentaro — »Taglibroj de kamparanoj«, kolektitaj de la »Instituto por Sociaj Esploroj«.

En la vojo al la koncepto de la realo ni povas observi preskaŭ skalon de stilo — ekde la iom lirisme nuanca *Pola Gojawiczynska* (»Lando de Elizabeta«, romano pri Silezio, jam malpli »Knabinoj el Novolipki« kaj »Paradiza pomarbo«), tra la eposa aspiro de literatura duopo *Helena Boguszewska* kaj *Kornacki* (»Vistulo« ktp.) ĝis la preskaŭ raportaĵa formo de *Jalu Kurek* (»Gripo furiozas en Naprawa«) kaj *Vincento Burek* (novelaro »Vojo tra kamparo«).

La realisma tendenco, gvidanta al epiko, rimarkiĝas ankaŭ en la poezio. Ĝi ne signifas malaperon de la antaŭaj tendencoj. Precipe la socia liriko de la plej eminenta poeto de maldekstro, *Vladislao Broniewski*, plue sonoras plenforte. Sed apud ĝi aperas jam epika ĝermo ekzemple en la esperplena kreado de *Luciano Szenwald*.

Renkonte al tiuj tendencoj leviĝas el la sociaj malsuproj la literatura movado de junaj kamparanoj — reciproka penetriĝo direktos por longe la polan literaturon en la fluejon de l' socia realismo. *M. W.*

## CHOPIN KAJ MONIUSZKO*)

Estas feliĉe, ke en nia muzika literaturo ni posedas du nomojn, kies brilo daŭras senŝanĝe de longaj jaroj. Unu el tiuj sunoj lumas al la tuta mondo, la alia ekamis sian patrujon kaj ne ofte aperas ekster ties landlimoj.

Chopin kaj Moniuszko havas tiel unuarangan signifon por ni, ke ni tute ne povas imagi sen ili la ekziston de la pola muziko.

Nia rilato al la muziko ŝanĝiĝis multe en la XX-a jarcento. Ni serĉas en ĝi ne idealajn, sed pozitivajn valorojn, ni forstrekis el ĝi la romantikecon kaj sentimenton, kvankam ĝis nun ni vidas nenian profiton el tio. Oni senigas konscie hodiaŭ de la dia aŭreolo la muzikon, se eĉ ne paroli pri ties majstroj. Ne emante esprimi omaĝon al modernaj tempoj, ni penas ŝanĝi ankaŭ nian rilaton al la antikvaj majstroj, kaj kvankam ne estus eble ekzisti sen ili, tamen en la kondutmaniero rilate al ili oni povas rimarki ian intimecon, kiun ni ne permesus al ni antaŭe. Kaj pri timo, kiun ni eksentis iam antaŭ granda talento, oni tute nun ne parolas. Evidente estas, ke la artistaj valoroj de l' pasinteco ŝanĝiĝis en niaj okuloj, kaj tiun ĉi ŝanĝon postsekvis reciproka rilato al apartaj kreaj individuoj.

Jes, siatempe oni evitis kompari Chopinon kun Moniuszko. Mi bone memoras, ke en la ĉeesto de Karlo Mikuli**), kies opinio, koncerne la verkojn de Chopin, estis alte taksata, neniu juna homo estus kuraĝinta eldiri la nomon de la komponisto de »Halka« kune kun tiu de l' adorata kaj netuŝebla Chopin. Hodiaŭ tamen, tio ne estas malrespekta, sed afero tute deca kaj nepra pro la evoluo de nia tuta kreado. Tiuj ĉi du niaj Potenculoj de l' Muziko, kvankam ili estas individuoj tute malsamaj kaj ne marŝas paralele unu apud la alia, tamen kuniras sur la nacia platformo, kompletigas sin en certaj punktoj kaj prezentas du diversajn bildojn de la socia psikologio.

En la muziko de Chopin, nerefuteble pola kaj samtempe saturita de okcidenta kulturo, kuniĝis la plej noblaj polaj elementoj, enkorpiĝis la plej brilaj radioj de la nacia spirito. Tiu muziko ŝvebas tra altaj vojoj

*) Elparolu: Ŝopen kaj Moniuŝko.

**) Mikuli — pianisto, komponisto kaj kritikisto el tempoj Chopin-Moniuszko.



*Lili Zielinska kaj Ladis Kiepura en la filmo »Halka«*

NIEZNANY POLONEZ SZOPENA Z R. 1817




*La nekonata polonezo,*
*komponita de la 8-jara Chopin en 1817 jaro*
(El »La Muziko« N-ro 2. (112.)

de fantazio, en torentoj de travivitaj ĝojoj kaj suferoj, entuziasmo kaj ekzalto, revoj kaj esperoj al la granda reĝa estado.

La muziko de Moniuszko tenas sin pli proksime al la tero, ĝi estas kvazaŭ kanto el sub la griza ĉielo, kvazaŭ kanto de sunbruligita homo, lacigita de ĉiutagaj zorgoj. Tiu homo ne interesiĝas pri vivo-lukso, sed li ĝojas kaj malĝojas propramaniere. Lia poezio estas simpla kaj naiva, kaj estas tiel konvinkita pri la modesteco de sia pozicio, ke ĝi eĉ ne aspiras esti komparata kun la moderna monda kulturo. Cetere, tiu kulturo, en la tempoj de Moniuszko, atingadis eĉ la plej malproksimajn angulojn de Pollando, sed ĝi malforte influis la sferon de l' arto, precipe tiun de l' muziko.

Tiutempaj polaj vilaĝo kaj nobela biendomo estis plej ofte loko de trankvilo kaj paco. Oni subiĝadis al Dia Volo, opiniante Lia Ordono la inklinojn de l' propra koro kaj la lernitan devosenton. Same oni rilatis al la laŭleĝeco de la tiama rusa regado. Neniu intencis ribeli kontraŭ ĝi, opiniante ĝin Dia Volo. Moniuszko naskiĝis en tiu ĉi atmosfero, kreskis kaj verkis en ĝi.

Do en la tempoj, kiam la muziko de Chopin, fariĝante esprimo de la nacia idealismo kaj de espero de l' reakiro de l' sendependa lando, flugis super la realo de l' vivo, la muziko de Moniuszko, harmonie kun la ĉiutagaj cirkonstancoj, kontentis pri la enlanda pejzaĝo kaj etnografio, nur iam kaj tiam leviĝante al la rememoroj de l' pasinteco, de iamaj homoj kaj virtoj. Car unuflanke, en tiu ĉi muziko respeguliĝis sincera amo kaj respekto al la pasinteco, kaj, duaflanke, ĝi estis facile komprenebla por la vasta publiko, ĝi estis baldaŭ adoptita de la samlandanoj. Do ne estas mirinde, ke ĝi ludas tiel gravan rolon en nia vivo kaj ke ĝi aperas ĉie, kie oni kantas, en teatro, preĝejo, kaj ankaŭ sur koncerta estrado.

La kreado de Moniuszko ne disvolviĝadis egalmezure. Naskita en 1819, en Ubiel apud Minsk, li komencis kiel malgranda knabo studojn en Varsovio, sed serioze li sin dediĉis al la muziko nur ĉirkaŭ 1840 sub la gvido de Rungenhagen en Berlino. Tiu ĉi malfrua disvolviĝo de talento ne influis bone lian postan kreadon, ĉar ĝi vagadis sufiĉe longe sur tereno de kanta muziko, ĝis fine ĝi donis la unuan belan frukton en la jaro 1858, la operon »Halka«, prezentitan en Varsovio ne en sia primitiva duakta formo, sed en tri aktoj, konforme al granda scenejo. Antaŭe Moniuszko kreadis nur etajn, ne tre valorajn scenverketojn, ludatajn sur malgrandaj polaj scenejoj, kaj multajn kantojn, eldonatajn en t. n. »Kantaroj«.

La talento de Chopin evoluis en pli feliĉaj kondiĉoj, ol tiu de Moniuszko. La geniaj kapabloj de Chopin, prizorgataj bone en la fruaĝo, gvidataj konsekvence en la ĝusta direkto kaj influataj de artistaj riĉaj impresoj, esprimiĝis jam potence en verkoj, eldonitaj sufiĉe frue, ĉar en la 20-a jaro de lia vivo. Lia talento disvolviĝadis laŭ la muziko de Bach kaj Mozart; bazante sin sur ties klasikismo; li kreis mirindajn de sia romantikeco. Kiomfoje li fariĝis ies daŭriganto, tiomfoje li superis sian antaŭulon, egale ĉu tio estis Hummel kun siaj pianverkoj, similantaj iom la verkojn de Chopin laŭ tekniko kaj formo, ĉu tio estis Field, kies nokturnoj fariĝis sendube modelo por Chopin. »La imitanto« ĉiam superis la imitaton. La sama afero okazis pri la itala muziko. Multfoje ni trovas ĉe Chopin ĝian influon. Tamen lia individualeco kapablis al siaj verkoj, skribitaj sub itala influo (ekz. parto des-dur en Scherzo b-moll de Chopin) doni specialan karakteron kaj altan flugon.

Koncerne Moniuszkon, estis tute alie. En sia junaĝo li alproksimiĝis al la franca kaj itala operoj, aŭ al la germana opero laŭ la tipo de Weber; diversaj fragmentoj de tiu ĉi muziko taŭgis al liaj scenverkoj; konante ĝin tre bone, li tute senvole adaptadis ĝin. Por li tamen la plej grava estis la melodio kun nacia karaktero. Li tion pruvis en la opero »Halka«, poste en »Terura biendomo«, en »Flosisto«, en »Grafino« kaj en multaj aliaj komponajoj. Kiel belajn mazurojn, polonezojn, montaranajn dancojn, revkantojn li kreis! Tie kaj ie ni renkontas ĉe li la influon de fremduloj, kiel tiun de Auber (tre ŝatata de Moniuszko), de Weber aŭ de iu italo. Tiu ĉi influo estas trovebla en la pli malbonaj komponajoj, sed en la pli gravaj ĝi apenaŭ aŭ eĉ tute ne ekzistas ekz. en la impona mazuro en »Halka«, en la inspirplena polonezo en »Grafino«, en la kantetoj de Bronia, en la revkanto »Bruas pinoj sur deklivo« ...

Bazante nin sur la supre cititaj, ni povas aserti, ke la interligo de la slavaj elementoj kun la klasikaj universalaj estis ĉe Chopin pli forta kaj pli brila; ĉe Moniuszko ĝi prezentiĝas pli malforte, malpli artiste, kvazaŭ hazarde. Tamen ni substreku, ke ĉe Moniuszko estas tre multe da slavaj elementoj.

Malgraŭ tio, la kreado de Moniuszko desegniĝis tro forte, kaj tro grandaj estas ĝiaj sento-valoroj kaj influo inter la samlandanoj, por ke ni ne opiniu ĝin valorplena kaj inda ricevi la konvenan lokon en la historio de la homa kulturo. Ĉio tio permesas alproksimigi lian kreadon al tiu de Chopin kaj prijuĝi ilian reciprokan rilaton.

(El »La Muziko« Nr. 6/44)

*St. Niewiadomski*

---

En august', kongresmonato,
Renkontiĝo kun konato,
Konatino ĉhsterlanda:
Jen plezuro vere granda.
Sed se ni kun ili festas,
Ne forgesu dum ĝojvibro,
Ke plezur' pli granda estas
Konatiĝ' kun Zo Mo-libro.

Ĵus aperis! Ĵus aperis!

HENDRIK WILLEM VAN LOON:

# RIGARDU LA TERON

TRADUKIS:

G. SAVILLE

Sur 456 paĝoj kun ĉ. 200 intertekstaj ilustraĵoj kaj 16 koloraj kaj 12 nigraj tabeloj,

la libro estas unu el inter la plej reprezentaj verkoj*

Formato 23×16 cm. — Prezo: broŝurita 2.60, bindita 2.95 USA dolaroj. — Aldonu 10%, por sendkosto.

**Facilstile, ĝue instruas la libro la geografion de nia planedo**

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 169 Exhibition Str.

**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58. Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.

**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn

**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.

**ĈEĤOSLOVAKUJO:** Esperanto Asocio en ĈSR. **Praha** X X 447, Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 1237.

**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.

**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.

**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.

**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138083.

**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—Ja

**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11. La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.

**LATVIO:** Taiivaldo Indra, **Riga,** Kr. Baronas ielā 104 dz 19. Poŝtĉekkonto nro 7

**NEDERLANDO:** Nederlanda Esperanto Centro. Rotterdam W. Schiedamscheweg 209 b. Poŝtĉekkonto nro 272818.

**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esperantista, Librofako. Sro Gustav Johannessen, **Hamar,** Skappelsgt. 3.

**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.

**PORTUGALIO:** Saldanha Carreira, **Lisboa,** Av. Duqué de Loulé 503

**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Gelu 9.

**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.

**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11. **St. Gallen.**

**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto **Tokio,** Hongoo— Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

**USONO:** Amerika Esperanto-Instituto Rockford (Illionis) 1111 Brooke Rd

De jaroj en mia presejo pretiĝas la eldonaĵoj de LITERATURA MONDO kaj AELA, kiuj donas tiom la plezurplenaj horoj al vi. Mia privata distro estas la PM-kolektado. Mi petas la filatelistojn,

**sendu al mi P. M. el la tuta mondo**

kaj post kelkaj tagoj mi interŝ. ilin — laŭ Yvert aŭ Michel — kun Hung., Aŭstr., Ĉeĥoslov., Ruman., Jugosl. El la karaj mi petas 1—10, el la malkaraj 100.

**S-ro Dezsö Dercsényi, Csányi-út 1, Vác, Hungarujo**

PRESAĴ-EKSPOZICION INTERNACIAN volas aranĝi en septembro tri hungaraj esp. gepresistoj, por pruvi la utilecon de Esp-o kaj instigi iliajn kolegojn lerni Esp-on. Samtempe ni aranĝos ankaŭ **bildkartvesperon.** Gekolegoj, gesamideanoj, helpu nin per sendo de bonkvalitaj presaĵoj kaj bildkartoj! (La bildkartsendon ni rekompencos.) Nyomdász eszperantisták, VIII., Kölcsey-utca 2, Budapest (Hung.).




**Aperis kaj estas dissendata la jubilea libro pri J. Baghy—K. Kalocsay**

# ARĜENTA DUOPO

## ELEGANTA, BELA, DUKOLORE PRESITA LIBRO EN FORMATO DE 23.5×15.5 CM.

**Du volumoj, entute 384 paĝoj.**

ENHAVO DE LA I-A VOLUMO:

**La jubileantoj parolas pri si mem — Oni parolas pri la jubileantoj — Ilustraĵoj**

ENHAVO DE LA DUA VOLUMO:

**Teatraĵoj — Poemoj — Scenoj — Muziknotoj — ĉio, kio sufiĉas por aranĝi programajn vesperojn en grupoj**

**Unua volumo 224 paĝoj. Dua volumo 160 paĝoj. — Prezo: I-a volumo —·90 USA dolaroj; II-a volumo 1·10 USA dolaroj.**

Aldonu 10% sendkostojn — Aĉetanto de la du volumoj ricevas senpage unu bindilon por ambaŭ volumoj.

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős